**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.
La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

## Novaj prezoj! Aliaj prezoj en la katalogo estas malvalidaj! El tiuj ĉi prezoj ne plu estas favoro por malbonvalutaj landoj

| | Bindita malnova | Bindita nova | Broŝurita malnova | Broŝurita nova |
|---|---|---|---|---|
| | p r e z o | | | |
| * **Julio Baghy:** Dancu Marionetoj | 5.40 | 1.70 | 3.40 | 1.20 |
| " " Viktimoj | 6 20 | 3.10 | 5.— | 2.50 |
| " " Hura tolbind. 11.20 7.20 | 9.30 | 6.90 | 7.40 | 6.— |
| " " Preter la Vivo | 3.30 | 2,20 | 2.— | 1.50 |
| " " Pilgrimo | 3.30 | 2.10 | 1.80 | 1.50 |
| * **K. Kalocsay:** Lingvo Stilo Formo | 4.50 | 1.90 | 3.— | 1.— |
| " " Streĉita Kordo | 5.70 | 3.20 | 4.— | 2.40 |
| * " " Rimportretoj | 4.50 | 1.30 | 3.— | 0.80 |
| " " Eterna Bukedo duontole 7.— | 11.20 | 6.— | 9.— | 5.— |
| * **K. Kalocsay—Madách:** Tragedio de l'Homo luksa | 7.50 | 3,50 | 6.— | 2.50 |
| simpla | 6.— | 3.— | 4.50 | 2,— |
| **K. Kalocsay—Goethe:** Romaj Elegioj, La taglibro | 3.— | 2.10 | 2.— | 1.50 |
| * **K. Kalocsay—Dante:** Infero | 11.— | 5.70 | 8.80 | 4 80 |
| * **K. Kalocsay—Hekler:** Arthistorio I. | 15.— | 6.80 | 13.— | 6 — |
| * **K. Kalocsay—Hekler:** Arthistorio II. | 12.— | 7.90 | 10.— | 7.— |
| luksa | | 9.— | | 7.80 |
| **K. Kalocsay—Mussolini:** Vivo de Arnaldo simpla | 3.30 | 1.90 | 1.80 | 1.20 |
| luksa | 4.— | 2.50 | 2.20 | 1.50 |
| **K. Kalocsay—Waringhien:** Parnasa Gvidlibro | 5.— | 2.70 | 3 60 | 2.— |
| **K. Kalocsay—Waringhien:** Plena Gramatiko de Esperanto simpla papero | 9.50 | 7.10 | 8.— | 6.— |
| luksa bindo, luksa papero | 10 50 | 8.20 | — | — |
| " " Hungara Antologio | 14.— | 7.90 | 12.— | 7.— |
| **Bleier—Kőkény—Ŝirjaev:** Enciklopedio de Esperanto vol. I.-II. ilustrita | 34.— | 20 50 | 30.— | 18.-- |
| neilustrita en unu volumo | 20.— | 12 20 | — | — |
| **Asch-Lejzerowicz:** La sorĉistino el Kastilio | 5.— | 2.70 | 3.50 | 2.— |
| ***Grenkamp—Brzekowski:** Pri l'Moderna Arto | 9.— | 2.— | — | — |
| **J. Forge:** Mr. Tot aĉetas mil okulojn | 5.70 | 3.20 | 4.— | 2.50 |
| **F. Szilágyi:** Trans la Fabeloceano | 5.— | 2.70 | 3.— | 2.— |
| " " Poemaro el Hungarlando | — | — | 1.50 | 1.— |
| " " La Simpla Esperanto | — | — | 1.50 | 1.— |
| **F. Szilágyi—Genthon:** La Pentroarto en la Malnova Hungarujo | 15.50 | 9.— | 10 — | 6.— |
| **Totsche—Karinthy:** Vojaĝo en Faremidon | — | — | 1 20 | 0,70 |
| **Totsche:** De Paĝo al Paĝo | 4.— | 2.40 | 2.50 | 1.80 |
| " Dekdu Poetoj simpla | 4.— | 2.50 | 2.50 | 1.50 |
| luksa | 5.— | 3.— | 3.— | 1 80 |
| **St. Engholm:** Homoj sur la Tero | 5.— | 2.90 | 3.60 | 2.20 |
| " " Infanoj en Torento | 3.50 | 1.80 | 2.— | 1,20 |
| **Hans Weinhengst:** Tur Strato 4. | 5.50 | 2.90 | 4.— | 2 20 |
| **Aisberg:** Fine mi komprenas la radion | 6.— | 3.70 | 4.50 | 2.80 |
| **K. R. C. Sturmer:** El la Notlibro de Praktika Esperantisto | 4 — | 2.10 | 2.50 | 1.50 |
| **Kikuĉi—Ŝimomura:** Amo de Toojuuroo | — | — | 1.20 | 0.70 |
| **T. Herzl—B. Selzer:** La Juda Ŝtato | 4.20 | 2.50 | 2.70 | 1.80 |
| **Slonimski—Grenkamp:** Mia vojaĝo en Sovetio | 4.20 | 2.20 | 2.70 | 1.50 |
| **Jelušić—Rotkvić:** Cezaro | 11.— | 6.10 | 9.— | 5.40 |
| **Adamson:** Auli | 3.— | 1.70 | 1.80 | 1. |
| **Kamaryt—Ginz:** Ĉeĥoslovaka Antologio | 14.— | 7.90 | 12,— | 7.— |
| **E. Privat:** Interpopola Konduto lukse bind. 3.50 | 4.20 | 2.60 | 3.— | 1.80 |
| **Jerome—Badash:** Tri homoj en boato lukse bind. 4.50 | 5.50 | 3.60 | 4 — | 2.80 |

La prezoj estas montrataj en svisaj frankoj.
Aldonu 10% de sendkostoj por la libroj, aparte ne signitaj.
Por la libroj, stele signitaj aldonu 15% por sendkostoj.
Kotizo al **AELA** restis la malnova.

### Rabato de 20% al la membroj de AELA el la supraj prezoj!

La prezoj de la ankoraŭ neaperintaj libroj estos aparte anoncataj.

**AELA** kotizoj por 1935. estas akceptataj antaŭ ol la lasta libro de 1935. estas aperinta (proksimume en fino de februaro 1936.)

### Pagojn ni akceptas:

per monbiletoj, bankĉekoj, respondkuponoj, „money order" a Budapest aŭ al niaj reprezentantoj.

### Poŝtmandatojn, sendatajn al Budapest ni rifuzas

Poŝtmandatoj estas sendeblaj nur al la jena adreso:
PONTOWA, KASA, OSZCEDNOSCI, KRAKÓW, Polujo, Literatura Mondo Kto nr. 403.148 pagu zloty 1.73 por unu svisa franko.

### ABONPREZO AL LINGVO LIBRO

por unu ekzemplero dum la jaro

0.80 aŭstrajn ŝilingojn, 4.— belgajn frankojn, 8 penny, 9.— ĉeĥajn kronojn, —.60 danan kronon, 0.60 estonan markon, 4.— francajn frankojn, 0.60 markon, 1.20 peseton, 0.80 pengő, 3.— lirojn, 8.— dinarojn, —.80 laton, (por japanoj specialaj kondiĉoj ĉe JEI); 0.40 guldenon, 0.60 norvegan kronon, 0.20 zloton, 4.— eskudojn, 25.— leojn, 0.60 svedan kronon, —.20 USA dolaron, 0.80 svisan frankon.
En nemenciitaj landoj 0.80 svisan frankon aŭ egalvaloron.

**Tri ekzemplerojn ni sendas por duoblo de la supraj sumoj.**

### ABONPREZO DE LITERATURA MONDO por tuta jaro

la unua ekzemplero al la sama adreso

12.50 aŭstrajn ŝilingojn, 65.— belgajn frankojn, 0.7 britan pundon 60 — ĉeĥajn kronojn, 7.— danajn kronojn, 7.— estonajn markojn 45.— francajn frankojn, 7.50 germanajn markojn (pagatajn al nia konto en Berlin), 15.— pesetojn, 10.— pengőjn, 35.— lirojn, 100.— dinarojn, 9.— latojn, (por japanoj specialaj kondiĉoj ĉe JEI), 4.50 guldenojn, 7.— kronojn norvegajn, 15.50 polajn zlotojn; 30.— eskudojn, 300.— leojn, 7.— svedajn kronojn, 1.80 USA dolarojn,
aŭ 9.— svisajn frankojn kaj ĉiun egalvaloron.
Ĉiu plua ekzemplero al la sama adreso sendata kostas svisajn, frankojn 4.50 kaj borsan egalvaloron, sen ia plua favorprezo.

### Unu svisa franko egalvaloras la 15-an de decembro 1935.

1.75 aŭstrajn ŝilingojn; 9.70 belgajn frankojn; 0/1/4 anglan pundon 8.— ĉeĥoslovakajn kronojn; 1.48 danajn kronojn; 1.25 estonajn markojn; 5.— francajn frankojn; 1.25 germanajn markojn, se pagataj al nia konto en Berlin kaj 1.50 germ. mk. se pagataj al la hungara kliringkonto aŭ per ĝiro poŝta al Budapest: 2.40 pesetojn hispanajn: 1,66 hungarajn pengőjn; 4.— italajn lirojn 15.50 jugoslavajn dinarojn; 1.40 latojn; 1.25 yenojn (pro monopolo specialajn pagokondiĉojn donas Japana Esperanto Instituto. 2.50 lidojn litovajn; 0.50 nederlandan guldenon (pagu nur al) nia monopola deponejo en Nederlando: S-ro A. C. v. Ingen. Nederlanda Esperanto-Centro, Rotterdam, W, Voorhaven 43). 1.32 norvegajn kronojn; 1.73 polajn zlotojn: 5.— portugalajn eskudojn; 45.— rumanajn leojn; 1.30 svedajn kronojn; 0.33 USA. dolaron, aŭ -borsan egalvaloron en aliaj valutoj.
Ŝanĝoj de la transkalkulo okazas samtempe kun la borsaj kurzoŝanĝoj.

# Multe pli la amo

*Komedio en tri aktoj*

— L. Thomson, Melbourne —

Okazas en la nuntempo. La komedio havas nur unu scenejon. Estas la salono, bone sed ne lukse meblita, en pensiono en Arnhem, Nederlando, kies fenestroj rigardas sur la parkon kie situas la Cseh Instituto en Esperanto-Domo. Akto Unua okazas ĉirkaŭ la sesa horo ptm. Akto Dua iom pli malfruhore post kvin semajnoj, kaj Akto Tria en la sekvanta antaŭtagmezo.

Personaro:

*Sinjorino Gretchen (Greca),* Loĝejmastrino.
*Hans,* Drinkema Lernanto de la Cseh-Metodo.
*Johano,* Trinkema Lernanto de la Cseh-Metodo.
*Ivano,* Nova Lernanto de la Cseh-Metodo.
*Francis,* Cseh-Metoda Instruanto, Diplomita.
*Julia,* Poetino el Hungarujo.
*Zefira,* filistra fraŭlino el Londono.

AKTO I.

Envenas Sinjorino Greca por ordigi la salonon. Bruego ekstere. Ŝi eliras, kiam envenas Hans. Kolizieto. Hans havas pakajon, ankaŭ kelkajn botelojn da biero, kiujn li preskaŭ faligas antaŭ ol meti ilin sur la tablo (dekstre). Li estas nun sobra. Li faligas la sakon, kaj rapide surhokigas siajn surtuton kaj ĉapelon sur oportuna hoko.

HANS: Ĉu Johano jam alvenis? Ne! Komprenеble ne. Li marŝis. Li estas skoto kaj rifuzis partopagi por la fiakro. Li diris, ke li sin trejnas por la Esperantaj ludoj. Fiafero! Mi scias, ke li marŝis post belеta fraŭlino. Ni fortrinku botelon antaŭ ol li venos. (Malŝtopas botelon.)

GRECA (kurete prenas trinkpotojn el ŝranko): Nur kondiĉe, ke vi min ne ebriigos. Mi konas vin, Sinjoro Hans.

(Ili trinkas, senvorte sin salutante. Bruego ekstere.)

HANS: Jen li venas. Eltrinku kaj replenigu la potojn.

(Ili faras, ree plenigas la potojn kaj retrinkas.)

(Envenas Johano. Havas pakajon kaj sakon da golfklaboj.)

JOHANO: Mi spasmas por trinko. Ĉu vi forigis la tuton?

HANS: La botelo malplenas.

JOHANO: Malŝtopu alian. (Faligas pakajon, surhokigas surtuton kaj ĉapelon.)

(Hans malŝtopas botelon kaj elverŝas. Ili ĉiuj trinkas.)

GRECA: Alia loĝanto alvenos hodiaŭ nokte.

HANS: Ĉu li lernos la Cseh-metodon?

GRECA: Mi ne scias. Sed agu ĝentile kontraŭ li, alie mi pagigos vin pli ol plezurige.

HANS: Bone, Greca. Nur trinku je lia bonsano, kaj ĉio iros bone. (Replenigas ĉiujn potojn.) Jen, trinku.

(Li kaj Johano trinkas.)

*JOHANO: Trinku, Greca, je la novevenonto.*

GRECA: Ne, ne, ne, mi sufiĉe trinkis. Mi devas prepari la vespermanĝon por Greco, la edzo. (Formarŝas iom ŝanceliĝante, sed decide rektlinias al la pordo. Eliras, portante alte la poton.)

HANS: Kien vi iris por via ferio, Johano?

JOHANO: Skotlandon. Mi golfludis, kaj la lastan tagon mi faris la lastan truon per tri batoj.

HANS: Ĉu iu vin vidis?

JOHANO: Ne insultu. Ĉu ne, ĉi tiu klabo estas bonkvalita.

HANS (ne alrigardante): Kaj kio pri ĉi tio? (Elpoŝigas poŝtkarton kaj montras.) Ĉu ŝi ne estas bonkvalita?

JOHANO: Hallo-o-o! Kie vi ŝin renkontis?

HANS: En Londono.

JOHANO: Londono. Sed mi kredis, ke la anglinoj estas tiel — eh, tiel — tiel alie.

HANS: Ho tute ne, tio ne estas, post kiam oni — post kiam oni —

JOHANO: Post kiam oni —

HANS: Ho, vi scias, post kiam oni penetras ilian surfacon, vi komprenas. (Hans remetas la karton en la poŝon.)

HANS: Nu, alia afero, ĉu vi aranĝis kun ŝi revidon por hodiaŭ nokte?

JOHANO: Jes, mi vidis ŝin, aŭ pli vere, mi vidigis min al ŝi. Mi absolute ŝvitis portante ĉi tiun pakajon kaj la klabojn, sed mi tamen paroligis ŝin, kaj eksciis ke ankaŭ ŝia kunulino estos hejme.

HANS: Bone, kaj nun ankaŭ mi havos renkonton.

JOHANO: Ne tiel rapide. Mi aranĝis por ŝi kaj mi — kaj ke vi renkontos ŝian kunulinon.

HANS: Tute ne, fripono. Mi volas ŝin.

JOHANO: Nu, ni permesu, ke la fraŭlinoj mem elektu.

HANS: Bone. Mi scias, kiun ŝi elektos. Ni eliru.

JOHANO: Bone, mi estas preta. (Bruego ekstere.)

HANS: Tamen, atendu momente. Nova loĝanto venas. Ni atendu por vidi, ĉu li indas nian atenton.

(Eniras Greca sekvate de Ivano portanta pakajon.)

GRECA (senhalte parolante): Jen Sinjoro Ivano. Jen la du Sinjoroj, Hans kaj Johano. Ili uzos la salonon kune kun vi. Jen estas via ĉambro. (Ŝi indikas pordon dekstre.)

IVANO: Bonan vesperon. (Zorge metas la pakajon planken, apud la tablo, metas surtuton kaj ĉapelon sur la pakajon.)

JOHANO (bonvenige): Kiel vi sanas, Ivano?

HANS (malzorge flirtante la manon): Hallo.

GRECA: Ne zorgu pri li. Ili ĉiam eliras por vespermanĝi. Sed se vi volas, mi tuj preparos por vi.

IVANO: Ne, dankon. Ankaŭ mi manĝos ekstere.

JOHANO: Trinku bieron kun ni.

IVANO: Dankon. Mi terure soifas post la marvojaĝo el Londono.

(Hans elverŝas kaj ili ĉiuj trinkas.)

GRECA: Sinjoro Ivano, ĉi tiuj sinjoroj lernas la Cseh-metodon. Ĉu ankaŭ vi?

IVANO: Bone, ankaŭ mi lernas, aŭ esperas ĝin lerni.

GRECA: Mi ĉiam preferas, ke miaj loĝantoj estu Cseh-metoduloj.

IVANO: Vi estas tre ĝentila.

GRECA: Johano jam lernas ĝin de kvin jaroj, kaj Hans de naŭ jaroj. Se li nur ne drinkus tiom, eble li finus la kurson post dudek jaroj.

HANS (genufleksante): Mi dankas, moŝtino mia.

# POEMOJ

— Karl Vanselov —

## Reva veturo

Tra blua mar' vin portu la veturo
De mia blanka vento-ŝvela velo.
La direktilon turnu la deziro
Al sorĉa malproksim' kaj aventuro,
Al feliĉige nekonata celo,
Al bordoj, kiujn serĉas la sopiro.

Malantaŭ ni perdiĝas foraj mondoj,
Kaj via belo kuŝas antaŭ mi,
Flor' admirinda. Nur la blankaj mevoj
Nin akompanas kaj murmuraj ondoj
Kaj la sopira, fluge ĉirkaŭ ni
Kunveturanta ar' de niaj revoj.
La nokto venas. Sur velur-ĉieloj
Kovrantaj nin per senfinega spaco,
Dum jam laciĝas nia vel-flugilo,
Ekfloras pli kaj pli la oraj steloj.

Ripozas forgesita nun, pro laco
Glitinte el la man', la direktilo.
Sed la okuloj ĉiam plu senlime,
La celon atendante, la beatan,
Penetras tra la noktvualaj muroj,
Serĉante malproksime — malproksime —
La landon feliĉige nekonatan
De rev-misteroj kaj de aventuroj.

## La alia vorto

Ni amas nin kun arda kiom riĉo
Sed ĉu vi scias, kiam de ni floke
Forflugos eble tiu ĉi feliĉo?
Ho ve, ni nin ne konas reciproke!
Kiel facile sur la voj' de l' sorto
Du homojn malkompreno trafi povas!
Ilin disigas ofte unu vorto,
Se oni ĝuste ne la ĝustan trovas.

Estiĝas dubo kaj rompiĝas kredo,
Unu kun ĉagrenita kor' foriras,
Lin revokante kun karesa cedo
Alian vorton la alia diras,

Sed ĉar malhelpas jam la malproksimo
Ĝin aŭdi en la muĝa vivo-ondo
Restadas ambaŭ dise en doloroj,
Vunditaj en la fundo de l' animo, —
Kaj eble povus esti ambaŭ koroj
Kune la plej feliĉaj en la mondo.

## Somer-vespero

Vespera ruĝo naĝas sur la parko,
Nubrozoj grandaj, plenaj kaj abundaj
Pendadas lume sub ĉiela arko.

Kun la okuloj miraj kaj profundaj
Reĝine staras vi en floraj maroj.
Sin lulas floroj ĉirkaŭ viaj haroj
Kaj kisas vin.

Malantaŭ la ĝardenoj
Atendas kaŝe la velura ondo
De l' nokt' somera jam kun stelaj ĉenoj
Por sonĝa forgesigo de la mondo.
Venu, por ke mi portu vin ravite
Per forta brak' al revo kaj ebri'!
Mi amas vin! Skuiĝas ventmovite
La rozoj, ekpaliĝas pli kaj pli
La brulkolor' de l' vespernubaj lumoj.
Venu, ke arde de sopiro ruĝa
Ni dronu en feliĉo mondrifuĝa
De nenombritaj kisoj kaj brakumoj!

---

IVANO: Sed oni kredigis min, ke la kurso daŭros nur dum kvin semajnoj.

GRECA: Tio, mi kredas, nur estas propagando. Sed ĉi tie oni pasigas pli longan tempon. Eble estas pro la vetero ĉi-tiea. Kelkaj ŝajne malsukcesas pro manko de la akuzativo, kaj aliaj ne scias precize, kiel akordigi la adjektivon. Sed kiel mia bona Greco kutimas diri, kial zorgi pri eta erareto kiam — — —

HANS: Jes, jes, jes, Sinjorino Greca. Jen ĉio por la momento.

GRECA (okulumante lin): Ĉu vi volas rigardi la kalojn sur miaj piedoj? (Hans iras por elverŝi bieron.)

JOHANO: Ne, tute ne. (Al Hans.) Ĉesigu viajn ŝercojn. (Al Greca.) Se vi uzis la medikamenton, kiun mi donis al vi, devas ne ekzisti plu la kaloj.

GRECA (malkontente): Nu bone. Mia edzo diris, ke la barelo da biero venos morgaŭ. Bonan vesperon al vi ĉiuj. Kaj se vi volas ion ajn, vi ĉiam povas sonorigi. Kaj Sinjoro Francis jam revenis post ferio el Parizo kaj Londono kaj nun estas en sia ĉambro. Li uzas la litĉambron, Sinjoro Ivano, sur la supra etaĝo. Kaj kiel mia bona Greco, kutimas diri — — —

JOHANO: Jes, jes, Sinjorino Greca. Jen estas tute ĉio por la momento, por la momento. Dankon. Dankon. Dankon. (Je la tria »Dankon« ŝi malkontente estas kvazaŭ — puŝita al la pordo, kaj eliras.)

HANS (al Ivano): Johano kaj mi havas rendevuon. Vi ne povas akompani nin, ĉu ne. (Daŭrigante seninterrompe.) Mi tiel pensis. Nu, Johano ni estos malfruaj, se ni ne tuj eliros.

(Ili prenas surtuton kaj ĉapelon, krias »Bonan nokton«, kaj tuj eliras.)

IVANO (sola): Nu, mi elpakos miajn aĵojn kaj poste min amuzos kiel eble plej bone.

(Eniras Francis.)

FRANCIS: Ho, pardonu. Eble vi estas la nova gasto en la domo. Mi estas Francis — — —

IVANO: Ho jes, vi okupas la ĉambron ĉisupre. Sinjorino Greca informis min. Ĉu ankaŭ vi uzas la salonon?

FRANCIS: Jes, kiam mi estas hejme, kio ne estas ofte. Se al vi plaĉas, ni sidiĝu apud la fajro kaj babilu.

(Ili sidas apud la fajro.)

IVANO: Ĉu vi vojaĝas multe?

FRANCIS: Jes, mi vojaĝas de tempo al tempo. Mi instruas Cseh-metode, kaj sekve mi vojaĝas en multajn landojn por instrui. Oni ne devas scii la lingvon de la instruatoj. Sed mi ne volas momente paroli pri tio. Mi havas leteron de via patrino, kiun mi tre bone konis antaŭ multaj jaroj.

IVANO: Ĉu vere. Mirinde, ke ŝi nenion diris al mi pri vi, antaŭ ol mi foriris el Londono.

FRANCIS: Eble ŝi preferis, ke nia renkontiĝo estu surprizo. Mi estis la unua, kiu instruis al ŝi Esperanton.

IVANO: Kaj sekve, vi estas la kaŭzo ke mi devos studi la Cseh-metodon dum mi ne scias kiom da jaroj ĉi tie?

FRANCIS: Liberigite de bruo, biero kaj fraŭlinoj, vi tre certe finos vian kurson en semajnoj. Sed pri tio ni nun ne parolu. Diru al mi, kiel sanas via patrino kaj, ankaŭ, ŝia kaj mi kredas, via amikino, Zefira.

IVANO: Ili ambaŭ bonfartis, kiam mi forvojaĝis. Kiel mirinde devas esti traveturi, kiel vi, tiom multajn landojn. Kaj mi tute ne povas rekonsciiĝi post la novaĵo, ke vi konas mian familion.

FRANCIS: Via patrino ofte parolis al mi pri vi kaj ankaŭ pri Zefira.

IVANO: Jes, ni estas kvazaŭ gefratoj, Zefira kaj mi. Ni kune trinkis ĉe la sama bankuvo. Tio estas, mi estis kvarjara kaj ŝi estis dujara kiam la vartistino banis nin kune. Ni kune maturiĝis, kaj kredeble la patrino havas pri ni romantikajn revojn. Mi supozas, ke, kiel en aliaj aferoj, mi sekvos la patrinan volon.

FRANCIS: Bona knabo. Tamen, en la vivo, kiel diris la geniulo, Goethe, estas »Multe la Dev', senfine pli la Amo«. Kaj li estas prava. Nur la amo vere valoras. Sed mi havas nun laboron. Poste ni filozofos pri la vivo, kiam ni havos tempon je nia dispono.

IVANO: Jes, certe estos tre interese.

FRANCIS: Kaj nun, amiko Ivano, mi foriras.

(Eniras Greca kun taso da teo sur pleto.)

GRECA: Jen taso da teo por vi, Sinjoro Ivano.

IVANO: Ho, dankon. Mi trinkos ĝin tuj.

FRANCIS: Nu, ĝis revido, amiko Ivano.

IVANO: Ĝis revido Francis. (Francis eliras.)

GRECA: Kaj nun, Sinjoro Ivano, bonvolu sidiĝi al via teo.

IVANO: Dankon. Nenion pli mi volas, Sinjorino Greca.

GRECA: Certe ne estus ĝeno al mi prepari iom da manĝaĵo por vi, se...

IVANO: Dankon, sed ne ĝenu vin.

GRECA: Ho, tute ne estus ĝeno, Sinjoro. Mi bedaŭrus, se vi tiel pensus. Kaj la vetero nuntempe ŝajnas pli bona ol antaŭe. Kaj kiel diris Sinjoro Johano, devas ne esti kalo sur mia piedo, post kiam mi uzis la medikamenton, kiun li donacis al mi. (Demetas la pantoflojn de unu piedo, kaj montras la haŭton tra truo apud la kalkanumo.) Kaj mi mem rigardis, kaj kiel vi mem povas vidi (ŝi montras, sed li ne volas vidi kaj iom naŭziĝas) la kalo jam malaperis, kio estas mir-



*Dordrecht* — *Granda preĝejo*

# Poemoj de Ch. Baudelaire

— K. Kalocsay —

## La fontano

Fermu, amatino lacaspekta
L' okulojn lacajn, restu plu,
senmove, en la poz' neglekta,
kie surprizis vin la ĝu'.
Fontano, babilanta korte
tag-nokte, kun senĉesa klam',
l' ekstazon nutras nun dolĉvorte,
en kiun mergis min la am'.
La garb' ŝutanta strebe
mil florojn for,
kiujn ornamas Febe
per multkolor'
disfalas pluve, ŝvebe
en larĝa plor'.
Same, animo via, arde
de l' flum' bruliga de l' plezur',
sieĝas fluge, haste, harde
ravitan vaston de l' lazur'.
Poste refalas ĝi sen vivo
en trista tajdo de langvor',
kiu descendas sur deklivo
sekreta ĝis en mia kor'.
La garb' ŝutanta strebe
mil florojn for,
kiujn ornamas Febe
per multkolor'
disfalas pluve, ŝvebe
en larĝa plor'.
Ho vi, la nokt' vin igas ĉarma!
En via sin', ho dolĉa sent':
aŭskulti pri l' baseno larma,
pri la eterna plorlament'!
Lun', akvoj zumaj, nokto bena,
tremanta bosko-panoram',
jen via pura tristo splena
estas spegul' de mia am'.
La garb' ŝutanta strebe
mil florojn for,
kiujn ornamas Febe
per multkolor'
disfalas pluve, ŝvebe
en larĝa plor'.

## La bela ŝipo

Mi nun al vi rakontu, ensorĉantin' tenera,
ĉiujn diversajn belojn de via jun' fiera:
mi pentru vin en belo pura,
kie aliancas aĝoj infana kaj matura.

Marŝante, vi l' aeron per larĝa jup' balaas,
kiel se bela ŝipo la maran ondon traas,
velar-ŝarĝita, sin lulanta
laŭ ritmo milde-mola kaj pigra kaj tre lanta.

Sur via larĝa kolo, sur rondaj ŝultroj blankaj
jen pavas via kapo kun ĉarmoj dolĉe-strangaj.
En pas' trankvila, triumf-festa
vi iras vian vojon, ho infanin' majesta.

Mi nun al vi rakontu, ensorĉantin' tenera,
ĉiujn diversajn belojn de via jun' fiera,
mi pentru vin en belo pura,
kie aliancas aĝoj infana kaj matura.

La brust antaŭenprancas kun streĉ' de l' silko ŝvela:
via triumfa brusto, ĉi tiu ŝranko bela,
sur kies helaj pordoj alaj
la lumo alkroĉiĝas kiel sur ŝildoj stalaj.

Provokaj ŝildoj, kiujn du rozaj punktoj armas!
Ŝrank' de sekretoj dolĉaj! ĝi per bonajoj ĉarmas,
plena de vin', parfum', likvoroj,
de kiuj ekdeliras la cerboj kaj la koroj!

Marŝante, vi l' aeron per larĝa jup' balaas,
kiel se bela ŝipo la maran ondon traas,
velar-ŝarĝita, sin lulanta
laŭ ritmo milde-mola kaj pigra kaj tre lanta.

La noblaj gamboj, sub la falbalo, ĝin batante,
turmentas la obskurajn dezirojn, agitante:
du sorĉistinoj, kiuj bate
en vaz' profunda kirlas sorĉtrinkon nigran fate.

La brakoj, kiuj ludus kun la herkuloj etaj,
rivalas la boaojn brilantajn, fermi pretaj,
obstine fermi en fervoro,
kvazaŭ por enpremegi l' amaton al la koro.

Sur via larĝa kolo, sur rondaj ŝultroj blankaj,
jen pavas via kapo kun ĉarmoj dolĉe-strangaj.
En pas' trankvila, triumf-festa
vi iras vian vojon, ho infanin' majesta.

## La gigantino

Dum la Natur' koncipis tag-tage en la sino
infanojn monstre grandajn en sia verv' erupta,
mi estus volinta vivi ĉe juna gigantino
kiel ĉe reĝidinaj piedoj kat' volupta.

Kaj vidi, ke ŝi floras kaj korpe kaj anime,
ke ŝi libere kreskas en ludoj plej sovaĝaj,
diveni sombrajn flamojn de ŝia koro, glime
brilantajn en humidaj nebuloj okul-naĝaj.

Vagadi laŭdezire tra l' formoj grandiozaj,
grimpi al krut' de ŝiaj genuoj, la kolosaj,
kaj en somer,' kelkfoje, sub la sufokaj flamoj

de l' sun', se ŝi sterniĝas lac-pigre tra l' kamparo,
senĝene endormiĝi sub ŝiaj ombraj mamoj,
kiel kabano paca piede de montaro.

indaĵo. Kaj kiel mia bona Greco, tio estas, mia edzo, kutimas diri al mi, estas...

IVANO: Dankon, Sinjorino Greca, jen estas ĉio. *Ĉio*, mi diris.

(Greca kviete remetas la pantoflon kaj iras.)

(Ivano, sola, ektrinkas la teon kaj ankoraŭ trinketante aliras al la fajro.)

IVANO (murmurante): »Multe la Dev', senfine pli la Amo«. Nu en kiu libro de Goethe ĝi troviĝas? (Aperas Julia en la porkkrado: ŝi haltas tute surprizite, kaj Ivano demetas la tason sur la kamenbreton.)

JULIA: Pardonon. Mi atendis trovi amikon ĉi tie.

IVANO: Mi esperas, ke mi povos troviĝi inter via amikaro. Mi estas Ivano kaj ĵus ekloĝis ĉi tie.

JULIA: Dankon, Sinjoro Ivano. Mi estas Julia.

IVANO: Kiu estas, kiun vi volis trovi, se vi permesas?

JULIA: Sinjoron Francis.

IVANO: Li ĵus foriris. Ĉu vi havas ion por li?

JULIA: Jes, mi volas lasi por li kelkajn librojn, kiujn li pruntedonis al mi.

IVANO: Kompreneble, vi povas lasi ilin; mi certigas, ke li ricevos ilin senmanke.

JULIA: Vi estas afabla. Nu, mi lasos la librojn kaj tuj foriros. (Ŝi proponas la librojn al li — li ne prenas.)

IVANO (reiras iomete al la fajro): Restu apud la fajro iomete. Estas malvarme, ĉu ne, ekstere? Kiajn librojn ŝatas nia reciproka amiko, Francis. (Li prenas la librojn, sed samtempe preskaŭ ŝovas ŝin ĝentile en brakseĝon apud la fajro.) Li citis ion el Goethe, ĵus antaŭ ol li foriris. Sidiĝu, mi petas.

JULIA: (sidiĝante iom proteste, kaj surprizvoĉe): Eble estas ĉi tie ĝuste la libro, kiun li plej ofte ŝatas priparoli. (Kiam Ivano rigardas la titolojn) Jes, jen la Kaloĉaja traduko de Romaj Elegioj kaj la Taglibro.

IVANO: La vortoj estis, »Multe la Dev', senfine pli la Amo«.

JULIA (leviĝas, kaj prenas la libron serĉeme): Ho, mi scias. Jen en la fino de la Taglibro — mi tre ŝatas ilin — (kun kapoj tre proksimaj ili enrigardas) Vidu — — —.

IVANO (prenas la libron kaj legas malrapide): (Julia residiĝas.)

Ni ofte stumblas dum la viv-vojaĝo,
Tamen, du povoj havas nur potencon
Pri l' hominstinkt', en farsa vivo-dramo:
Multe la Dev', senfine pli la Amo!

Ĉu vi ŝatas la poezion?

JULIA: Multege. Vi vidas, mi estas hungarino kaj iomete poetino mem, aŭ, pli vere, mi nun studas por pliglatigi mian stilon en la esperanta lingvo.

IVANO: Do, vi jam verkis poemojn en la hungara lingvo.

JULIA: Ho jes. En la gepatra lingvo mi jam verkis kaj eldonis volumeton.

IVANO: Mi esperas, ke vi tradukos ilin por mi.

JULIA: Mi apenaŭ konas vin, Sinjoro Ivano. Mi volas diri, ke miaj hungaraj versoj ne estas taŭgaj por la traduko, tio estas, ili temas pri hejmecaj aferoj, kiel patra amo kaj la patrina amo, kaj la sopiroj de tute naiva persono.

IVANO: Nu, kompreneble, kiam ni pli profunde konatiĝos, tiam...

JULIA: Ho ne, eĉ ne tiam... Sinjoro, jam malfruas, mi devas tuj foriri... (Stariĝas agite.)

IVANO: Nu, ni tre certe rerenkontiĝos, ĉu ne?

JULIA: Jes, mi supozas, ke jes. Tio estas, se...

IVANO: Sed kiam? Ni aranĝu nun. Mi ankoraŭ ne manĝis — ni nun iru al kafejo, aŭ ĉu mi ne povus vin viziti.

JULIA: Mi mem jam manĝis, tio estas, estas neeble. Mi loĝas kun anglino, kiu studas la nederlandan lingvon, ĉar ŝi intencas edziniĝi al nederlanda oficisto.

IVANO: Nu, mi nun akompanos vin ĝis via hejmo kaj tiam survoje ni povos priparoli...

(Bruego ekstere.)

JULIA: Mi devas iri — iu venas. Sinjoro Ivano, estas neeble, tamen... mi ja volas rerenkonti vin kiel amikon de Francis. Sed nun iu venas. Sinjoro Ivano, mi tuj telefonos al vi. Tre proksime estas telefonejo. Jes mi tuj telefonos. Ĝis revido.

IVANO: Bone, jes, telefonu tuj. Mi atendos.

(Hans kaj Johano staras en la pordkrado.)

HANS: Pardonu min (paŝas flanken).

JOHANO: Pardonu min (paŝas flanken).

JULIA: Bonan vesperon. (Ŝi eliras.)

(Ivano fermas la pordon kaj staras kun sia dorso kontraŭ ĝi, kun iom batalema aspekto.)

HANS kaj JOHANO (kvazaŭ reciproke unu al la alia): Ŝi telefonos! He! He!

HANS: De kiam vi konas Julia-n, la hungaran poetinon?

JOHANO: Ĉiuj ĉi tie konas ŝin.

IVANO (paŝante antaŭen, siblante): Bestoj!

HANS: Ŝi estas virmalamanto. Neniu povas ŝin impresi.

IVANO: Bonan nokton. Mi devas elpaki miajn aĵojn.

HANS: Bone! Ĉio same al mi. Ni gardos la telefonon kaj raportos la alvokon, se efektive ŝi telefonos.



*Amsterdam* *Turo de suda preĝejo*

IVANO (sidas): Ho, ne gravas pri la aĵoj. Mi elpakos poste.

(Ili ĉiuj sidas dise, egaldistance de la telefono kaj atendas en silento.)

HANS: Nu, kion ni faros, Johano.

IVANO: Evidente via »rendevuo« havis mallongan sekvencon.

HANS: Ho ne tre mallongan, mi vetas, ĉar la aranĝanto, Johano, aŭdos pri ĝi dum sufiĉe longa tempo.

IVANO: Ho, ĉu io ĝin fuŝis, do?

JOHANO: Mi diras, ke mi tute bone aranĝis la aferon. Mi ne komprenas kiel povis fuŝi...

HANS (malsatege): Vi tute bone aranĝis, ho!

(Eniras Sinjorino Greca. — Silento.)

GRECA: Ha! — Jen mi havas vin ĉiujn por la vespermanĝo, mi povas certigi. Kial vi ĉiuj sidas tiel silentemaj. Nu diru ion.

HANS: Ba!

GRECA: Sinjoro Hans! Kion vi diris?

HANS: Mi diris: ba! Demandu Johanon.

(Telefono sonoras. — Ĉiuj eksaltas, sed Greca kaptas la aŭdilon iom triumfe antaŭ ol la aliaj povas.)

GRECA (ĉe telefono): Hallo... Ja estas la loĝdomo de Sinjoro Greco... Eble jes kaj eble ne... Mi devas esti zorgema pri virinoj kiuj uzas ĉi tiun telefonon... Kion... Mi diris, eble jes kaj eble ne... Ne certe ne... Kiel diris mia bona edzo lastan nokton, estas skandalo, ke tiaj virinoj uzas la telefonon, por kiaj aferoj, oni tute ne scias... kaj mi diris al li, ke mi tute konsentas... Kion vi volas... ho mi komprenas, vi ne volas mian edzon, sed nur Sinjoron Johano... kial vi ne diris tion pli frue...

(Hans kaptas la aŭdilon.)

HANS: Jen Johano parolas... ho jes... ho bedaŭrege, ke mi malkomprenis pri la loko... jes, jes, mi nun komprenas, kion vi diras... dua strato dekstre, unu maldekstre... tria domo de la stratangulo... Jes kompreneble... mi estis azeno por tiel erarvagi... jes, jes, ni venas... ho nur morgaŭ... vi nun estas tro okupitaj... nu ĉu neeble?... absolute ne... Nu do morgaŭ vespere... (Rependigas la aŭdilon.)

JOHANO: Kiun vi nomis azeno?

HANS: Nenio gravas. Ĉio estos al vi pardonita — morgaŭ. Vi nur iris al malprava adreso.

JOHANO: Nu bone, sed plu vi ne parolu en mia nomo.

GRECA: Nu, ĉu estas vespermanĝo por tri? Jes, nu bone, kio estas, tio estas. Kiel diris mia bona edzo, Greco, la lastan ĵaŭdon...

JOHANO: Sinjorino Greca, tio estas ĉio dumtempe, dumtempe. (Greca marŝas malrapide al la pordo. La telefono sonoras. Ivano facile gajnas la aŭdilon.)

IVANO (ĉe telefono): Hallo... jes, estas Ivano... Jes, stratangulo... jes mi rimarkis ĝin, kiam mi preterpasis hodiaŭ vespere survoje de la vagonaro. Mi venas tuj. Ĝis! (Rependigas la aŭdilon, prenas la ĉapelon kaj surtuton.) Vespermanĝon por nur du, Greca. (Eliras Ivano.)

(Hans kaj Johano okulumas unu la alian.)

Fino de Akto I.

Kurteno.

## AKTO II.

Scenejo kiel en Akto I.

IVANO sidas ĉe tablo, skribas. Ĵus eniris Johano.

JOHANO: Hej, Ivano, ĉu vi eliris denove la lastan nokton? Vi estas mirindaĵo. Kiel vi povas ankaŭ studi la aferojn ĉe la Instituto, mi ne komprenas. Kia energio!

IVANO: Mi ne estas tiel feliĉa, kiel vi supozas. Antaŭ kvin semajnoj, kiam mi alvenis, la vivo ŝajnis al mi tute simpla afero. Oni simple venas ĉi tien, faras sian devon, agas laŭ la volo de la patrino kaj ĉio estas bona. Subite ĉio tute fuŝiĝas. Mi fariĝas samtempe treege feliĉa, kaj treege mala.

JOHANO: Kio okazis? Ĉu vi kaj Julia malamikiĝis?

IVANO: Ŝi estas mirinda, Johano. Ŝi estas anĝelo. Ne, ni neniam malpacas. Sed la vero estas, ke mi enamiĝis antaŭe kun alia fraŭlino, kaj diablo scias, kiel ŝi agos, kiam ŝi eltrovos la aferon.

JOHANO: Enamiĝi kun du fraŭlinoj je unu kaj sama fojo! Kiel interese! Kiel tio sentiĝas, Ivano?

IVANO: Serioze, ĝi ne sentiĝas bone. Efektive, mi neniam amis Zefiran. Mi nur maturiĝis kune kun ŝi kaj ŝi kun mi, sed cetere ni vivis tute malsame, ĉar ŝi ĉirkaŭrondis en dancoj kaj tiel plu kun kelke da viroj kaj flirte amindumadis. Sed mi neniam konis alian virinon krom ŝi kaj krom la patrino, ĝis mi renkontis Julian. Nun ĉio estas fuŝita.

JOHANO: Ĉu Julia scias pri Zefira?

IVANO: Ne.

JOHANO: Ĉu ne? Hej, Ivano, vi estas lerta!

IVANO: Lerta? Ŝajnas al mi, ke mi devos esti lerta, kiam Zefira vizitos nin por la festkunveno hodiaŭ nokte. Ŝi ekflaros ĉion.

JOHANO: Ĉu Zefira havas koleremau temperamenton?

IVANO: Ŝi havas ja!

JOHANO: Devas esti interese. Ĉu ili devos renkontiĝi?

IVANO: Diable ne! Kiel eble plej multe mi volas malhelpi ian ajn kontakton inter Julia kaj Zefira. Nu, Johano, vi ĉiam estis bona knabo. (Hans bruege enblovas.) Kaj ankaŭ Hans estas bona knabo, vi ambaŭ estas bonaj knaboj, kaj mi volas, ke ...

HANS: Hallo, bonuloj, kion vi konspiras pri mi? Kion mi aŭdis pri mi mem?

JOHANO: Subaŭskultantoj neniam aŭdas pri si bonaĵon!

HANS: La reguloj ĉiam havas esceptojn, kaj jen unu. Mi aŭdis tute bone, ke mi estas bona knabo. Bona Ivano, de kiam mi estas tia? Informu min, de kiam mi falis el la stato de malboneco.

JOHANO: Serioziĝu, Hans, ĉar temas pri serioza afero. Ivano ĵus klarigis al mi, ke li ne volas, ke Julia renkontu Zefiran.

HANS (detektivserioze): Ha, Zefira, kompreneble, estas la nomo de la alia amatino. Sed ĉu ŝi ne loĝas en Londono?

JOHANO: Kompreneble, sed ŝi nun vojaĝas alilanden!

HANS: La kara anglino. Kaj ĉu ni renkontos ŝin?

IVANO: Bedaŭrinde, jes. Tio estas, bedaŭrinde ŝi venos ĉi tien por ĉeesti la feston hodiaŭ nokte.

HANS: Sed kial bedaŭri tian feliĉan okazon? Mi povas certigi vin, ke ĉi tio estas eksterordinare bonŝanca! Aŭskultu! Antaŭ du jaroj mi enamiĝis al du fraŭlinoj samtempe, kaj malkaŝe aranĝis, ke ili renkontu unu la alian. Jen vi havas. Mi lasis min en iliaj manoj por decidi, al kiu el ili mi vere apartenas. Ili interkonsiliĝis, kaj jen, mi estas ankoraŭ libera homo!

JOHANO: Ne blagu pri viaj seksamaferoj.

IVANO: Dankon, Hans, por via subtila konsilo.

### *Tempsoneto*

— *Alex Kay* —

Frostkapa mi jam estas kaj senfebra.
Ne povas min infekti la miasmoj
de la nuntempaj modaj entuziasmoj:
tro klara estas mia vid' funebra.

Ne estas sav' por ĉi homar' tenebra.
Kurac' heroa, piaj kataplasmoj
ĝin same ne sanigos el la spasmoj
kiuj ĝin portos al pereo nepra.

Forfalos ni en reciproka ĉaso
per kuglo kaj per bombo kaj per gaso,
damnitaj kaj ne indaj al vivĝuo.

Kaj post la trabalao de l' detruo,
el la ruinoj prenos freŝa raso
la brikojn por la nova mondkonstruo.

---

Tamen, mi supozas, ke vi, en via afero, amis nek unu nek alian. Mi ja amas Julian kun sincera amo, kaj ankaŭ estimas Zefiran kiel virinon al mi destinitan de la bankuvo, tio estas, de la plej junaj jaroj, pro familiaj kialoj.

HANS: Tial eĉ pli necesas, ke la damoj renkontiĝu. Vi scias, ke la virina intuicio liveras pli da saĝeco ol cento da filozofoj.

IVANO: Ne, mi dankas, Hans, sed via kaj mia vidpunkto malsamas. Promesu al mi ke vi faros nenion por malglatigi la aferojn por mi. Mi konas Zefiran, kaj cetere Julia ne estus egala al ŝia trablova maniero.

JOHANO: Kompreneble, Hans promesas. Li nenion faros kaj mi ĵuras pri tio.

HANS: Ĉio bona kun mi. Tamen, mi vetas, ke mi estas prava.

JOHANO: Prava! Hu, kion vi farus, se ambaŭ el viaj amatinoj akceptus vin?

HANS: Ho, oni ĉiam povus iri al Utah por mormoniĝi, kiel ankaŭ iri al botelo por iom da biero. (Iras flanken al ŝranko.)

JOHANO: Ne necesas al *vi* iri al Utah, kaj la biero jam forestas.

HANS: (mokseriozege): Kio? Neniom da biero! Mirinde, kiel la biero forvaporas en ĉi tiu domo. Mi certe ne trinkas multe.

JOHANO (amerike): Ho jes!

(Bruego; eniras Greca kun Zefira.)

GRECA: Jen estas sinjorino por vidi vin, Sinjoro Ivano. (Eliras Greca.)

IVANO: Zefira!

ZEFIRA (kurante al li): Ivano! (Haltetas momente kaj tiam sin ĵetas enbraken kaj kisas lin pasie.)

IVANO (ne kisinte ŝin): Jen miaj amikoj.

ZEFIRA (surprizite, sed ne embarasite): Oh!

IVANO: Jen Johano kaj jen, kompreneble, Hans, kiu ĵus bedaŭris la foreston de biero, kiam vi envenis.

ZEFIRA: Mi ĝojas vin renkonti, samideanoj, kaj permesu al mi kondolenci pri la stato de la bierbotelo, kiun mi vidas, aŭ vidis, kun leviĝanta sento de soifo estingota.

HANS (ageme): Nu, do, ĉu vi ŝatas la bieron? Kompreneble! Mi havas en la sekreta ŝranko. Permesu, ke mi oferu al vi glason aŭ du el la plej bona, el mia privata provizo. (Rapide eligas botelojn kaj glasojn el ŝranko.)

ZEFIRA: Ivano, karulo, mi ŝatas viajn amikojn. Ili estas ĝuste kiel vi ilin priskribis.

(Dume Hans englasigas bieron.)

IVANO: Tio estas bonega.

HANS: Kaj jen nun, ni trinku kune je la baldaŭa kunligo de feliĉaj geamantoj. (Ĉiuj trinkas.)

ZEFIRA: Kaj ĉu ni ĉiuj iros kune al la festo hodiaŭ nokte?

HANS: Trinku ankaŭ je la festo. (Ĉiuj trinkas.)

IVANO: Mi bedaŭras, Zefira, mi ne povas iri al la festo. Mi malsanetas, — mi havas kapdoloron.

ZEFIRA: Kia bedaŭro, Ivano. Tamen, ne gravas. Mi ĝojos resti kun vi kaj vin prizorgi. (Demetas la surtuton kaj malkovras belan balvestaĵon.)

IVANO: Ho, tute ne. Mi baldaŭ resaniĝos. Sed mi ne ŝatas la festojn — vere ne.

ZEFIRA: Sed mi venis tute el Londono nur por iri al la festo kun vi. Ivano, ĉu vi ŝanĝiĝis al mi iel?

IVANO: Zefira, ne estu tiel malsaĝa. Kompreneble, ne.

ZEFIRA: Eble mi ne estas tiel malsaĝa.

(Bruego, eniras Greca sekvate de Julia balvestita.)

GRECA: Jen sinjorino por vidi Sinjoron Hans. (Eliras Greca.)

HANS: Hallo, Julia.

JULIA: Mi ricevis vian mesaĝon, Sinjoro Hans, ke vi havas apartan informon por mi de Sinjoro Francis. Sed, pardonu min... mi esperas, ke mi ne altrudas...

ZEFIRA: Ho ne!

IVANO: Permesu — Julia, jen estas Zefira el Londono.

---

### *Eble*

— *F. Szilágyi* —

Nur kruco pendas sur la nuda mur',
sur kruda bret' la flam' bruletas nur.

Sur kruda breto tremas stebkandel',
tamburas supre pluv', kiel muel'.

Ĉe l' seka ost' de l' viv', de l' vivsopiro
kubute sonĝas laca-laca viro.

Nur kruco pendas sur la nuda mur',
Sur kruda bret' la flam' bruletas nur

Animĉambraĉo! Luktas, luktas febre
kandelo orfa de l' eterna »Eble.«

### *Sendorme*

— *Hendrik Adamson* —

Ploras pluv', gargaras koto,
ĉirkaŭvagas la enu'
kun la luna perlamoto
en la internuba tru'.

Kvazaŭ granda, granda konko
malfermiĝus en marfund',
ekaŭdiĝas venta ronko,
kovras ĉion nub-abund'.

Trempis jam la nokt-sepio
ĉion, dronis ĉiu form'.
Ah, vi tede teda trio:
pluv', mallumo kaj sendorm'.

ZEFIRA: Bonan vesperon. Ivano ne pri-kribis vin inter siaj geamikoj ĉi tie. Fakte laŭ liaj priskriboj liaj amikoj ne estis geaj.

JULIA: Mi esperas, ke vi ne malŝatas min pro tio, ke...

ZEFIRA: Ho ne.

JULIA (al Hans): Kio *estas* la informo, Hans?

ZEFIRA (al Julia, subite amike): Ho, kaj vi konas ankaŭ Sinjoron Francis? Bonege! Do ni ĉiuj estas amikoj.

HANS: Kompreneble. Tio estas tre feliĉiga.

ZEFIRA: Kaj kio estas la informo?

IVANO: Eble estas privata afero, Zefira.

ZEFIRA (fajre): Ne ordonu al mi.

HANS: Trankviliĝu, mi petas. Tute ne estas privata. Francis sciigis al mi, ke en Londono li edziĝis kaj nun iras al Samoa en la Sud-Pacifika Oceano, kompreneble, mi supozas, por Cseh-metode instrui la samoanojn.

ZEFIRA: Sinjoro Francis iras al Samoa! Neeble! Tamen, li ĉiam estis strangulo...

JULIA: Mi dankas vin, Hans. Kaj al kiu Francis edziĝis.

HANS: Mi tute ne scias. Pri tiu grava fakto Francis forgesis mencii.

JULIA (gaje): Tute Fraĉje. La frenezulo. Oni povus pensi, ke li forgesis ankaŭ sian junedzinon.

ZEFIRA: Kia bonega ŝerco. Bone, Julia. Kion vi faras ĉi tie? Ĉu ankaŭ vi Cseh-metodas?

JULIA: Ho ne. Mi estas poetino.

ZEFIRA: Poetino. (Deklame) »Skribas pri la brovoj de la amatino«, ĉu? Ha. Ha. Nu, rigardu la tondrajn brovojn de mia Ivano. Ili poemas mem pri liaj pensoj. Kio estas al vi Ivano? Ho, mi bedaŭras la kapdoloro. Ĉu estas terure malbone, Ivano, karulo?

IVANO (malsukcese provante sensulkigi la brovojn): Ho ne, ho ne, ne terure malbone. Nur kapdoloreto.

JULIA: Ho, ĉu pro tio vi ĝis nun ne vestis vin por la festo?

IVANO: Pardonu min, sed mi ne iros al la festo.

JULIA: Ne iros al la festo! Ho, kia bedaŭro por via amikino el London, por Zefira.

ZEFIRA: Hu, Ivano ŝatas malkontentigi homojn, ĉu ne Ivano? Mi venis aeroplane por kun li danci, sed ne gravas. Baldaŭ mi trovos danckunulon. He, Julia, ĉu vi ne venos kun mi? Jes, kompreneble. Se nur vi konsentos.

JULIA: Ho, sed ĉu estus bone?

ZEFIRA: Nu, mi certe ne restos ĉi tie por flegi la malsanetan kapon de sinjoreto, kiu evidente ne bonhumoras. Aŭ eble vi, Julia, preferus lin flegi? Ĉu ne, nu, vi preferus...

IVANO: Zefira, vi estas terura.

ZEFIRA: Kial terura? Kaj mi vetas, ke Julia ne volas vin flegi. Venu, Julia, ĉu vi akompanos min al la festo?

JULIA: Mi tre ĝojus, Zefira, sed jam Hans promesis akompani min al la festo.

HANS (surprizite, sed tuj aplombe): Mi, ho, jes, kompreneble!

ZEFIRA (subite al Johano): Vi estas silentulo, Sinjoro. Kiel oni nomas vin. Ho jes, mi rememoras, Johano. Mi ŝatas tiun nomon.

JOHANO (iom konfuzite): Ĉarmita, tute.

ZEFIRA: Dankon. Mi ĉiam preferas esti senceremonia. Inter amikoj la ceremonio estas ridinda, ĉu ne? Ĉu ni estas ĉiuj pretaj?

HANS: Ĉu ni ne finu la bieron, antaŭ ol ni foriras. Jes, ĝi aŭ putriĝos aŭ forvaporos, se ni lasos ĝin kun Ivano. (Plenigas glasojn.) Ankaŭ vi trinkos, Ivano.

IVANO: Ne... dankon. (Sed li prenas glason de Hans.)

HANS: Je la festo, mi salutas. Geamikoj nun kunvenintaj, antaŭ ol ni foriros...

ZEFIRA: Se vi volas fari paroladon, vi devas esti prezidanto. Mi voĉdonas, ke... (gaje) Ivano estu la prezidanto.

IVANO: Estas sensencaĵo. Mi ne prezidos.

ZEFIRA: Kiel konsentemaj ni estas! Kia feliĉa rondo vi estas — ĉio en akordo — kion iu proponas, ĉiu alia faras. Sed eble estas la kapdoloro.

IVANO: Nu, mi havas kapdoloron. Tamen, ĉar estas necese havigi pacon, mi konsentas prezidi. Mi nun invitas al Sinjoro Hans preni la parolon, por festparoli.

HANS: Tro multe da pridiskuto. Mi forgesis, kion mi volis diri. Ni ĉiuj trinku. (Ĉiuj trinkas.)

IVANO (pli afable): Nu, Hans, faru vian eblon.

HANS (li deklamas la vortoj ofte fluas torente, kun haltetoj por pliigi la sarkasman kotopoan signifon): Sinjoro Prezidanto kaj geamikoj kunvenintaj! Hodiaŭ nokte ni festas, ĉar morgaŭ ni disiĝos. Hodiaŭ ni finis la Cseh-metodan studadon, morgaŭ ni scios nian sorton. Se ni ĉiuj ricevos diplomon, ni tuj disiĝos. Johano portos la Cseh-metodon al Ameriko, mi al Ĉinujo, kaj — kaj nia ŝatata prezidanto, Ivano, ĉirkaŭvojaĝos en Eŭropo. Sed disigitaj, ni restos ligitaj en la kara memoro, ligitaj de komuna celo. Per la Cseh-metodo Johano helpos al la usonanoj komprenigi sin al la angloj, kaj en Ĉinujo, se mi evitos la banditojn, mi komprenigos unu revolucian generalon al alia revolucia generalo, pere de la Cseh-metodo. Ivano restos en Eŭropo. (Paŭzeto.) Se mi konsideras la nacianojn de Eŭropo, mi dankas Dion, ke mi iros inter la banditojn. La afablaj, pacamaj kaj kortuŝitaj banditoj estas kvazaŭ infanoj kompare al la mildaj ŝafoj de Kristo en Eŭropo. (Paŭzeto.) En ĉi tiu kavo de leonoj Ivano iros kun la Cseh-metodo. Kaj ĉu ni povas havi pli bonan reprezentanton? (Tondre:) Ne, milfoje ne! Jen ni havas decideman homon. Jen, ni havas homon, kiu, antaŭ du enigmoj (paŭzeto) elektos aŭ unu aŭ la alian. Sed ni ne diru plu. Nur ĉi tion. Ke en Eŭropo oni faras bonan bieron. Kie la biero estas bona, tie estas espero. Mi prenos kun mi kelkajn barelojn al Ĉinujo por trinkigi la banditojn. Dumtempe, geamikoj, replenigu viajn glasojn kaj trinku je la sukceso de la Cseh-metoduloj, ke ili esperantigu la mondon en nia propra generacio. (Ĉiuj trinkas.)

JOHANO: Venu, Zefira, alie ni malfruos. (Ili iras al la pordo.)

HANS: Pripensu bone la enigmojn, Ivano.

IVANO (subvoĉe): Hundo. (Hans kaj Julia iras al la pordo.)

ZEFIRA (revenante antaŭ Ivano): Ĉu mi estas, do, enigma al vi. Nu, morgaŭ mi komprenigos min. Ĝis revido.

HANS, JOHANO kaj JULIA (nun preterirante la sojlon): Ĝis revido.

(La trio eliras.)

IVANO: Ĝis revido.

ZEFIRA (sin turnante en la pordokrado): Ivano, ĉu vi ne havas ion por diri al mi?

IVANO: Ĝis revido, Zefira.

ŽEFIRA (kun eta rido): Ĝis revido, Ivano. (Eliras.)

(Ivano, sola, malrapide sidiĝas.)
Kurteno.
Fino de Akto II.

## AKTO III.

(Scenejo kiel en Aktoj I. kaj II. Estas la sekvanta mateno. Johano kaj Hans ĵus finis matenmanĝon.)
(Eniras Greca.)

GRECA: Matenon.

HANS: Kie estas Ivano?

GRECA: Li iris al Londono.

JOHANO: Kiam? Li estas subitulo.

GRECA: Lastan nokton. Nelonge post vi li iris al la festo.

JOHANO: Bedaŭre, ke mi ne adiaŭis lin. Ankaŭ mi foriros hodiaŭ.

HANS: Ankaŭ mi. Surprize estas al mi, ke Ivano forkuris tiamaniere. Evidente, du virinoj samtempe...

GRECA: Sinjoro Hans, ne parolu tiel antaŭ mi. Kio eble estis saŭco por vi, ne estas por li. Kaj ŝparu ankaŭ viajn bedaŭrojn, Sinjoroj, ĉar nia amiko flugis aeroplane, kaj revenos ĉi-matene en sama maniero.

HANS: Hm. Prave, li estas persono plena de subiteco.

GRECA: Kaj ĉu vi aŭskultis la radion lastnokte? Ne? Do, por vi mi havas novaĵojn, por vi gajigajn sed ja ne por mi, ĉar mi perdos vian ĉeeston.

HANS: Ho ne, mi ne kredas tion, Greca. Ni ne povos forlasi vin por longa tempo. Johano foriros por kelkaj semajnoj, sed li revenos. Li absolute ne povus lasi la karan Grecan ĉi-maniere...

GRECA: Ne decas, ke vi parolu tiel al mi, jam edziniĝinta virino. Sed vi, Sinjoro Hans, ĉiam (estas la sama. Mi diras al vi, ke vi ĉiuj foriros, kiel estas tute prave kaj nature.

JOHANO: Klarigu, kara Greca, kio estas la novaĵo. Ni estis tre okupitaj lastnokte ĉe la festo. Ni aŭdis nenion. Ĉu mi gajnis diplomon? Ĉu oni por ĉiam rifuzis ĝin al Hans? Aŭ ĉu ni ambaŭ estas rifuzitaj...?

HANS (mokscivolege): Parolu, Greca! Ne tenu nin plu, longe en ĉi tiu netolerebla malcerteco. Tre certe, mi malsukcesis, sed diru, ke Johano, almenaŭ Johano, gajnis la rajtigilon ekiri la mondon por instrui la Cseh-metodon de poluso al poluso. Nur parolu, Greca.

GRECA (anoncante grandan surprizon): Vi ambaŭ sukcesis.

HANS: Neeble! (Sidiĝas.) Ho, nun mi devos labori. Anstataŭ pasigi la plezurajn horojn ĉi tie je patra elspezo, mi devos perŝviti la ĉiutagan panon en fremdaj landoj, enŝvitigi esperanton en la ostokapojn kaj unuvorte min ĝeni diversmaniere... ho!

GRECA: Kaj ne tro malfrue, junulo. Tro longe vi drinkis kaj mallaboremis ĉi tie. Ĉetere, iom da ĝenaĵo ne multe malutilos al vi. Kaj mi ne diris ĉion. Sinjoro Hans unue vojaĝos por propaganda serio de Cseh-metodaj kursoj en Brazilio, kaj estas kondiĉo, ke survoje al Sud-Ameriko, li trastudu la uzadon de la akuzativo.

HANS: La akuzativo! Kiel terure! Mi ĉiam malamis ĝin.

GRECA: Kaj Sinjoro Johano, li unue propagandos en Ĉinujo.

JOHANO: Mia fato estas sigelita. Mi edziĝos al Miss Ĉinujo.

GRECA: Eble Miss Ĉinujo havos alian fiŝon?

JOHANO: Ne forgesu informi nin pri Ivano. Kiel li sukcesis?

GRECA: Mi ne scias. Sinjoro Greca tiam volis aŭdi la sportajn aferojn.

HANS: Ha! Mi havas ideon.

JOHANO: Malofta afero, nu?

HANS: Mi scias, kial Ivano iris al Londono.

JOHANO: Kiel vi scias?

HANS: Sendube estas sekreta amafero. En Londono estas la tria.

JOHANO: La tria kio?

HANS: La tria amafero.



*Hago. Palaco de l' Paco*

# POEMOJ

— R. Swietoszewski —

## Nur ami . . .

Moto: „Nur ami kaj diri la vortojn de l' amo"
**(Maria Baŝkirceva)**

Nur ami kaj diri la vortojn de l' amo!
Nur ami kaj esti amata!
Nur diri kaj aŭdi la vortojn el flamo,
Ĉar koro je flamo malsata.
Nur diri kaj aŭdi la vortojn karesajn,
Subtilajn, velurajn, muzikajn,
La vortojn preĝantajn, silentajn, promesajn,
Sekretajn, misterajn, mistikajn.
Nur ami kaj diri la vortojn aromajn,
Kolorajn, delirajn, pasiajn,
La vortojn sentplenajn, elkorajn, nehomajn,
Dorlotajn, mielajn, radiajn;
La vortojn ĝisnune diritajn nenie,
Plenplenajn de rava emfazo,
Igantajn sin senti beate, ebrie,
En ia fabela ekstazo.
Nur ami kaj pri sia amo ripeti,
Kaj pri tuta mondo forgesi,
Nur ami — kaj plue nenion jam peti,
Nur ami — kaj tion konfesi!
Nur ami! la amon ensorbi, enspiri,
Nur amon inspiri kaj senti,
Oferi la amon kaj amon altiri,
Oferi sin mem, sakramenti.
Ĉar ĉio alia sur ter' kaj ĉielo —
Sensenca stultaĵo kaj vano,
Malvero, mensogo, fiaĵo, malbelo,
Fikcio kaj fatamorgano!
Krom amo nenio valoron posedas,
La vivo sen am' estas morto;
Nur am' unusola la koron obsedas,
Ĉar amo — feliĉo kaj forto.
Do — ami kaj sole pri Amo paroli!
Do — ami kaj tion konfesi!
Nur ardi kaj fajri, kaj bruli, kaj boli,
Nur ami kaj... kisi, karesi!

[Ĉi-supra versaĵo estis premiita per la »Natura Floro« en la XV-aj Internacia Floraj Ludoj, okazintaj en Vendrell 4. VI. 1933.]

## Poeto

Mi estas arkpafisto, miaj sagoj
Terenfaligas malproksimajn stelojn,
Mi rabas la trezorojn el ĉielo,
Devigas diojn mi al tributpago.

Mi estas ja miraklofara mago:
Mi povas ĉion transformi en belon,
La mondon ensorĉigi en fabelon,
La novan kosmon krei el imago.

Sur florbrodita, bluturkisa fono
Staras en suno, meze de l' tutmondo,
Mia brilanta, orumita trono.

Dolĉe karesas min mildaj kantondoj...
Ĉe mi pafarko, sagujo, kvieto...
Mi estas reĝo de l' reĝoj — poeto!

## Kanto de l' aglo

Mi estas aglo! kaj nenia
Sklavigos min insida forto;
Libera restos mi ĝis morto,
Malgraŭ la frapoj de la sorto.
Mi estas aglo — birdo dia!
Mi estas aglo! Jen sur roko
Troviĝas mia reĝa nesto,
Kiel la signo, la atesto
De la kuraĝo, de l' majesto —
Neatingebla ŝtona loko.
Mi estas aglo! En aero
Mi ŝvebas for de l' tera bruo,
Meze de l' fulmoj kaj la bluo,
Kaj vivas sola sen enuo
Kun miaj ĝojoj kaj suferoj.
Mi amas nur senliman spacon,
Nur montojn, nubojn, ventmurmuron;
Mi — fil' libera de l' Naturo,
Kiu dissemas nur teruron
Kaj malestimas vanan pacon.
Mi — malhumila, mi — fiera,
Mi — sensinjora, sendependa,
Mi — senamika, sed senplenda,
Mi — enviinda kaj legenda,
Mi — alimonda, alisfera!
Kaj mia reĝa apanaĝo
Estas senfunda ĉi ĉielo,
Najbaras min la sun' kaj steloj,
Limigas min naturfabelo,
Nur malrealo kaj miraĝo.
Mi estas aglo! mia forto
De l' dia pov' estas simbolo,
Ne konas barojn mia volo,
Ĉirkaŭos ĉiam aŭreolo
Min aglon — aglon ĝis la morto!...

---

GRECA: Mi rifuzas permesi, ke miaj oreloj vin aŭdu. Ĉiam vi metas fiaferon en la konversacion.

(Bruego. — Eniras Zefira.)

ZEFIRA: Pardonu min, Sinjorino Greca, sed ĉu estas vere, ke Ivano flugiris al Londono.

GRECA: Jes, certe jes.

ZEFIRA: Ho, kion li pensos pri mi? Kial mi ne parolis tuj?

HANS: Ha, li eltrovos sekretan amaferon!

ZEFIRA: Ha! Ha! Ha! Prava Hans. La kara Hans ĉiam estas tiel absolute prava.

HANS: Ĉu vi sciis, ke li havas trian en Londono?

ZEFIRA (surprizite): Trian? Neeble.

GRECA: Ho ne zorgu pri li. Li havas amaferojn sur la cerbo. Sinjoro Ivano reflugos al Arnhem ĉimatene, kaj eble revenos en iu ajn momento. (Eliras.)

ZEFIRA: Tio estas bona. Mi volis adiaŭi lin, antaŭ ol li foriros al Budapest.

ĈIUJ: Ĉu li iros al Budapest?

ZEFIRA: Komprenеble. Mi aŭdis la radion lasta-

nokte, kaj ke Ivano honore gajnis la diplomon de la Cseh-Instituto kaj tuj komencos propagandan vojaĝon en Hungarujo.

ZEFIRA: Ŝajnas, ke Hungarujo estus tro forta por mi.

HANS: Estos interesa loko por li. Nu, mi devos enpaki la akuzativojn kaj ek por Rio de Janeiro.

ZEFIRA (kante): Jen »Hans Ruliĝas Al Rio«. (Parole) Sed mi ja preferus veli al la sudaj maroj.

HANS: Kial al la sudaj maroj? Ha! Mi flaras ion.

ZEFIRA: Kiu estas aŭ estos en la sudaj maroj?

HANS: Mi flaras ion.

ZEFIRA: Eble estas la biero de la lasta.

JOHANO: Kompreneble Francis.

HANS: Sed Francis jam edziniĝis kaj mielmonatas inter la samoanoj. Feliĉa homo. (Iom ekstravagance) Haj, Zefira, ĉu vi konsentas mielmonati kun mi en Rio. Vere, mi nun edziĝproponas al vi. Ĉu vi akceptas min?

ZEFIRA (neserioze): Ho mia Hans. Kiel mi atendis ĉi tiun momenton. Kun mia tuta vivo mi akceptas la oferaĵon. Mia koro.

HANS (kiel fuĝanto): Pripensu la aferon dum kvaronhoro, mia kara. Dume, mi enpakos la akuzativojn kaj tiel plu. (Eliras Hans.)

JOHANO: Efektive, Zefira, ĉu vi estas sincera pri Hans? (Ŝi kapneas.) Se vi volas ŝanĝi la opinion, mi volas preni edzinon al Ŝanghajo.

ZEFIRA: Kies edzinon vi volas preni, Johano? Sincere, kara Johano, estas nur unu sola viro, kiun mi volas kiel edzon.

JOHANO: Evidente, tiu ne estas mi. Nu bone, fraŭle mi enpakigos la miajn kaj kviete forvojaĝos. Gis revido. (Eliras Johano.)

(Tuj eniras Greca kun taso da teo.)

GRECA: Jen, Fraŭlino Zefira, dum vi atendas la revenon de Ivano el Londono, eble vi ŝatos tason da teo. Kiel diris mia Greco, tio estas, mia edzo, lastan nokton, taso da teo...

ZEFIRA: Dankon por la taso da teo, sed ne parolu. Alie mi kriĉos. (Prenas la teon kaj ektrinketas.)

(Estas sonoro.)

GRECA: Estas la telefono. Ne, ĝi ja estas la stratpordo. (Eniras Julia, komence ne ekvidas Zefiran.)

JULIA: Ho Greca, ĉu Ivano jam estas for? (Vidas Zefiran.) Pardonu min, mi...

GRECA: Jes, Fraŭlino. Sendube vi atendos lin.

ZEFIRA: Jen venas Julia la poetino kun poemo sur la lipoj.

GRECA: Mi enportos alian tason da teo. (Eliras.)

ZEFIRA: Ĉu vere vi amas Ivanon? Jes, kompreneble, mi vidas, ke vi amas lin. Nu bone. Se li amas vin kaj ne min, li estu la via. Mi ne ŝatas la propraĵon de alia.

JULIA: Treege malfacile mi povas kompreni vin, Zefira.

ZEFIRA: Mi estas al vi amika. Sed kial Ivano ne rajtas elekti inter ni? Se li estas vere viro en la vera senco, li scios, kiun li amas.

JULIA: Sed al vi li sentas sin ligita.

ZEFIRA: Kaj se li estas viro, li rompos ĉi tiun ligitecon.

JULIA: Facile eble por vi, Zefira, sed Ivano estas viro, kiu honoras sian promesitan vorton.

ZEFIRA: Dankon por la komparo, Julia, sed vi min ne ofendas. Konsentite, ke mi kaj Ivano eble sentas malsame pri la rompebleco. Sed mi ne permesos, ke Ivano ŝanĝu nur pro facilanimeco.

JULIA: Vi permesas al vi opinii, ke Ivano nur ludas kun mi?

ZEFIRA: Mi pli bone konas lin ol tiel pensi. Sed ĉu li efektive konas sin? Mi certigas, ke ne. Se li rompas kun mi fianĉe, li poste rompos kun vi.

JULIA: Vi ne konas lin kiel mi konas lin.

ZEFIRA: Mi konas lin, kiel li diris, el la bankuvo. Ivano neniam konis sian propran naturon. Li ĉiam marŝis sur rozpaŝejo laŭ la gvido de lia patrino, bonega virino. Jam tridekjara, li apenaŭ iam faris por si gravan decidon. Je la unua ekflugo el la hejma nesto, li enamiĝas al la unuerenkontita virino, tio estas, al vi mem. Mi ne kritikas lian elekton, tamen vi *estas* la unuerenkontita. Romantike, sendube, sed ne tute la fundaĵo por ĉiama kunvivado, kio estas la edzeco.

JULIA: Terure mi sentas min, Zefira. Kion vi diras, tio efikas min, kvazaŭ vi estas diablino, kiu volas detrui mian amon. Sed vi ne povas, Zefira, ĉar mi vidas en Ivano pli ol vi iam vidis.

ZEFIRA: Kaj ni supozu, ke Ivano kviete forlasos min kaj kun vi edziĝas, ĉu lia konscienco restos trankvila? Mi konas lin ĝisfunde. Kiam ni lin renkontis lastnokte, li estis kvazaŭ en la infero.

JULIA: Mi komencas vidi, kion vi volas al mi komprenigi.

ZEFIRA: Jes, nu, daŭrigu.

JULIA: Vi volas diri, ke kun mi Ivano ne estos feliĉa. Ke kun mi li sian vivon fortranĉos de sia propra fundaĵo konsistanta plejparte el lia patrino kaj vi, kaj sendube de rondo de geamikoj, kiujn mi ne konas.

ZEFIRA: Forta viro povas ĉi tion forgesi, se lia animstato estas trankvila. Kaj se mi tion permesos, Ivano edzinigos vin, kaj fidelos al vi ĝismorte. Sed ĉu esti feliĉa en la vera senco, ĉu maturiĝi al plena homo? Pri tio mi dubas. Ne, mi ne dubas, mi estas certa, ke li ne estos vere feliĉa, kaj ne vere maturiĝos.

JULIA: Zefira, mi komencas kompreni, ke vi amas Ivanon. Kiam mi unue renkontis lin, ni tuj amikiĝis. Ni neniam estis geamantoj. Mi helpis lin, mi estis por li kiel distro kontraŭ la nostalgio. Proksimeco helpas al la amsento. Kaj tiel estis inter ni. Nur kiam vi venis lastnokte, mi komprenis, kiel multe mi amas lin ... sed mi vidas, ke ne povas esti. Mi devas rezigni... Li revenu al sia propra rondo, al kiu li kutimiĝis, kun kiu li maturiĝos, kaj fariĝos, kiel vi diras, plena homo, por fari sian devon en la vivo.



*Amsterdam* *St-Nikolao preĝejo*

ZEFIRA: Ĉu vi amas lin tiel, ke vi povas perdi lin...?

JULIA: Jes, tiel estas.

ZEFIRA: Pripensu bone, Julia. Mi avertas vin, ke mi ne kredas, ke vera amo tiel facile rezignas.

JULIA: Se mi rezignos, ĉu rezignos ankaŭ vi, ke li povu mem elekti inter ni?

ZEFIRA: Mi ne rezignas.

JULIA: Nek mi. Kaj mi diras al vi, ke mi volus, ke mi neniam estu vin aŭskultanta. Vi nur ridas je mi. Vi estas cinika, filistra junulino, kaj inter vi kaj mi povas esti nur milito. Ivano elektu inter ni.

(Eniras Greca kun taso da teo.)

GRECA: Jen teo por du.

JULIA: Trinku ĝin mem. (Fulmrapide foriras.)

ZEFIRA (petege): Julia, Julia, ne foriru tiel... Ho, kial ĉiu volas malkompreni.

GRECA: Mi esperas, ke vi kaj ŝi ne malamikiĝis.

ZEFIRA: Ho ne, ni nur militas pri Ivano. Ĉio estas permesebla en la amo kaj en la milito, tiel oni diras. Mi savas lin el falsa situacio.

GRECA: Vi scias, Fraŭlino Zefira, mi ne multe ŝatas tiun junulinon. Mia edzo, la kara Greco, diras, ke la poezio estas malsaĝaĵo...

ZEFIRA: Kaj Julia estas poetino, ĉu ne?

GRECA: Ŝi poemas kaj poemas kun Ivano ĝis naŭzo. Nu, ĉu mi forprenu la tason...

(Eniras Hans.)

HANS: Ne, donu ĝin al mi. (Prenas la tason kaj trinkas.)

(Greca eliras.)

HANS: Hallo, Zefira. Ĉu vi ne ŝanĝis la opinion? Ĉu vi venos kun mi al Rio? Mi volas edzinon.

ZEFIRA: Kvazaŭ por la vojaĝo? Ne, Hans, mi ne povas. Tamen, se vi volas edzinon, kial ne demandi Julian. Ne ĉio estas en ordo inter ŝi kaj Ivano, kaj eble ŝi decidos favore al vi, se vi agos tuj.

HANS: Ĉu vi ŝercas pri Julia kaj Ivano?

ZEFIRA: Mi absolute ne ŝercas.

HANS: Nu, mi revidos vin antaŭ ol forvojaĝi. Dumtempe, ĝis la revido. (Hans salte eliras.)

(Zefira, sola, sidiĝas momente kaj ordigas la vizaĝon antaŭ speguleto el la mansaketo.)

(Eniras kviete Francis.)

FRANCIS: Zefira.

ZEFIRA: Francis. (Ili tuj enbrakigas unu la alian kaj kisas pasie.)

ZEFIRA: Vi venis. Ĉu vi ankoraŭ amas min.

FRANCIS (ridete): Mi ne kisus vin alie. (Ili ree kisas.)

ZEFIRA: Sed mi estas virino. Ĉiam mi volas demandi kaj demandi, ĉu vi amas min, nur por aŭdi, kiel vi iel ŝanĝos la respondon.

FRANCIS: Malsaĝulino. (Iras denove kisi ŝin, sed ŝi evitas.)

ZEFIRA: Ne plua kisado nun. Mi demandas, ĉu vi iros al Samoa, aŭ ĉu ni iros al Rusujo.

FRANCIS: Al Rusujo, jes, jes, kaj jes. Nur esti kun vi, ni iru ĝis la mondfino.

ZEFIRA: Francis, mi ŝanĝis la opinion pri Rusujo. Mi preferos iri kun vi al Samoa. Mi nur volis provi vin, ĉu vi min amas.

FRANCIS: Konfesu, nu, ke vi venis al Arnhem nur por informi Ivanon pri nia geedziĝo. Ĉu via konscienco riproĉis vin?

ZEFIRO: Tute ne. Sed mi volis faciligi la konsciencon de la kara Ivano. Sendube mi fuŝis la aferon

## Alvoko

— Henri de Régnier —

Ke l' nokto estu dolĉa, necesas, ke la rozoj
de la ĝardeno, kiu ĝis al la dom' odoras,
tra la fenestr' aperta al ĉi odoro-dozoj
parfumu mole l' ombron, kie nin mut' favoras.

Ke l' nokto estu bela, necesas la silento
de la kampar' obskura kaj de l' ĉiel' stelplena.
Kaj ke ni ambaŭ aŭdu en muto kaj atento
niajn pensojn rediritajn per voĉo vorto-sena.

Ke l' nokto estu bela, kaj dolĉa kaj di-forta,
ne estos ja sufiĉaj silento kaj la floroj,
nek la ĝardeno nokta, nek la rozar' eskorta,
nek tero, kiu dormas sen paŝoj kaj rumoroj.

Ĉar sole vi kapablas, bela Amo, se vi l' korojn
favoras, kiujn ĝuo brulstampis per sigelo,
sekrete pridonaci ĉi perfektegajn horojn
per grava, kaj profunda, kaj plej supera Belo.

El la fraca: *Lali Blond.*

---

iomete. Sed, la kara Ivano, sensperta knabo, ankoraŭ sentas sin ligita.

FRANCIS: Kaj certe vi jam informis lin.

ZEFIRA: Ho ne. Li estis malfacila. Li ne povis esti tute honesta al mi, kaj sekve li ne povis esti tute en ordo kun Julia. Ŝi nun imagas, ke mi estas ŝia malamiko, kiu ŝi almilitas por la korpo de Ivano.

FRANCIS: Sed, Zefira, ĉu vi ne kaŭzis al ŝi doloron. Julia ne estas kiel vi, iom hardita de la mondo.

ZEFIRA: Jes, vi estas prava, Francis. Tamen, ankaŭ mi estas prava. Mi vetas, ke Hans revenigos ŝin ĉi tien.

(Bruego. — Eniras Ivano.)

IVANO (seriozege): Zefira, vi ludis kun mi. Mi ĵus eksciis de la patrino, ke vi estas la edzino de viro, kies nomon ŝi ne scias. Kiel vi povis tiel trompi min? Kial vi ne informis min? Kaj nun Julia estas for. Ŝi ĵus forlasis sian loĝejon en aŭto, por iri al la flugejo kaj de tie aeroplani al Budapest. Kial vi ne informis min, kial mi ne sciis, ke mi estas libera?

ZEFIRA: Tio estus tro facila por vi, Ivano. Vi amis Julian, sed vi ne informis min, ke mi sciu, ke mi estas libera. Kaj ankaŭ, kiel mi sciu, ke tio ne estas nur pasanta amafero, kiu forbloviĝos. Nun vi povas, se vi volas, repreni la falsan paŝon kaj resti fraŭlo.

IVANO: Kiu estas la viro, hundaĉo, al kiu vi vin edzinigis?

FRANCIS: Estas mi, kara Ivano. Mi amis Zefiran dum longa tempo, sed vojaĝis por ŝin iel forgesi. Antaŭ kelkaj semajnoj ŝi konfidis al mi, ke plu ŝi ne amas vin, kaj ke, efektive, ŝia amo ĉiam estis nur bankuva afero, kaj mi tuj deklaris mian amon. Ni sekrete tuj geedziĝis, sekrete nur pro romantikeco. Pro la trompo, pardonu min, mi petas. Amo kaj devo ŝajne kontraŭiris, kaj la amo gajnis.

ZEFIRA: Pardonu min, Ivano, ankaŭ mi petas. Sed la afero urĝas. Hans serĉas edzinon, kaj li iris por edziĝproponi al Julia kaj eble en sia nuna animstato ŝi akceptos lin kiel elirvojon kaj foriros kun li al Brazilio.

IVANO: Mi batos al li la nazon, impertinentulo. Li sin proponas al ĉiu virino renkontita, nur kun la celo...

(Bruego, eniras Hans tirante post si Julian.)

# Familia katastrofo

— Klara Maltinsky —

Vaska jam estis tedata de la vilaĝa vivo, ekdeziris translogiĝi al Moskvo.

Ĉar tiu ĉi urbo estas — kiel ĉiu scias — kultura centro, kaj Vaska (ankaŭ tion ĉiu scias) estas kulturhomo. Li, ekzemple, tre ŝatas la muzikon, precipe se tiu aperas en la sonoj de harmoniko, kaj li tre ŝatas ankaŭ altflugajn filozofiadojn apud glaseto da »vodka,« en societo de similaj kulturhomoj.

Tamen Moskvo ne nur pro sia kulturo estis bezonata al Vaska.

Verdire, ne nur li estis tedata de la vilaĝo, sed ankaŭ la vilaĝo estis tedata de li. Ĉar Vaska ŝatis la kulturon, sed la laboron ne. Pro tio, en regulaj intertempoj li ricevis kaj perdis postenojn, ĝis kiam tute disvastiĝis lia misfamo kaj li ne trovis plu laboron.

La afero iĝis serioza, ĉar, malgraŭ sia juneco, li, krom si mem, devis zorgi ankaŭ pri edzino kaj infano.

Pro tio, Vaska ege elcerbumis, kien iri, kaj la rezulto estis Moskvo. Tie vivas la plej multaj homoj, do plej granda espero estas ne rimarkiĝi. Vaska ja estis modestulo kaj ne volonte tiris la atenton al sia malgrava persono.

Li skribis al Moskvo leteron al konata oficejo, kaj proponis sian helpon por »konstrui tie la socialismon.«

Ĉar la famo de Vaska ankoraŭ ne atingis la centron, kaj tie oni ĝenerale konstante bezonis konstruajn laboristojn, venis favora respondo.

Ne nur laboron sed eĉ ĉambron oni certigis al li en barako.

Vaska do pakis siajn aĵojn (ili ne estis multaj) pakis la edzinon kaj infanon, pakis la amatan harmonikon kaj transloĝiĝis.

Ĝis tio estas ĉio en ordo. La malfeliĉo komenciĝis nur kiam lia edzino, Klavka, ekamikiĝis kun la najbarinoj.

En la barako loĝis senescepte konstrulaboristoj kun siaj familioj, kaj Klavka devis tro baldaŭ aŭskulti diversajn onidirojn pri la malzorga kaj maldiligenta laboro de ŝia edzo.

Vere al tio ŝi sufiĉe alkutimiĝis jam hejme. Nur tiam estis ankoraŭ konsole, ke ĉiu sciis: Vaska estas malbona laboristo, sed tre bone li ludas harmonikon, kaj ĝenerale estas tre kultura homo.

Sed ĉi tie la laboristoj havis propran blovorkestron kaj literaturan angulon, kie Vaska eĉ ne rimarkiĝis.

Sufiĉu diri, ke Klavka komencis, pro la societo de la najbarinoj, ne rigardi plu sian edzon kvazaŭ dion.

Proporcie al tio, ŝi komencis iam — iam eklevi sian kapon, tro malfermi la buŝon, kaj agi, kvazaŭ ankaŭ ŝi estus homo.

Vaska unue rimarkis la ŝanĝiĝon, kiam Klavka anstataŭ kunligi sian kaptukon sub la mentono — kiel ŝi kutimis en la vilaĝo, — ekligis ĝin malantaŭe, sur la nuko.

Poste daŭriĝis la afero per tio, ke kiam la edzo vespere hejmenvenis malsate, anstataŭ tagmanĝo li trovis papereton: »mi iris en kunvenon de la patrinoj« aŭ »hodiaŭ mi estas sendita por kontroli la purecon de la laborista manĝejo« ktp.

Unue Vaska toleris kaj per diversaj rimedoj klopodis rekonduki la edzinon sur la ĝustan vojon.

Sed foje, kiam li denove devis enlitiĝi sen tagmanĝo kaj sen edzino, lin ekkaptis kolero. Apenaŭ li povis ĝisatendi, ke ekaŭdiĝu la krakado de ŝlosilo en la seruro; tiam li eksaltis el la lito, stariĝis apud la pordo, kaj kiam la edzino envenis kun serena vizaĝo de senpeka infano, — Vaska ekkaptis ŝin ĉe la brako kaj levis la manon.

Sed antaŭ ol li sukcesis bati, la virino repuŝis lin ĝis la muro kaj komencis tiom brui, kriaĉi, ke Vaska simple perdis la voĉon pro la subita surprizo.

Klavka, kiu hejme ĉiam tiel silente kaj timeme akceptis liajn edzajn batojn, kvazaŭ esprimojn de vireca forto! Nun, tute freneziĝinte ŝi furiozas kaj eĉ minacas lin per plendo al la juĝejo.

Precipe tiu ĉi lasta influis lin treege, ĉar Vaska ja ne estis tute sen peketoj. Li ne kuraĝis tuŝi la edzinon, nur la manon li svingadis minace kaj timige.

— Vi, vi aĉulino! Vi volas kun mi ekbatali? Per unu fingro mi povus vin disŝmiri kiel vermon! Feliĉe al vi, ke mi ne volas per via tuŝo malpurigi la manon. Sed mi vin punos! De la hodiaŭa tago ni ne estas geedzoj. Mi ne vivos plu kun tia malkulturulino! Ni vidu, kiel vi povos vin vivteni sen mi!

— Bone! Ni vidos! Mi ne malsatmortos! Tiom

---

JULIA (al Ivano): Diru al mi la veron, Ivano. Diru, ke vi ne trompis min. Hans diras, ke vi jam edziĝis al Zefira.

IVANO: Hans estas, kiel ĉiam, terura malsaĝulo. Zefira kaj Francis estas mielmonatuloj, kiuj iros, oni supozas, kune al Samoa.

JULIA: Ĉu vere? Ho mi ne komprenas. (Sidiĝas subite.)

(Telefono sonoras. Hans respondas. Dum lia parolo, Ivano senbrue aperas por klarigi ion kaj certigi Julian.)

HANS (ĉe telefono): Jes, estas... Ĉu estas vi, Johano (laŭte al ĉiuj) Estas Johano. ... Ho, vi havas novaĵon... ho... hoho... Vi tion diras... Kaj vi estas mia amiko... Ĉi tio kostas al vi kare, kunulo... jes, almenaŭ du botelojn de la plej bona biero... hej atendu momenton... Francis kaj Zefira geedziĝis kaj iras al Samoa. Kio? Jes, ĝojkrioj kaj aliaj sonoj de ega gajeco. Kio?... Ho, Ivano kaj Julia? Ivano estas stultulo... Vidos vin poste. Ĝis... (Rependigas la aŭdilon.) Nu, ĉu vi scias... tiu malbenita hundo Johano sin proponis al la sekretariino de iu esperanta klubo kaj ŝi akceptis lin. Kaj estis *mi*, kiu unue konatigis ilin. Malpura hundaĉo! Kio estas la devo?

ZEFIRA: Konsilo por vi! Iru al Utah! Mormoniĝu.

HANS: Mi scias pli bonan. Ni ĉiuj iru por informi Grecan. Ŝi donos tason da teo. (Flustre) Venu, Zefira kaj Francis. Ni lasu ilin al la devo.

(La trio ŝtele foriras.)

(Ivano kaj Julia stariĝas.)

IVANO (prenante ŝian manon): Permesu, ke mi klarigu...

JULIA: Tion faru, se vi sentas, ke estas devo.

IVANO (prenante ŝin al si): Devo nun 'for, la amo gajnis. Multe la dev', senfine pli la Amo. Kaj tiel estu inter ni, dum ni vivas. (Ili kisas.)

Kurteno.

da bonaĵoj, kiom mi ricevis de vi, ĉiam mi povos akiri al mi.

Sed eldiri la eksedziĝon estis pli facile, ol ĝin plenumi.

Pri la oficialaĵoj ne estis multaj malfacilaĵoj, ĉar ili ja ne estis registritaj. Pli malfacile estis pri la fakto mem.

Vaska kaj Klavka posedis nur unu malgrandan ĉambreton, kaj pro la granda loĝejkrizo nenian esperon ili havis ricevi alian. Krom tio, eĉ lito ĉe ili estis nur unu.

Tio diversajn naskis komplikaĵojn. Unue, neniu el ili povis eĉ pensi pri tio, preni al si alian vivkunulon. Precipe al Vaska tio estis malagrabla, ĉar mankis, kiu lavus, riparus vestaĵojn kaj kuirus por li.

Iun tagon, kiam Klavka malfruvespere hejmenvenis, ŝi kunfrapis la manojn pro la miro. Kion ŝi vidis?

Vaska staris apud la granda lavujo, kaj ambicie lavis siajn vestaĵojn.

— Hehehe! Bone estas al vi! Estis oportune, ĉu ne, ekspluati la edzinon por tiaj aferoj? Kaj gravmienaĉe diradi: la virinoj vivas kiel la fiŝoj en la akvo, neniom ili laboras.

— Virinaĉo! fermu vian buŝon! — interrompis memestime Vaska.

— Fermu vi! Al viroj ja ne decas multa parolo. Plie agado! Mi miras nur ke vi ne hontas elekti al vi ĝuste tian laborkampon, kia tute ne konvenas al la vira fiereco.

Vaska vere estis pli lerta en la agado ol per la buŝo. Sed bati fremdan virinon ne permesas ja la moralo.

Alifoje denove kun kudrilo en la mano surprizis lin la terura homino kaj la mokoj denove ne mankis.

Ŝi, kontraŭe, vivis bone. Enskribiĝis kiel kuirista lernantino en la fabrika manĝejo. Tie ŝi nutraĉis sin bone, dum Vaska, manke de hejma kuiristino, vivis el seka pano kaj salita fiŝo. Pro sia malbona laborkonduto li ne kuraĝis iri en la manĝejon inter la kamaradojn.

Iun vesperon, kiam Vaska ĝuste enploris siajn ĝemojn en la sonojn de la harmoniko, venas la virino kiel uragano. Kun si ŝi alportas la infanon, kiun ŝi kutime restigadis, dum tempo de sia laboro, en la infanhejmo.

La knabeto ne respektis la muzikon kaj faris tian bruon, ke Vaska ne nur la delikatajn sonojn de la harmoniko ne komprenis, sed eĉ sian propran voĉon.

— Diablo prenu! Kial kriaĉas tiu infano?

— Kriaĉas, nu certe kriaĉas! ĉar nenion ĝi ricevis manĝi.

— Kial do vi ne suĉigas ĝin?

— Suĉigu vi, se al vi ne plaĉas. Ja nun estas egaleco inter viroj kaj virinoj. Unu tagon vi, alian mi! Laŭvice!

Vaska gape malfermis la okulojn.

— Virinaĉo! Vi tute freneziĝis!

— Mi freneziĝis? Sed, pri la alimentoj, kiu forgesis, he? Se vi jam estas tiom sentaŭga, ke eĉ infanon vi ne povas nutri, almenaŭ vi devas al mi pagi alimentojn. Sed nepre!

— Kial mi pagu alimentojn? Al vi ja neniom kostas la infano.

— Kaj ĉu mia lakto estas senpaga? Iru al la marĉandejo kaj interesiĝu, kiom prenas la laktistinoj por iliaj blankaj akvetoj. La mia almenaŭ ne estas falsita.

Vaska ekĝemis kaj ĉion konsentis, alimentojn, pagojn, helpon, nur estu silento.

Sed plenumi sian vorton jam estis pli malfacile. Vaska ricevis tre malmulte da mono en la manon. Unue, ĉar li tre ofte restis hejme per ia preteksto kaj ne iris labori: »Hodiaŭ mia dento doloras« »Morgaŭ estos la entombiĝo de mia plej kara onklino« ktp. Certe li neniam povis dokumenti siajn mensogojn kaj oni senpardone forprenadis el lia salajro la nelaboritajn tagojn.

Li, entute, ne ricevis multon kaj, krom tio, ofte oni ankaŭ monpunadis lin pro lia malzorga laboro.

Sed tio finiĝis nun. Vaska decidis fariĝi la unua inter la laboristoj por montri al tiu ĉi malbenita virinaĉo, kian edzon ŝi perdis.

La unuan tagon li jam ricevis laŭdon de la majstro kaj, ĉe salajrotago, plenan salajron. Je la sama vespero Vaska, kun fiera gesto, jetis sur la tablon la alimentojn.

Post unu monato Vaskan oni faris gvidanto de laborbrigado, kaj duobligis lian salajron.

Li ankaŭ duobligis la alimentojn.

— Mi volas, ke vi nutru pli bone la infanon!

Kaj intence tiel li malfermis la monujon, ke Klavka vidu, kiom kuŝas tie ankoraŭ bankbiletoj.

Tamen, Klavka silentis.

Iun vesperon, Vaska alportis kun si misteran pakaĵeton. La edzino ne estis hejme. Li ankoraŭfoje traplezuris la rigardadon de la aĵoj. Nova paro da elegantaj brunaj ŝuoj, kaj bela, lana vestaĵo. Kiel premion oni donacis ilin al li en la fabriko. Al tio ankoraŭ belajn gamaŝojn, silkan ŝtrumpon kaj novan ĉapon li aĉetis el propra mono.

Sekvis ĝuste ripoztago. Ili ambaŭ intencis ĝin pasigi en la klubo.

Klavka prenis sian novan plisigitan jupon, silkajn ŝtrumpojn, belajn ŝuojn, silkan bluzon kaj per ruĝa tuko gracie ŝi ligis la kapon. Poste ŝi sidiĝis por nutri la infanon.

Nun estis la momento, kiam nenien ŝi povis foriri kaj devis nepre rigardi la mirindaĵon.

Vaska kun patosa gesto eltiris sian kofron el sub la lito kaj kun suferiga malrapideco komencis sin vesti.

Kiam li, kombita, kravatita, ekstaris antaŭ la spegulo, li konvinkiĝis, ke al li same ne eblas kontraŭstari, kiel al la juna inĝeniero Jegorov.

Klavka silentis, kvazaŭ nenion ŝi rimarkus kaj finfine li ne povis sin reteni de la demando:

— Bona kostumo, ĉu ne? Eĉ por edziĝo ĝi taŭgus?

— Ĉu vi volas edziĝi — demadis Klavka iomete ektimiĝinte.

— Nu, kial do ne? Enue finfine vivi ĉiam sola.

Post du tagoj kiam Vaska malfrue vespere hejmen venis, granda malordo lin atendis en la ĉambro. Lia edzino kun granda rapideco jetadis aĵojn en diversajn kofrojn kaj skatolojn. Ŝiaj okuloj estis ruĝaj: ŝiaj vangoj, ŝvelintaj.

— Kion vi faras ĉi tie?

— Mi pakas miajn aĵojn. Mi foriros.

— Kien vi volas foriri?

— Mi ricevis ĉambron en tiu nova domo.

La koro de Vaska kunpremiĝis. Ankaŭ en la gorĝo sufokis lin io.

— Ĉu... ĉu... ĉu vere foriri vi volas?

— Nu certe! Vi ja volas edziĝi!

Vaska simple nenion povis respondi.

# LA ANĜELO

— Mihály Babits —

La Tero estis ankoraŭ dezerta kaj malplena, la jaroj enombrite ruliĝadis en la granda universo. Azaziel staris sur la supro de bruna terfaldo. Ĉi tie apenaŭ vidiĝis plantoj de proksime, nur ŝlimo, ĉie ŝlimo. Ankaŭ la hararo de Azaziel estis ŝlima, kaj liaj flugiloj kvazaŭ kuŝiĝintaj en la koto. Kaj vere, tra arbaro li stumbletis, antaŭ ol li venis sur tiun ĉi dezerton; branĉo kroĉkaptis lian flugilon kaj, kiam li elŝiris sin, li falis. Kun siaj malevoluintaj, stumpiĝintaj flugiloj, kun siaj piedoj nekutimiĝintaj al irado, la giganta anĝelo estis sur la tero eĉ multe pli mallerta ol la homoj.

Nun, en ĉi tiu pluvo, en malbelaj, malpuraj gutoj fluis la koto, de lia hararo al la frunto kaj de la flugiloj sur la blankan vestaĵon. Lia frunto estis ankoraŭ la granda, larĝa, alten levata anĝelfrunto, sed ho Dio, ĝi estis falta kaj jam ne brilis plu. Ankaŭ lia vestaĵo estis jam nur nome blanka: ĝi estis malpura kaj ĉifita, malsupre eĉ ŝirita. Ĝis genuo nude malsekiĝis liaj grandaj tendenaj kruroj: turmentitajn, tuberajn fingrojn dividis la rimenoj de la sandalo.

Li rigardis la ĉielon. De longaj tagoj kaj noktoj falegis la monotona pluvego, ĝi iĝis griza maro, ne estis transvidebla la inundinta fluo. La anĝelo horore pensis pri la nedivenebla intenco de Dio.

Li rigardis la ĉielon. Ho, se ankoraŭ unufoje li povus, kiel iam, flugi supren, trans la nubojn, en la puran kaj senfinan malplenon! Ho, se ankoraŭ unufoje li povus iĝi nura animo kaj libere li povus disvastiĝi en la ĉio! Li malamis ĉi tiun mallertan, makulitan korpon, kiun li survestis, de kiu nun jam li ne povas liberiĝi. Ĉar lin kreis la Sinjoro ne por tio, ke li stumbletu ĉi tie en la koto.

Venis en lian kapon, kun kia volupto li survestis jam ĉi tiun maltaŭgan korpon. Ĉiu movo, mil etaj kaj nekontroleblaj sentoj de la muskoloj, ĉiu tuŝo, la ĉiama tuŝo kaj frotado de la vestaĵo sur la haŭto, la premo de la tero sub la plandoj, la pezo de la lumo sur la okuloj, se aero frapetis lian vizaĝon, la sekreta feliĉo de la spirado: ĉio estis nova plezuro por li, nova aventuro, malkovro. Tien-reen li promenigis la manon, nur por ke li sentu la batadon de l' aero sur liaj poroj, kun la lango li esploradis en sia buŝo, kaj ĉiun siandenton li palpadis aparte, amuzis lin, ke tenante lian fingron antaŭ lumo li vidas ĝin duoble. Ĉar ĉiuj liaj propraĵoj estis freŝaj, li estis kiel la knabo; kaj same li ĝuis tiun ĉi korpan eston. Kiom li ŝanĝiĝis de tiam! Ĉiuj ĉi etaj sentoj nun estas por li tedaj kaj ĝenaj, kvazaŭ samtiom da katenoj.

En tiaj pensoj staris tie la anĝelo Azaziel suferanta pro l' korpo. Kaj kvazaŭ jam de eterno li starus samloke: tiel li sentis nun la mallongajn minutojn, li, kiu sammomente kreiĝis kun la eterna Tempo kaj kies iama vivo facile traflugis miljarojn. Kio estis tiam unu jarmilo? Nun li jam sentis: la turmento de l' korpo estas la turmento de l' atendado, pro kiu la tempo etendiĝas en la senfinon kiel serpento; ĉiam celo, ĉiam volo, ĉiu minuto estas nur provizora, ĉiu minuto atendas la sekvantan; nenie unu trankvila, *vera* momento, en kiu l' animo povus sin ankri, por ke ĝi povu libere eksalti al siaj hejmaj altoj...

— Selah! Selah! Arfaksad!

La anĝelo faris funelon el la manoj kaj vokis la pramistojn. Kiel malsekiĝintaj birdoj, blindaj de pluvo, frapiĝis liaj vortoj al la ŝlim-montetoj. Eĉ lia voĉo ne plu estis la malnova anĝelvoĉo!

Kaj kiel falegis la pluvo! Monotone, malrapide, ne fin-konjekteble. Azaziel sentis malsekiĝi la vestaĵon, peziĝi la flugilojn pro l' akvo. Senfina amaro kaj kolero lin trakuris, ke li devas atendi! Varma sangondo frapis en lian vizaĝon. Li plandfrapis; obtuze frapsonis lia granda piedo sur la moliĝinta tero.

— Arfaksad!... Selah!... Malbenitoj!...

Estis profunda silento, nur la milkorda harpo de l' pluvego sonis en la senfina spaco kaj de malproksime aŭdiĝis ploranta blekego de ia nekonata grandega besto. La anĝelo ekiris malsupren al la kota rivero, sur la vojo, kiun li iradis dum malgajaj varmaj vesperoj kun la filino de homo; kaj poste jam sola, serĉante liberon en la solo (sed ankaŭ tiam, ve, flirtanta kul-kolono gluiĝis al li, iris kun li, kun mil koleraj pinĉoj incitis lian korpon, ĝenis liajn pensojn... tiam kuloj, nun la pluvogutoj...). Li iris, iris malsupren al la bordo, li pensis pri siaj filoj, al kiuj li klopodis iri.

Kaj subite ĉe la kurbiĝo etendiĝis antaŭ li la tuta panoramo. Kie jam estas ĉi tie la pramistoj?! Eĉ spuro ne vidiĝis de l' kabano, la griza maro kovris la tutan horizonton; Arfaksad kaj Selah neniam plu venos antaŭ lin kiel morozaj, senharaj hundoj, humile, kun la mallerta ŝovelilo... Inundo! inundo! Kunpremiĝis la koro de Azaziel, ĉar li havis ankoraŭ anĝelan koron, li tuŝiĝis de ĉiu homa malfeliĉo. Li restis staranta ĉe la bordo kaj senvoĉe rigardis la vibrantajn kaj saltantajn cirklojn, kiujn la pluvego faris sur la senfina rivero. Ho ve! kio estas la intenco de l' Ĉielo?

Strangformaj grandaj malhelaj birdoj flugis malalte super la akvo. Ili forviŝiĝis trans la kadro de l' pluvo. Pli malproksime, grandega krokodilspeca estaĵo grimpis supren en la ŝlimo. Dezerta pejzaĝo ĝi estis jam tute! Azaziel pensis pri siaj filoj. Li jam preskaŭ vidis la senmezurajn flugantajn drakojn, la pigrajn, grandajn rostrulojn, la grandegan dentegon, la pendantan haŭton: kiuj ĉi tie eknestos; kontraŭ kiuj liaj filoj devos ekbatali. Fiere li imagis en batalo siajn filojn, la gigantojn...

La pluvego nur punktetis la akvojn; senkonsole

---

— Sed... sed... vi, Klavka... la infanon vi volas kunpreni?

— Nu certe! Kion mi faru? — ŝi respondis kolere kaj daŭrigis la pakadon.

— Sed... sed... vi, Klavka... mi tre bedaŭras la infanon.

— Kaj min vi ne bedaŭras, ĉu ne! Vi aĉulo! Mi ne estis sufiĉe bona edzino al vi?! — ŝi kriis.

— Mi ja bedaŭras ankaŭ vin.

— Nu jes! Bedaŭras! Kaj volas denove edziĝi.

— Sed Klavka, vi min ne komprenas. Ĉu vi scias, kiun mi volas edzinigi? Mi volas vin ... vin edzinigi.

Kaj li premis tian sonoran kison sur la miregan rondan vizaĝon de Klavka, ke la najbarino en la alia ĉambro, ekaŭdinte la strangan sonon, rapide kuris en la kuirejon. Ŝi pensis, ke la kato depuŝis poton de la tablo.

La postan tagon Vaska kaj Klavka, ĉiu en sia nova eleganta vestaĵo, ekiris geedziĝi.

Sed ĉifoje ĉe la matrikulejo.

etendiĝis la granda, griza maro; sed Azaziel ne emis reiri. Li pensis pri sia edzino, pri *la filino de homo*... pri ŝiaj etanimaj riproĉoj, kapricoj, kun kiuj ŝi atendas lin hejme, en la granda grizo. Ĉu li reiru? Ho, kiel aĉa estas ĉi tiu vivo! Estas belaj la filinoj de homo, iliaj okuloj estas mildaj, kiel krepusko de planedo, sur iliaj lipoj logas la ruĝo de l' vivo.

Sed ilia animo estas nana kaj egoista. Ne la animo estas granda en ili, sed la vivo... parto el la vivo de Dio, kiun Li spiris en Evan en la sesa tago... fajrero el la eterna, varma, vegeta vivo... Tiu ĉi vivo logis la anĝelojn, kiam *la filoj de Dio vidis la filinojn de l' homo, ke ili estas belaj kaj prenis al si edzinojn el inter tiuj, kiujn ili ŝatis*... Tiu ĉi vivo logis ankaŭ lin — ĉar la anĝeloj ne havas vivon, ĉar ili estas puraj animoj; kaj ili ekdeziris la varman, korpan vivon. Kaj ili prenis al si korpon kaj edzinojn...

Azaziel forgesis sian vojon, la pluvegon, la malaperintajn pramistojn... Li pensis pri la beleco de Abolibah, kiam ŝi atendis lin, sian ĉielan amaton, kiu brilegis kaj aspiregis en misteraj sopiroj sur la alta promontoro de l' bordo. Li pensis pri si mem, pri la tempo, kiam la unuan fojon li descendis sur tiun ĉi teron, plena de amo kaj ŝato al la filoj kaj filinoj de l' homoj, preta enkarcerigi sin por ili sur tiu ĉi malgranda stelo, preta suferi la amaran morton, portante donacojn kaj oferon al la tuta mondo, ankoraŭ kun anĝela menso, anĝela sento! Karesan esperon li portis al ĉi tiu stranga raso, kiu naskiĝis el tero kaj Dio. Ho, se kun la profunda kaj varma vivo, kiu doniĝis al la homo, ligiĝus anĝela Forto kaj Saĝo — kio ankoraŭ povus iĝi la filo de homo!

Kaj nun li rememoris pri Abolibah, kiu krucigis la vojon de siaj planoj — ne pro malboneco, nur pro etanimeco. Kiu retenis lian kompatan manon, etendatan al la homoj, kiuj detranĉis la flugilojn de lia saĝo... Ĉar ĉiu minuto, en kiu lia spirito flugis for, estis malfidelo kontraŭ la Korpo kaj Virino; ĉiu donaco, kiun li donis al aliulo, ŝin malprofitigis, ŝin kaj ŝiajn infanojn. Kaj — bela estis Abolibah, tiel bela, ke pro ŝi li vidis nenion el la mondo, kiam ŝi stariĝis antaŭ lin. Ankoraŭ nun ŝi estas bela, ĉar malfacile povis venki la Tempo la virinojn de tiu praepoko. Tamen ŝi velkis malrapide, kiel la rozo.

La odoro de tiu ĉi velkado plenigis la domon, plenigis la koron de Azaziel. La disipitaj jaroj vice, kun moko adiaŭis la anĝelon, kiu iĝis homo. Kiom li esperis fari per anĝelforto en homvivo! Kaj kion li faris? Virinajn disputojn li pacigis hejme per la vortoj de sia boneco, siajn ŝafojn li kalkuladis vespere, kaj kontrolis siajn ŝafistojn kaj ŝafarmastrojn, defendis la limojn de siaj bienoj kontraŭ la najbaroj, tage priatentis la kampan laboron aŭ riproĉis siajn senbridajn filojn. Tiel pasis lia tuta vivo: ĉiam celo, ĉiam ilo: kaj ĉiam por la morgaŭo restis *tio*, pro kio ĉio ĉi estis inda...

Kaj liaj filoj — la senbridaj knaboj — grandiĝis...

Nakhor kaj Haran... Jam sciis Azaziel, ke ili estas tiuj, ke ili estas tiu granda Morgaŭo, al kiuj ĉio herediĝis, de kiuj oni povas atendi ĉion. Li jam sciis, ke li mem estis nur ilo, lia tuta vivo, lia homeco estas nur ilo; la homeco de l' anĝelo, lia homa amo estis nur por doni ĉielan forton al ĉi tiu tera raso — el kiu eksveltis tiuj ĉi du gigantaj filoj. Ĉar ne ordinaraj hominfanoj ili estas, sed ĉiela forto ribelas kaj fajras en ili... Kaj ili portas la donacon de l' anĝelo al la filoj de l' homo...

# Poemoj

— Saint-Jules Zee —

## Folioj falas

Floras purpuro de krepusko.
Surbranĉe sekfolioj
tremas en sunradioj.
Odor' sentiĝas de la musko.
La somervesto en ĉifono
faleme pendas,
spirĝeme plendas
kontraŭ la morna ĉielfono:
ĉar venis jam la velksezono.

Tuj sonos la vespera horo.
Laŭ sabla voj' ĝardena,
silenta, revoplena,
promenas mi kun peza koro.
Dance, balance en rebrilo
falas foli',
jen du, jen pli,
pieden de plektobarilo,
kie plorkantas sola grilo.

Kaj korvoj inter nudaj arboj
grake aeron ŝiras,
kaj rekviemon diras.
Disfluas nun la lumogarboj.
La foliajo sur la tero,
nebulmemore
kaj dik-tavole
dormas kun sonĝ' pri l' suka ŝvelo
sub tuberoza arba ŝelo.

## Aŭtuna meditado

Falis petaloj lastaj de l' somera krono.
La suno mildokula dronas en medit'.
Tie, ĉi tie pala rozo el sezono
flagretas kiel ombro de malforta rid'.

Mallaŭte, ho mallaŭte, mia kor' batanta!
konvenas nur lulkanto de l' velkinta ĝoj'.
Sed ne bedaŭru, estas ja plezur' konstanta
korfloron trovi sur la reirata voj'.

Kiam biera ŝaŭm' forflugis en vaporo,
en la pokalo ore brilas eliksir'.
Feliĉo glitas for, plu vivas la memoro,
kaj vivas eĉ pli vive l' amo sen dezir'.

Kiel surfluta vorto, kiel roz-odoro,
longe ŝvebadas en aero ĉi malmult'.
Kaj pli karesas la spirblovo el tempforo
ol vangofrap' bruliga de vivotumult'.

---

...Sur naĝanta arbtrunko traveturis Azaziel la ŝvelintan riveron... al la transa bordo, kie loĝis liaj filoj. Li estis ĝishaŭte malseka, sed li jam zorgis pri nenio; la deŝiriĝinta basko de lia mantelo en la ondoj remis post li. Inundo! inundo! Jam ankaŭ post li nebuliĝis la bordo: ĉiudirekte vidiĝis nur akvo kaj pluvo; la pluvofadenoj, kvazaŭ mil pinglopikoj, truis, fendis la sonorantajn akvojn. Naĝis, naĝis la anĝelo, kiel stranga makulo en la flava akvo kaj griza pluvo,

Kiom malperfekta estas tiu ĉi malgranda, nubkovrita planedo!... Ha, Haran kaj Nakhor!...

Kaj poste, sur la transa bordrando, ĝis maleolo premiĝis liaj piedoj en la ŝlimon. Kaj poste la arbaro, la mallumo de l' teruraj arboj kovris lin subite. Kia tenebro! Ĉi tie kvazaŭ haltis la pluvego, nur ia sekreta muĝo, sonoro, batado anoncis de supre, ke ĝi ankoraŭ pluvegas kaj frapas sinistre, senindulge la netrapenetreblan foliaron. Kvazaŭ iu seke trairus sub mirinda akvofalo... Kaj dume en la malproksimo sekretaj glitsusuroj, ektimigitaj blekoj. La anĝelo palpante sekvis la trarompitan pasejon de ia grandega besto.

— Ho, Nakhor kaj Haran!... Vi nun trankvile sidas en via arbara domo, sub la cedrotabuloj frapataj de la pluvo; via forto ripozas kaj kreskas en la pluvego, kiel la abundkreska semaĵo... Via domo certe estas jam preta, el belaj cedrotabuloj; ĝi havas du kornojn, al oriento kaj al okcidento kaj du grandajn kortojn; en unu korno loĝas Nakhor, kun sia virino kaj tridek sklavinoj, en la alia korno loĝas Haran, kun sia virino kaj en la korto troviĝas kameloj kaj muloj. Ĉirkaŭe Haran faris grandan, dornhavan barilon, el pintaj latoj, kontraŭ la sovaĝbestoj, dum Nakhor la dikajn arbtrunkojn hakis kaj pintigis per sia grandega mano. Ĉar gigantoj estas ili kaj ilia menso superas tiun de l' homo: ili elcerbumas utilaĵojn kaj konigas ilin al la filoj de homo...

Tiel meditadis anĝelo Azaziel en la arbaro kaj lia animo trankviliĝis. Venis en lian kapon la kompatindaj pramistoj, kies domon forbalais la kolera rivero kaj lia penso varmiĝis aŭdaca. Kial ne povus liaj gigantaj filoj konstrui grandajn digojn sur la bordo de l' rivero kaj per sia anĝela forto reteni ĝin en ĝia detrua vojo? Venki la riveron kaj savi la homon kaj la havajon de l' homo?

La anĝelo iris pli rapide kaj baldaŭ la arbaro komencis heliĝi antaŭ li. Tie estas la maldensejo, la domo de liaj filoj... Sed tiam mirinda kraketado miksiĝis al la narkota frapado de l' pluvo: kvazaŭ milionoj da serpentoj siblus, aŭ mil gigantoj suĉus la denton. Kaj ĉiam pli proksime ĝi sonis kaj jam estis kiel granda sorĉistinkuirejo: kun bolantaj kaldronoj, kun vivantaj grasoj gutantaj sur la fajron. La anĝelo dispuŝis la branĉojn de la lasta arbetaĵo...

Kaj subite li ekvidis la kaŭzon de la kraketado. Kia vidaĵo ĝi estis! Brulintaj, fumantaj traboj kraketadis en la pluvo.

Sub delikata nebulo farita de la pluvo, du trionoj de la belega cedrodomo kuŝis en ruino kaj ardaĵo. La tabuloj kaj kolonoj surdorse unu al la alia, nigre, cindrigite: tie kaj ĉi tie malfermadis ankaŭ malgranda fajreto la okulojn, kiun ne povis estingi la tutsemajna pluvo. Kaj nebulis kaj kraketis la tuto. Jen tie, jen ĉi tie fariĝis la siblanta bruo momente pli akra — kvazaŭ unu al la alia transdonus la voĉon la varmegaj, turmentitaj arbotrunkoj — jen ĝi mallaŭtiĝis, fumetis, ŝprucsonis; intersonoris kelkaj grandaj knaloj, fendiĝoj. Terura batalo de fajro kaj akvo estis tio super la kadavroj de la kompatindaj cedroj.

La anĝelo iris pli proksimen.

Spuroj de detruo vidiĝis sur la sendifekte restinta domparto de Nakhor. La barilo rompiĝis, sur la dikaj traboj de la fasado restis blanka la loko de la hakilbatoj. Premiĝis la koro de Azaziel. Kia terura malamiko estis, kiu kuraĝis ataki liajn gigantajn filojn?

Sed Nakhor staris gaje post la apertita pordo. En la mano li tenis fortan vergon, al kiu li ligis elastajn tendenojn faritajn el besta intesto.

— Kio okazis? Kaj kie estas Haran, via frato? — demandis Azaziel.



*Vidaĵo el provinco Zeeland*

# INFANETO

– **Janusz Korczak** –

Infano estas jam maljuna: havas du subajn kaj kvar suprajn dentojn, pezas dudek tri funtojn kaj laŭ la opinio de ĝia patrino estas plej saĝa el ĉiuj infanetoj de la tuta mondo. Patro tamen opinias, ke ĝi estas malsaĝa kiel boto.

Patrino tiel fieras pri ĝia posedo, kvazaŭ ĝi estus ŝia propra, al neniu antaŭe konata elpensaĵo, kiun oni devas patenti, provizi en numeron kaj doni al la amerika kapitalistaro por plua ekspluato. Vere estas ke ankaŭ aliaj virinoj havis jam infanojn, sed tiu ĉi estas tute alia, ege perfektigita, neimitebla kaj malsimila al la ĝis nun ekzistantaj etuloj.

Etulo sidas sur patraj genuoj, tiradas lian barbon, penas kapti la legatan de li ĵurnalon.

— Ne malhelpu, — murmuras la patro, formetante de sur la ĵurnalo la manojn de infano.

Infaneto flankentiras kapon kaj alrigardas scivole la patron. — Bona ombro, klinita super makulo, havanta koloron de lakto.

Kion faras bona ombro?

Infano miras per larĝe malfermitaj okuloj, per iom malfermita buŝo kaj per malrapida spirado.

— Diru al mi, — ĝin demandas fine la patro, formetante la ĵurnalon — kia estas via opinio koncerne la hodiaŭan politikon?

Infano tiras ŝnureton de la patra nazumo kaj respondante: »grr... mfff... vaua«-saltetas pro granda ĝuo.

— Ah, karulo mia, vi havas nenian ideon pri politiko.

Infanon detiras la nazumon, suprenlevas la manojn kaj diras kun tono de konkeranto:

— O-o-o-o!

Kaj patrino sin turnas al patro:

— Ĵetu for tiun ĉi abomenan cigaredon; vi brulvundos la infanon.

— Ah, etulo, etulo, kiel granda stultulo vi estas — diras patro.

Infano baldaŭ komencis murmureti kaj de sur la genuoj de patro iris en la manojn de patrino.

— Infaneto mia, — ŝi plendas — oni ofendas vin, insultas, neniu estimas vin.

Infano viŝas la nazon per pugno.

— Karulo mia, la nazeto jukas al vi. Paĉjo enfumis en la nazon. Diru: »fi-paĉjo«, minacu al li sur la nazeto.

Etulo ekmurmuris duan fojon iom pli energie kaj patrino rapide enkuris kun ĝi en apudan ĉambron.

Jes, jes, — infano estas jam maljuna.

Malgranda infano kun siaj ses dentoj kaj dudek tri funtoj tiel multe jam travivis, ke ĝia pasinteco povas esti temo por kelkvoluma rakonto.

Kelkvoluman libron pri suĉinfano neniu volus legi, eĉ neniu volus presigi.

Do mi decidis pri infaneto skribi nur malgrandan rakonton.

Mallumigu iom la lampon kaj legu malrapide, mallaŭtflustre, ĉar mi parolos pri sekreta kaj mirindaĵplena antaŭhistoria praepoko de infana vivo.

*

Jam estis tiel, kiam Dio apartigis lumon de mallumo kaj alkroĉis stelojn, ĉiun sialoke kaj ligis ilin per nevideblaj fadenoj de reciproka pezoforto. Tiel estis, kiam mondoj naskiĝadis el ĥaoso; ne, la mondoj eĉ ne naskiĝadis ankoraŭ, ekzistis nur penso krei ilin, aŭ eble eĉ penso ne ekzistis. Vagadis koloroj kaj sonoj — estis nek vivo, nek spaco, nek tempo. Momento egalis al jarcento. Estis nenio. Ekzistus nur estonteco, se estus demando aŭ antaŭsento de estonteco.

Kaj tamen...

Aŭdiĝos forta voĉo, ordonanta al la disiĝintaj atomoj kuniĝi, rezigni de si mem. Kaj estos fulmo kaj pluvguto kaj mistera kristalo, — kaj fariĝos mirindaĵo: vivo.

Estos vivo de kreskaĵoj: kverkoj ĵetados semojn por kreskigi filojn, kiam la korpoj de la patroj putriĝos aŭ kiam fulmotondro frakasos iliajn branĉegojn.

Estos vivo.

Estos homo, deziranta diveni la misteron de vivo, homo — mirinda kreaĵo.

Estos...

Dume sekreta kaj mirindaĵplena mistika nokto.

Estos...

Infano en fulmo de gravediĝo jam estas granda mirindaĵo.

Oni diras, ke infano ne estas ankoraŭ, ke ĝi estas venonta. Ĝi estas enskribita en nenian libron de ia kvartalo, neniu vidis ĝin, eĉ ne patrino mem — oni atendas ĝin, tamen ĝi jam de longe estis kaj estas.

---

— Ho, patro, ĝoju pri la venko de via filo — respondis Nakhor eklevinte la okulojn. — Haran fuĝis malproksimen en la arbaron; lian domon mi bruligis kaj liajn servistojn mi mortigis. De semajnoj mi devis batali kontraŭ multaj homoj; kaj mi lasis mian propran domon al la fajro, por ke mi vidu bruli la lian. Ja ankaŭ li preparis sin kontraŭ mi, sed li ne povis min venki. Nun mi brakumas lian virinon, kaj li, kiu volis forpreni la mian, nun fuĝas kaj jen per mia anĝela menso mi fabrikis pafarkon, ke mi povu lin persekuti.

Kaj maltrankvile li rigardis al la ĉielo.

— Ĉu tiu pluvo moligas la tendenon de mia pafarko. Diru al mi, mia patro, se vi scias, kio estas la intenco de l' Ĉielo?

Azaziel ne respondis. Liaj okuloj gluiĝis al la haladzantaj ruboj, sur kies supro li malkovris aron da homaj kadavroj. La akvo de l' pluvo disfluis sur la kadavroj kaj grandaj, malbelaj, hundspecaj bestoj flankumis ĉirkaŭ ili. El la domo aŭdiĝis, ke la servistoj de Nakhor akrigas pezajn ŝtonhakilojn kaj en la pordo staris la giganto, la Filo de l' Anĝelo, kaj fabrikis sian pafarkon per anĝela menso kaj giganta mano.

— Ho patro! — li kriis. — De vi mi ricevis ĉi tiun lerton. Mi havos armilon, kian ankoraŭ neniam havis mortemulo!

Dume ankaŭ la fuĝinta Haran preparis sin en la arbaro. Kaj la pluvo falegis, malrapide, monotone, senfine; en riveretoj verŝiĝis el inter la kraketantaj traboj, faris lagojn sur la maldensejo, defrapis la foliaron de l' arboj. Azaziel rigardis al la ĉielo; ho, se ankoraŭ unufoje li povus flugi supren, kiel iam, se li povus iĝi libera kaj pura animo! Li rigardis al la ĉielo, al la pluvanta ĉielo.

Kaj nun jam li komprenis la intencon de Dio.

El la hungara: *Lali Blond.*

Ĝia koro jam komencis laboron, kiu neniam finiĝos, ĉar tiun ĉi laboron infano cedos al sia filo, nepo kaj pranepo, samkiel al infano cedis ĝia avo kaj praavo.

Vi diras, ke infano, kiu ankoraŭ ne estas, havas tiom kaj tiom da semajnoj, da monatoj. Vi pravas, tamen vi eraras. Ĝi estas por si mem, ĝi ne konas vian horloĝon, nek vian kalendaron — ĝi ĉiam estis kaj estas.

Ne nur pro tio vi eraras.

Ĝi vivas ne iajn viajn monatojn aŭ semajnojn. Ĝi vivis jam inter miliardoj da disĵetitaj polveroj en mondo, kiam aŭdiĝis krio: »Al Bastille!«, ĝi vivis, kiam popoloj larĝonde fluis por repreni de la paganoj tombon de Kristo, kiam oni florkronis frunton de Sofoklo, kiam sklavoj, skurĝataj per bategoj, konstruadis pompajn maŭzoleojn de faraonoj. Ĝi vivis ankoraŭ pli antaŭe, ĉar ĝi atendis sian naskiĝon milojn da jaroj.

Ĝi vivis en muskolo de urso en malproksima nordo kaj en eterne verda palmfolio de varmega sudo.

Hej, kiom multe vojaĝis nia etulo, antaŭ ol ĝia koro la unuan fojon ekbatis.

Ĝi estis jam antaŭ multaj, multaj jaroj — ĝi vivis en plasmo de amebo, ĝi ekzistis jam en la ĥaoso, el kiu Dio kreis stelojn, alkroĉis ilin sur ĉielo kaj fortigis per nevideblaj fadenoj de reciproka dependo.

— Tik tak, tik tak — batas koro de infano.

Obtuza, mallaŭta monotona murmuro kaj longa, senfina vojo de penso...

Por atendata infaneto oni pretigas vindojn.

*

Infano eksentis doloron kaj spertis grandan timon. Ĝia doloro ne estis, kiel la nia, konscia, matura, elprovita. Tio estis la unua tiel granda doloro.

Infano eksentis ion pezegan, similan al tio, kion oni travivas dum inkuba sonĝo, kiam vi subite komencas ĝemi. Oni vekas vin kaj demandas: »Kial vi ĝemas?« kaj vi respondas: »Mi tute ne ĝemas« aŭ: »Mi ne memoras, mi ne scias.«

Kiam dum nigra nokto fremda mano kaptas vin je gorĝo, pro timo vi vidas nenion, vi havas nur sufokan krion en brusto.

Tia estas la unua spiro de etulo, tia estas tiu ĉi unu momento, — unu, kiel morto. Pastro-doloro edzigas malgrandan homan estaĵon kun vivo.

Infano kaptas per pulmoj aeron kaj, tremante, komencas vivi memstare, je propra respondeco.

Metu fingron sur buŝon kaj silentu, ĉar vi vidas mirindaĵon. Penu fari kiel eble plej malmulte, ĉar vi ne scias, ne komprenas. Vi ĵetos en vian penson unu dubon kaj elkreskos densa demand-arbaro sen respondoj.

Malvarme estas al etulo, malbone...

Oni preparas jam por ĝi kamomilon, oni alportas el apoteko diversajn pulverojn kaj onklino demandas per telefono:

— Knabo aŭ knabino?

*

Etulo havas du sonĝojn: unu nigran kaj senvivan kiam nenio fariĝas, alian brunan kaj mallaŭtan, kiam fariĝas io...

Profunda nokto, malproksime al tagiĝo. Vi kuŝas kun malfermitaj okuloj kaj rigardas. En via dormoĉambro, tie estas ĉiuj objektoj, sed ili komencas eliĝi el la duonlumo ne pli frue, ol kiam tagiĝas.

Vi staras apud freŝe semita kampo. Ŝelo de grajno ne ŝvelis ankoraŭ sufiĉe, sed en la grajno kaj en la tero fariĝis multe da mirindaĵoj kaj multe da ili ankoraŭ estos, antaŭ ol vidiĝos verda hoketo de ĝermo.

Etulo havas sub kranio, en cerbo strangajn papiliojn, teksitajn el majstra ŝpinaĵo, sur kiu moviĝas koloraj bildoj. — Etulo pensas. Kaj dormate, pretiĝas al longdaŭra batalo kun ĉirkaŭantaj ĝin misteroj, de kie fluas bono kaj malbono.

Bruna sonĝo de infaneta maldormado estas duspeca: unu, kiam fariĝas io bruta kaj malbona, alia — kiam fariĝas io kvieta kaj bona. Kaj infano kuŝas trankvile aŭ krias. Ĝi ne ploras, ĉar ĝi ne havas ankoraŭ larmojn.

*

Patrino kliniĝis super la lulilon, ŝi serĉas jam en infano prudentan penson.

— Rigardu, karulo, patrinon.

Etulo turnas la senharan kapon en la direkto de la patrina brusto kaj komencas suĉi, serĉante la bruston per lipoj. Ĝi eksentis varmon de patrina parolado, volas buŝe trinki ŝian amon.

Alifoje, iom poste, sur kusenon falis varma sunradio. Infano komencis serĉi ĝin kaj movis lipojn, ĝi volis kapti sunbruston, ĝi volis trinki la sunon.

Alifoje, multe pli poste, kiam vartistino kantis lulkanton, infaneto volis trinki kanton.

Kaj patrino jam hodiaŭ serĉas en ĝi prudentan penson...

Infaneto scias nenion ankoraŭ, eĉ ne suĉi: jen ĝi rapidas, jen suĉas dormeme, faras longdaŭran paŭzon, jen movas mallerte la kapon, perdas la bruston, koleras kaj suferas.

Tiel defalas laborilo el mano de mallerta laboristo, tiel junulo en la unua balo mallerte preteriras dancantajn parojn, tiel malsperta poeto pene faras rimojn.

Etulo manmovis, streĉiĝis, ektremis — ĝi havas kapablon de movoj, sed en ili ne estas ankoraŭ pensoj. Tamen etulo scias digesti la konsumitan nutraĵon, kreski dank' al ĝi, scias pli bone, ol plej majstreca maŝino preparita per homa mano, sed scias malpli, ol kokido, kiu apenaŭ eliĝinta el ovo, jam postkuras la patrinon kaj bekas grajnon; malpli ol eta insekto, iranta malrapide kaj prudente sur folieto de arbara planto.

*

Infaneto kuŝas en sia liteto seka, sata, kontenta — kvieta dormemo ĝin ĉirkaŭas. Ĝi palpebrumas, levas la palpebrojn pene, sulkigante la frunton kaj kurbigante la buŝon. Ĝiaj okuloj sin turnas senorde diversflanken, ĝi ne kapablas ankoraŭ rigardi.

Infaneto luktas kun dormemo, kiel prezidanto de unua kunveno, daŭranta tro longe. Kaj ĉirkaŭe murmuroj, tonoj, flustroj, sonoj; kaj ĉirkaŭe briloj, ombroj, makuloj, koloroj kaj tonoj kvazaŭ en nebulo.

Subite fariĝis io neatendita. Infaneto travidis. Ĝi vidas.

Griza tagiĝo desegnis unuajn malklarajn konturojn de belega bildo. Etulo ekmiris, ekĝojis, ektimis kaj ekdeziris scii.

Iam, antaŭ longa, longa tempo, la homo, per la unua mallerte konstruita teleskopo, direktis al la steloj rigardon plenan de demandoj, rigardon jam fieran kaj ne humilan. Li travivis momenton de ekstazo, li travivis jarcentojn de malesperoj, luktoj kaj malĝojoj.

La unua konscia sento: mi volas scii, la unua saĝa rigardo, la unua doloro pro perdo de tio, kio ne estis nutraĵo, tamen necesa por vivi.

Etulo ree ne vidas, estas nokto. Ĝi komencis

plori; patrino alvokis la vartistinon, opiniante ke ĝi malsatas.

Ŝi eraris: tio estis la unua ploro de infano ne pro tio, ke ĝi estas malsata, ne pro tio, ke la vindo kunfaldiĝis, sed pro tio, ke ĝi perdis nekonatan mondon. Jen ĝemkrio de malpacienco, de elreviĝo post momento de fiera suprenleviĝo. Tio estis belega, kaj malaperis, kaj ne estas plu. Krio, protesto kontraŭ spiritsenforto.

Sed infano komencis avide suĉi, surdigante la piritan doloron, la koran bedaŭron post perdo de ŝatinda ideo; ĝi faris la saman eraron, kiel ĝia patrino.

*

Onklino kliniĝis super la lulilon, ŝiaj okuloj renkontiĝis kun la serioza, esplorema rigardo de infano.

— Beleta infaneto, — diras onklino al patrino — ĝi havas vian buŝon kaj la okulojn de via edzo.

Ŝi kliniĝis ankoraŭ pli, kisis la etulon.

Ĝi ektremis timigita.

Onklino hontis la kison kaj la timon de infaneto.

— Bedaŭrinda etulo, — ŝi diras — via menso dormas ankoraŭ.

La menso de infaneto dormas?

Neniu homa menso en neniu vivepoko priatentas tiel zorgeme, kiel tiu de infaneto. Se la homa menso ĉiam tiel dormus, ĝi havus ĉielatingan penson kaj la universo paliĝus pri siaj misteroj.

La menso de infaneto multe laboras en silento; kaj la hodiaŭo tute ne similas la hieraŭon.

Se vi stariĝos ĉe maŝinkonstruaĵo en tutmonda ekspozicio, tremo, bruego kaj radturniĝo mankigos la spiron al vi; sed kio ĝi estas kompare kun la laboro de milionoj da motoroj, radoj kaj transmisioj en la cerbo de infaneto.

Infano rigardas kaj pensas, pensas per plej mistera kaj plej viva parolo, sen vortoj — per parolo de bildoj, komuna al ĉiuj infanetoj de la tuta mondo kaj al ĉiuj vivaj kreaĵoj. Ĝi amasigas kaj vicigas bildojn, kreas materialon por konstrui simbolan homan parolon, en kiu ĉiu bildo havas propran tonon kaj propran animon, bonan aŭ malbonan, amatan aŭ malamatan.

Infano malĝojas, ĝojas, miras, timas, demandas kaj deziras. Ĝi ligas etajn rememorojn de antaŭ horo kun dormo de hieraŭa tago kaj kunplektas ilian teksaĵon kun nokto, kiam Dio pendigadis stelojn sur firmamenton. Ĝi fulme trakuras centjarojn kaj miljarojn de evolucio de homa penso. Baldaŭ ĝi superos la plej sagacan beston kaj kvankam ĝi estas fizike malforta, senkonsila en la vivo, ĝi komencas fratiĝi kun la genio de la homa gento.

*

Ni interparolu, infaneto.

Suno falas sur vian etan, ĉarman kapon.

Via rigardo diras, ke vi estas jam homo.

Bedaŭrinda, kiel mi kompatas vin.

Ĉar ne ekzistas pli granda malfeliĉo, ol naskiĝi homo.

Kial, se vi devis esti vekita al vivo, vi ne iĝis floro?

Kial vi ne naskiĝis papilio?

Kial ne birdido de arbara kantintino?

Ju pli alte, des pli malgaje...

Homoj deziras scii.

Infaneto, kiom da doloro estas en serĉado de kaŭzoj, celoj, vojetoj, vojoj.

Kiom da doloro...

Ĉu vi kredas, infaneto, ke iam?... Aŭ ne, ĉu vi opinias, ke iam?... Ne, ne.

Jam nenion, nenion plu mi diros...

Vi sulkigas la frunton?

Ne ploru, infaneto. Venos malgrandaj maljustaĵoj, ne valoras plori. Venos grandaj maljustaĵoj, vi estos jam forgesinta plori.

Kaj generacioj fluas, fluas...

Vi ridetas, infaneto, vi ne kredas? Vi pravas. Tiun ĉi vojon oni devas trairi mem, al neniu oni devas kredi.

Vi pravas...

*

Infaneto pendigita en la universo kiel stelo. Infaneto ne ekzistas ja por si mem; ĝi ekgratas sin per sia propra ungeto kaj krias. Ĝiaj manoj, piedoj kaj kapo — jen malproksimaj kontinentoj de ĝia konscio, jen malkovroj de malproksima estonteco.

Ekzistas nur eta fajrero de infaneta penso, fajrero tiel forta kiel tiu, kiu povas kaŭzi brulegon.

Infaneto havas larĝe malfermitajn okulojn, rigardas kaj esploras la ĉirkaŭantajn ĝin ombrojn. Ĝi ne rimarkas senmovajn makulojn, sed nur tiujn, kiuj ŝanĝas la formon, kiel la nuboj.

Infaneto estas stelo, esploranta la ŝanĝeblajn formojn de la nuboj.

Ĝi kuŝas surdorse kaj ĉirkaŭe la ombroj: patrino, vartistino — malhelaj makuloj sur hela fono. Ili suprenleviĝas en la spaco, malsuprenleviĝas kaj ie malaperas.

(Etulo, sidante sur brakoj, devos alikonstrui la tiel laboreme kreitan mondkoncepton).

Ekzistas pensoj, sentoj de etulo — ili estas sen komparoj, ĉar ne estas ankoraŭ rememoroj. Estas nur esplora penso.

Ĉirkaŭe moviĝas nuboj. El inter ili infano eligis nur unu solan: ombron, kiu plej ofte aperas, ombron, kiu ne ŝanĝas la formojn, ombron, kiun oni povas bone pririgardi, ĉar ĝi ne malaperas tiel subite, kiel ĉiuj aliaj. Ĝi estas frata ombro, kiu ne forlasas etulon. Kun ĝi etulo sentas sin malpli solece. La ombro — la unua instruisto de infaneto —: ĝiaj propraj manoj.

Simile al ĉasisto, kiu antaŭ ol pafi malproksiman ĉasbeston, lernas celi botelon pendigitan sur ŝnureto, infaneto, helpe de vido, celas kapti siajn proprajn manojn.

Ĝi faras en silento longdaŭrajn kaj penegajn studojn: ĝi lernas rigardi, lernas memori, lernas ekkoni.

Oni ne devas ligi forte la manojn de infano, ĉar ili estas bezonataj al ĝi.

*(Finota)* El la pola: *Halina Weinstein.*



*Amsterdam* *Reĝa palaco*

# LA PROJEKTO

— R. Roseti —

Ruk sentis mildan tuŝeton sur sia ŝultro. Li turniĝis kaj renkontis la senŝancelan rigardon de Alek. Ruk sentis sian koron ŝveli per varma emocio, kiu momente nebuligis liajn okulojn. Li diris: »Hallo, Alek.« Per tiu simpla parolo rompiĝis dujara silentado.

»Sciu, Ruk,« diris Alek per »ligna« tono, kiun la alia tamen bone trasentis. »Estas sensence, permesi, ke du virinoj tiel disigu nin. Inter ili estis la kverelo, ne inter ni!«

»Vi pravas, Alek,« diris Ruk per voĉo, kiu preskaŭ kveris pro emocio, »Kaj vi estas tre bona, ke vi bonvolas forgesi la ofendon, kiun mi estis sufiĉe stulta partopreni kontraŭ vi. Miaflanke, mi jam sincere pentis tion, kaj neniel povas pardoni aŭ min, aŭ... ŝin. De ŝi mi estas jam disiĝinta — vi jam aŭdis, ĉu ne?«

»Ĉu vere? Ne, mi ne aŭdis. Miaflanke, mi rompis kun la mia, kaj sciu, jam ofte mi sopiris al nia malnova amikeco. Kial ni ne kuniru do, kiel en la bona pasinteco?«

La suno, rigardante trans la randon de nubo, eklumigis la vizaĝon de Ruk kaj ĵetis oran nimbon ĉirkaŭ la blondan kapon de Alek dum la du eksamikoj etendis la manojn je firma premo.

»Cigaredon?« proponis Alek senprinpense, tuj kiam li kaj Ruk sidiĝis sur molaj herbotufoj; tiam. — »Ho, pardonu, vi ankoraŭ ne komencis la malbonan kutimon, ĉu?«

»Ankoraŭ ne« ridetis Ruk. »Kontraŭ la sendube ĉarma fraŭlino Nikotino mi ŝajne estas imuna.« Li kliniĝis kaj prenis ŝtoneton, kiun li ĵetis senokupe kontraŭ la flavan kapon de leontodo, flamanta aliflanke de la vojo.

Alek klakfermis sian cigaredujon kaj eltiris sian pipon. »Nun estas okazo por la pipo, mi pensas,« kaj li metis ĝin inter la dentojn kaj komencis zorge ĝin plenŝtopi.

»Diablo prenu,« li grumblis, kiam la pipo fine bone iris, »Al mi jam doloras la piedoj post tiu kvarmejla promeno! Mi forte dekutimiĝis de la marŝado lastatempe.«

»Kaj nun vi devos rekutimiĝi,« diris Ruk, »ĉar vi jam diris, ke via motorbiciklo kuŝas en pecoj ĉe Alington, post via lasta akcidento.«

»Jes,« ekĝemis Alek, »Ankoraŭ mi ŝuldas dek funtojn pri ĝi kaj la tuta ruino valoras eble du... Do, okfunta ŝuldo, kaj plie la neceso akiri novan ,ciklon', ĉar tio jam fariĝis io nerezignebla por mi. Se nur estus rapida maniero enspezi iom da mono!«

»Se nur estus!« reehis la alia. »Ankaŭ al mi la financo malbonstatas. La rento al la edzino formanĝas signifan pecon de mia salajro, sciu, kaj ĝuste nun estas n' mi iom malvaste en la poŝo...«

»Neniam trafinte en edzan staton,« sentencis Alek, suĉante ĝueme sian pipon, »mi estas libera almenaŭ de tio. Kaj tial mi eĉ kompatas vin, des pli, ĉar vi ne konas la konsoladon de la antaŭe aludita ĉarma fraŭlino Nikotino.«

»Al la diablo via fraŭlino Nikotino,« rebatis Ruk, pafante duan ŝtoneton kontraŭ la senkulpan leontodkapon. »Kiel ĉiuj siaj samseksanoj ŝi scias nur kaŭzi pli da elspezo al la viro. Profiton el ŝi faras nur tiuj, kiuj ŝin disvendas.«

»Aŭ kiuj sagace prenas ŝin kiel temon de verko,« korektis Alek. »Vi ne forgesu J. M. Barrie, kies libro certe havis bonan disvendon.«

»Do bone,« akceptis Ruk, »Kial vi ne povas fari tion saman? Jam vi havas sperton pri la pipo kaj cigaredoj. Kial ne verki, se ne libron, almenaŭ artikolon?«

Alek rektiĝis sian korpon ĉe tio. »Estas strange, ke vi diras tion, ĉar mi ja provis ion similan. Mi faris serion da notoj pri la plezuroj kaj tekniko de pipfumado, kaj intencis iam ellabori ilin je artikolo. Sed mi tro malfidas mian lingvoposedon por komenci tiun ellaboron. Se vi vere interesiĝas, kial vi ne rigardu ĝin, kaj se vi opinias inda, disvolvu mem mian skizon? Ĉe eventuala akcepto, ni dividus la honorarion.«

»Eh, kion mi scias pri la pipfumado, aŭ pri la fumado entute,« diris Ruk, malŝate kraĉante. »Tamen — el pure komerca vidpunkto, via propono estas pripensinda. Jes, mi pensas, ni povas iri al vi kaj almenaŭ esplori la eblajon.«

Vigle ĵetita ŝtono enpolvigis la buntan kapon de la leontodo.

»,La mondo estas mia ostro,' citis O. Henry, ,Kiun mi per mia glavo malfermos,' — kaj li aldônis, ke kvankam per glavo estus facile malfermi la sukan bivalvon, malfermi ĝin per skribmaŝino estas jam alia afero... Nu, ni tamen provu!« Ruk kunfrotis la manojn kaj ĉirkaŭrigardis la ĉambreton de Alek.

»Jen estas la krudaj notoj,« diris Alek, iom fosinte inter la paperoj, kiuj kovris lian labortablon. »Legu, kaj diru vian opinion.«

Regis silento dum kelkaj minutoj. Alek fiksis folion da papero en la skribmaŝinon kaj atendis. Fine li oscedis kaj turnis la kapon al la silenta Ruk. »Kiomfoje vi legos ĝin?«

»Nur unu fojon, sed zorge,« diris Ruk malrapide. »Tio ĉi estas konciza, riĉenhava... jes, mi opinias, bona. Tamen mi pensas, ke estus utile ĝin plivastigi«.

»Ho, nepre; mi ja fidas al vi por tiu pufigado!«

»Mi pensas, ke tie ĉi ni havas materialon ne por unu, sed por kvar artikoloj, nome: la unua, pipo kontraŭ cigaredo; — la dua, la elekto de la pipo: — tria, la elekto de la tabako; — kaj kvara, la tekniko de ŝtopado kaj fumado, kun kelkfraza finpeco.«

»Do bone.« Alek tiris la seĝon pli proksimen al la skribmaŝino, taŭzis la harojn per karakteriza gesto de la dekstra mano, kaj pretiĝis por maŝinskribi. »Diktu!«

»Dio benu vin!« ridetis Ruk indulge. »Ĉu vi pensas, ke mi povas kanti laŭ la mendo? Mia kapo estas tro malrapida, mi forte timas! Permesu, ke mi intervjuu vin. Pri pipoj mi estas profanulo, necesas, ke mi havu ankoraŭ kelkajn notojn — poste mi ellaboros la kvar artikolojn en la daŭro, ni diru, de tri-kvar tagoj.«

»Laŭdezire.« Alek sternis sin sur la tapiŝon, tiris kusenon sub la kapon kaj bruligis cigaredon. »Pafu.«

»Iom malfacile, tamen...« Ruk foliumis sian notkajeron. »Kio, laŭ vi, estas la respektivaj pretendoj de cigaredo kaj pipo?«

Alek profunde tiris sian cigaredon kaj blovis la fumon supren al la plafono.

»Cigaredo, mi opinias, estas bona por nerva laboro. Ĝi donas tujan stimulon, tujan satigon al la postulo de la apetito. Pipo, nu, ĝi estas pli ripoziga. Ĝi donas trankvilon, profundan kontenton. Ĝi konkordas kun bona libro kaj agrable brulanta fajro.

Ĝi konkordas kun ĝardeno, kun la paca naturo, la sunsubiro kaj malvarmeta krepusko...«

# PASPORTO

— Carl Franzmann, Groesbeek (Nederlando) —

Estis precize kvarono post la kvara, kiam la librotenisto Fritz Aŝbach forlasis la kontoron: zorge li tenis la plenan monpoŝon de la banko sub la dekstra brako. La poŝo enhavis 35 milojn da nederlandaj guldenoj! Ne pli nek malpli! Neniam en sia vivo li portis tiom da mono! Al la ĉefkaso li devis porti tiun sumegon. Ĉu devis? flustris en liajn orelojn la tentanto. Ho, kio okazus, se li hodiaŭ ne farus sian devon?

Granda batalo inter devo kaj maldevo boladis momente en lia animo. Malhonesta perspektivo, fariĝi ŝtelisto, bankrabisto! Sed la mono la malbenita mono en la poŝo, ekscitis liajn pensojn. Kial nomi tion »ŝteli« plej bone oni dirus: pruntepreni!

Vere, 35 miloj da guldenoj estus la granda bonŝanco en lia vivo. Io simila okazas nur unu fojon, la okazo devas esti kaptita. Kaj nun, kion fari? Fulmrapide iri hejmen kun la rabaĵo, poste fuĝi for el Nederlando, fari en eksterlando grandajn aferojn per la rabita sumo, kaj tiam, post la sukceso, redoni la ŝtelitan sumon al la banko. Jes, bone, bone, ankaŭ aliaj homoj antaŭ li faris la samon. Volonte Fritz Aŝbach aŭskultis la voĉon de tentanto.

Post kelkaj momentoj estis prenita la granda decido. Li diris al si: mi estas sola en la mondo. Familion mi ne havas. Feliĉe, ankaŭ la pasporto estas orda. Do, mi riskos la aventuron. Rapide estos bruligita la monpoŝo en la forno hejme. 20 minutojn post la kvina iros la ekspreso al Germanujo; ĉirkaŭ la sepa li jam estos en Emmerich...

Subite estis preta la plano en ĉiuj ĝiaj detaloj. Temis nur pri ekzakta plenumo, temis nur pri rapideco; ĉio alia estus tempoperdo.

Alveninte hejmen, feliĉe la dommastrinon li ne trovis tie. Bonŝanco. Baldaŭ la bankpoŝo fariĝis viktimo de fajro. Tiam li apartigis lerte la bankbiletojn en samgrandajn amasetojn, zorge dispartigante ilin en siaj poŝoj. Rapide kunserĉante kelkajn bezonaĵojn por la granda vojaĝo, li ĵus intencis forlasi la domon, kiam li aŭdis sonori ĉe la pordo.

Ĉu policistoj? Estas ja neeble! — Denove sonorilo! Diablo! Konsterne li rigardis tra la kurtenoj de la fenestro. Li ekvidis la najbarinon, kiu en ĉi tiu momento malfermis la pordon. En la koridoro aŭdiĝis paŝoj. Kaj nun li ekpensis pri la malfermita pordo koridora.

»Fritz, ĉu vi estas hejme?« Ho, estis la voĉo de Henriko Langebak, bona amiko! Kion li deziras en tiel malkonvena momento?

Silentu, diris Fritz Aŝbach al si mem, trankviliĝu, nenion li devas scii! Henriko ja estas tre nervoza homo, precipe de kiam li konatiĝis kun fraŭlino Relling. Sin streĉe regante, Fritz Aŝbach diris al la alveninto:

»Halo, Henriko, kiel vi fartas?«

Sed la nervozulo ne povis respondi. Kiel persekutata tigro li mute tramarŝis la ĉambron, tien kaj reen... tien kaj reen. Alrigardante la vizaĝon de la vizitanto, Fritz Aŝbach pensis: Ĉiam denove la sama kanto. Certe denove li kverelis kun fraŭlino Mariano, kiel kutime, kaj nun li venis peti konsilon. Estus certe plej bone, rompi la fianĉecon!

Fine Henriko demandis:

»Ĉu vi preparas vojaĝon, Fritz?«

»Kial, Henriko«.

»Nu, via pasporto kuŝas tie sur la tablo.«

Fritz momente ektremis, sed poste li penis rideti je Henriko.

»Ho, estas mia kutimo. La pasporto min neniam forlasas.«.

Foliumante en la paslibreto, Henriko subite diris: Rigardu, Fritz! Nia simileco estas vere stranga.

Vizaĝo: ronda. Koloro de okuloj: blua. Koloro de hararo: nigra. La priskribo de via fizionomio estas precize sama kiel tiu notita en mia propra pasporto. En kazo de bezono oni povus uzi la saman pasporton por ambaŭ personoj.«

Sed Fritz Aŝbach ne atentis ĉi tiun babiladon, grumblante nur:

»Estas egale; tio min nun vere ne interesas.«

Ankoraŭ ne sciante la kaŭzon de la vizito, li nun demandis:

»Ĉu io ne estas orda, Henriko? Ĉu kverelo kun Mariana?«

Ĉe tiu demando fariĝis terure pala la vizaĝo de Henriko Langebak. Fine li balbutis:

»Fritz, mi bezonas monon! mi ne povas atendi! Mi bezonas 100 guldenojn! Ĉu vi volas pruntedoni ilin al mi?«

Post mallonga meditado enmanigis Fritz al la demandanto kvar biletojn po 25 guldenoj. Certe Henriko devas fari donaceton al lia karulino. Danke akceptante la sumon, Henriko Langebak rapide foriris.

Kaj nun, Fritzeto mia, estu prudenta! Singarde li rapidis al la centra stacio. Li prenis bileton por la dua klaso, tute ne por la unua. En la vagonaro vakis an-

---

»Bone.« Ruk seke kapklinis kaj rapide notis. »Nu, pri diversaj pipospecoj. Ĉi tie vi mencias la merŝaŭman pipon, la erikan, kaj tiel plu. Kiaj estas la respektivaj meritoj de tiuj pipoj?«

»La merŝaŭmo havas gloran tradicion kaj multajn fervorajn adeptojn. Oni fabrikas ĝin el ia mineralo, nomata merŝaŭmo, minata en Maroko kaj Malgrandazio. La materialo estas nature sorbema, kio donas al la pipo la econ de malhumida, dolĉa fumado. Bona merŝaŭmo, bone trafumita, estas ja malfacile superebla; fiera estas ĝia posedanto, zorgega li estas pri sia amata pipo kaj pri la ujo, en kiu li flegeme ĝin konservas...« Pli kaj pli li pensis pri la kvar artikoloj, kiuj ja

Lace-pace fluis la voĉo de Alek. Onde suprenstriis de li la fumserpento. Gratgratis la krajono de Ruk, notante ĉion esencan en sia notkajero.

Pasis kvar tagoj. Alek estis ĵus vizitinta la motorbiciklan agenton; dolorsente li elpoŝigis el sia malgrasa monujo plian funton al la kosto de la detruita maŝino. signifus (ĉe eventuala akceptiĝo) almenaŭ tri funtojn da enspezo, dividotajn inter li kaj Ruk. Jam li malpaciencis porti la projekton al ĝia fino; kun des pli da ĝojo, do, li ekvidis sur la strato sian amikon. Ruk pasis vigle, lia vizaĝo radiis pro interna feliĉo. Li svingis la manon je saluto.

»Nu,« diris Alek, post la intersalutaj vortoj. »Ĉu vi jam verkis la kvar artikolojn?«

»Ne, karulo, ankoraŭ ne. Sed vidu —« Ruk ekscite fosis en la ampleksa poŝo de sia palto — »kian belegan merŝaŭmon mi ĵus aĉetis!«

# La lupo de mezmontaro

– Ma Ĝung-Ŝi, Ming-Dinastio (1360—1634) –

Vicgrafo Gian de Jaoujo ĉasegis ĉe Mezmontaro. Ĉasistoj iris antaŭe, agloj kaj hundoj sekvis, kaj sennombraj rapidaj birdoj kaj sovaĝaj bestoj falis mortaj ĉe la pafado de sagoj. Sur la vojo oni renkontis lupon, kiu home stariĝis kaj kriis. Vicgrafo Gian tuj saltis sur ĉaron, streĉis sian bonan pafarkon kaj pafis sagon profunde en la korpon de la lupo, kiu kriis kaj forkuris. Vicgrafo Gian koleriĝis kaj kurigis la ĉaron por ĝin persekuti. La kirlita polvo vualis la ĉielon, la piedbatado tondradis, oni ne povis distingi la homojn kaj ĉevalojn eĉ en la distanco de dek paŝoj.

Tiam venis al Mezmontaro moisto[1]) Sinjoro Dungo por servi en la registaro. Li rajdis azenaĉon kaj portis librojn en sako. Frue vojaĝante, li perdis la vojon. Li vidis la polvon kaj timiĝis.

Subite la lupo alvenis, kaj, etendinte la kapon, ĝi lin rigardis kaj diris: »Ĉu vi intencas savi kreitaĵon, sinjoro? Siatempe Mao Bao liberigis testudon kaj poste povis transiri riveron rajdante sur ĝi, kaj Markizo de Sueiujo savis serpenton kaj dank' al ĝi li ricevis perlon. Testudo kaj serpento ne estas pli diaj ol lupo. Nun, kial vi ne tuj ensakigas min, ke mi evitu mian malbonan sorton? Se mi povus denove eliĝi, vi ja revivigus mortinton kaj donus karnon al skeleto. Ĉu mi povos ne rekompenci vin, kiel la testudo kaj la serpento?«

La sinjoro diris: »Ho, ofendi la heredan ministron kaj malobei la potencan nobelon por vin kaŝi! Katastrofo trafus min neatendite! Ĉu mi esperus rekompencon! Sed laŭ Moismo,[2]) universala amo estas la bazo de ĉio. Do, spite ĉion, mi devus vin savi. Kvankam estus katastrofo, mi ne bedaŭrus.«

Li do eligis la librojn, malplenigis la sakon, kaj malrapide enigis la lupon. Antaŭire, ĝi piedpremis sian barbon, malantaŭire, ĝi sursidis sian voston, trifoje li ne sukcesis ĝin enigi. Li malrapidis senĝene. La persekutantoj pli proksimiĝis.

La lupo pete diris: »Estas jam urĝe! Rapidu, mi petas vin, sinjoro!«

Li fleksis al ĝi la kvar krurojn, ligis ĝin per ŝnuro, malsuprenigis la kapon al la vosto, kurbigis la dorson, kuŝigis la barbon. Histrike kuntiriĝante, geometride kurbiĝante, serpente volviĝante kaj testude ripozante, ĝi lasis la sinjoron fari, kiel li volis. Kiel ĝi mem konsilis, la sinjoro ensakigis la lupon kaj metis ĝin sur la azenon. Li devojiĝis, por ke la Jaoanoj preterpasu.

Do Vicgrafo Gian alvenis. Li vane serĉis la lupon. Li koleregis, eltiris la glavon, detranĉis la timonfinon, montris ĝin al la sinjoro kaj ĵuris: »Kiu kuraĝus kaŝi de mi la lupon, tiu estu, kiel la timono!«

La sinjoro surventriĝis, rampis antaŭen, surgenuiĝis kaj diris: »Mallerta kiel mi estas, mi volas ion fari en la mondo. Vojaĝante malproksime, perdante la ĝustan vojon, kiel mi povas trovi la kieeston de la lupo kaj ĝin montri al la agloj kaj hundoj de via moŝto. Tamen, oni diras, ke ŝafo perdiĝas pro tro da branĉvojoj. Nu, unu sola knabo povas gardi ŝafon, ĝi estas tiel malsovaĝa, kaj tamen okazas, ke ĝi perdiĝas pro tro da branĉvojoj. Lupo ne similas ŝafon, kaj Mezmontaro havas sennombrajn branĉvojojn, kie ŝafo povas perdiĝi. Kaj nun vi serĉas ĝin apud la ĉefa vojo! Ĉu tio ne similas atendi leporon sub arbo[3]) kaj serĉi fiŝon en arbaro?[4]) Krome, ĉasado estas la afero de

[1]) Moistoj estas disĉiploj de Modi, kiu predikis fratecon kaj homamon.

[2]) Moismo: Doktrino de Modi.

[3]) Atendi leporon sub arbo: Iam en Sunglando estis kampulo. En lia kampo staris arbo. Foje leporo kuris kontraŭ la arbon kaj rompis sian kolon kaj mortis. Li do ne plu laboris, sed vane atendis sub la arbo alian leporon. Ĉiuj en Sunglando mokis lin. Tio signifas, ke oni estas superregata de unu ideo kaj ne povas ĝin ŝanĝi poste.

[4]) Serĉi fiŝon en arbaro: Fiŝoj vivas en akvo. Serĉi ilin en arbaro signifas senutilan laboron.

---

koraŭ angulo-placo. Baldaŭ ekiris la ekspreso, ho, la granda aventuro komenciĝis.

Dum li legis ĵurnalon, iu el la kunvojaĝantoj lin alparolis. Teruro enfalis lian koron. Sed temis nur pri peto de alumeto. Li donis alumeton kaj denove profundiĝis en la studado de la ĵurnalo. Ĉu li similas al kulpulo? Tute ne, li estas ordinara vojaĝanto, trankvile leganta sian ĵurnalon.

La konduktoro anoncis nun: »Utrecht«. Novaj pasaĝeroj alvenis. Senpacience kaj febre li atendis la signalon por pluveturado.

»Arnhemo«. Li grumblis: Bone, bone! Feliĉe du pasaĝeroj forlasis la vagonon. Li jam delonge observis ĉi tiujn pasaĝerojn, supozante en ili du oficistojn de la sekreta polico. Bone, nun ili forlasis la ekspreson kaj li trankviliĝis.

Sed en Arnhemo la du elirantoj estis anstataŭigitaj de korpulenta homo, kiu okul-videble apartenis al la sekreta polico. Estu prudenta, Fritz! Denove li profundiĝis en sia ĵurnalo, kvazaŭ li vojaĝus por plezuro.

Subite vigla kurado en la koridoro de la vagono. Kio okazis?

Kompreneble la ordinara bildo ĉe alproksimiĝo de la landlimo. Trafluginte la landon apud Zevenaar, fine la ekspreso haltis en Emmerich. Certe inter la pasaĝeroj troviĝis kelkiu, kiu provis kontraŭleĝe malpermesitajn varojn. Kia tumulto!

»Gesinjoroj! ĉiuj eliru! paskontrolo!« kriegis subite du oficistoj, starantaj en la kadro de la vagonpordo.

Ho, Fritz Aŝbach tiurilate ne havas zorgojn. Lia pasporto estas orda.

De post lia fuĝo el la ĉefurbo nur du horoj pasis, neniu povas scii, ke li nun estas survoje al Berlino. Neniu povas scii, ke la granda rabaĵo estas bone kaŝita en la poŝo.

Dum la paskontrolado estis la decida momento, montri superhoman memdisciplinon. Oni devas resti prudenta, ludante sian rolon ĝis la fino.

Ĉe la demando de la oficisto li transdonis kun eleganta gesto sian pasporton, sed — teruro! — kion faris la homo?

Laŭtvoĉe li alvokis aliajn homojn kaj baldaŭ — sen kontraŭstaro — Fritz Aŝbach estis arestita!

En la ĝenerala tumulto li aŭdis nur la vortojn: »Henriko Langebak, vi estas arestita en la nomo de la leĝo, kiel murdinto de Mariana Relling!«

ĉasistoj. Bonvole demandu la ledĉapulojn.[5]) Kiel la vojiranto povas kulpi?! Plue, kvankam mi estas malsaĝa, ĉu mi ne konas lupon? Ĝi estas avida kaj kruela, faras malutilon kune kun ŝakalo. Se via moŝto penas ĝin kapti, kompreneble mi ĝojas vin servi. Kiel mi povus rifuzi diri al vi la kieeston de la lupo?!«

Vicgrafo Ĝian silentis, kaj antaŭen veturis. La sinjoro, ankaŭ, irigis la azenon je duobla rapideco.

Longe poste, plumoj kaj standardoj ne plu vidiĝis, veturiloj kaj ĉevaloj ne plu aŭdiĝis. La lupo, konjektante ke Vicgrafo Ĝian malproksimiĝis, diris el la sako: »Atentu, sinjoro! Elsakigu min, malligu min, eligu la sagon el mia brako! Mi foriros!«

La sinjoro eligis la lupon. Ĝi muĝe diris al la sinjoro: »Antaŭ momento, la ĉasistoj persekutis min, ili venis tre rapide, feliĉe vi min savis. Mi tre malsatas. Se mi ne manĝus, sendube mi fine mortus. Mi pli volus, ke la ĉasistoj min mortigu kaj faru min oferaĵo por nobeloj, ol ke mi mortu sur vojo pro malsato kaj fariĝu manĝaĵo por aro da bestoj. Vi estas moisto, volas vin oferi por utili al la mondo, kial do vi domaĝas vian korpon por nutro min kaj savi mian vivon?«

Tion dirinte, ĝi movis la buŝegon, etendis la ungegojn, kaj kuregis al la sinjoro. La sinjoro rapide kontraŭbatalis ĝin per siaj manoj. Batalante kaj retroirante, li rifuĝis malantaŭ la azenon. Li urinis kaj kuradis. Malgraŭ ĉio, la lupo ne sukcesis malutili lin. Li rezistis fervore. Ili ambaŭ laciĝis, kaj spiregis ambaŭflanke de la azeno unu kontraŭ la alia.

La sinjoro diris: »Sendanka lupo!«

»Mi ne volas esti sendanka, sed Dio kreis vin homojn, nur por ke ni vin manĝu.«

Ili longe kvereladis. La ombroj de la suno longiĝis.

La sinjoro pensis en si mem: »Tuj vesperiĝos, kaj se lupoj venus are, certe mi mortus!« Do li trompe diris al la lupo: »Laŭ popolmoro, se oni havas dubon, oni demandas tri maljunulojn pri ĝi. Ni iru serĉi tri maljunulojn kaj ilin demandu. Se ili diros, ke oni rajtas min manĝi, do manĝu, se ne, do ĉesu.«

La lupo ĝojegis, kaj kuniris kun li. Post kelka tempo, ankoraŭ ne montriĝis vojiranto sur la vojo. La lupo tre deziris manĝi. Vidinte maljunan arbon, rigide starantan apud la vojo, ĝi diris al la sinjoro: »Vi povas demandi ĉi tiun maljunulon.«

La sinjoro diris: »Planto ne havas scion, kian profiton ni tirus, se ni ĝin demandus?«

La lupo diris: »Sed demandu ĝin, kaj ĝi parolos.«

La sinjoro povis nur obei, salutis la maljunan arbon, rakontis al ĝi la tutan okazaĵon kaj demandis: »Post tio, kion vi aŭdis, ĉu vi opinias, ke la lupo rajtas min manĝi?«

El la arbo muĝis sono, kiu diris al la sinjoro: »Mi estas abrikotarbo. Kiam la maljuna fruktoĝardenisto min semis, li uzis nur unu kernon. Post unu jaro, mi ekfloris. Post alia jaro, mi ekfruktis. Post tri jaroj, mi iĝis plenmane dika. Post dek jaroj, brakume dika. Ĝis nun, jam dudek jaroj. La maljuna ĝardenisto manĝadis min, lia edzino manĝadis min, kaj ankaŭ liaj gastoj kaj servistoj, ĉiuj manĝadis min. Krome li vendadis miajn fruktojn en bazaro por akiri monon. Mi tre utilas al la maljuna ĝardenisto. Nun mi jam maljuniĝis, ne povas plu flori kaj frukti. Tio kolerigis lin. Li hakis al mi la branĉojn, detranĉis la foliojn, kaj eĉ vendos min al ĉarpentisto. Ve, mia ligno ne taŭgas por konstruado kaj mi maljuniĝas, kiel la subiranta suno, tamen mi ne povos eviti la sorton, ke oni dehakos min! Kian bonon vi faris al la lupo, ke vi aspiras saviĝon? Memkompreneble, ĝi devus vin manĝi.«

Post kiam la arbo tion diris, la lupo ree movis la buŝegon, etendis la ungegojn, kaj kuregis al la sinjoro.

La sinjoro diris: »Vi lupo rompas nian kontrakton. Vi promesis demandi tri maljunulojn. Nun ni renkontis nur unu abrikotarbon, kial tiel persekutas min?«

Ili denove kuniris. La lupo iĝis pli malsata. Vidinte maljunan bovon sunumantan inter ruinigitaj muroj, ĝi diris al la sinjoro: »Vi povas demandi ĉi tiun maljunulon.«

La sinjoro diris: »Antaŭ momento, la sensencaĵo de sensscia planto malutilis nian aferon. Bovo estas nur besto, kiel ni devas ĝin demandi?«

La lupo diris: »Sed demandu ĝin, alie mi vin manĝos.«

La sinjoro povis nur obei, salutis la maljunan bovon, ree rakontis la tutan okazaĵon kaj demandis ĝin.

Sulkigante la brovojn, grandigante la okulojn, lekante la nazon kaj malfermante la buŝon, la bovo diris al la sinjoro: »La diraĵo de la maljuna abrikotarbo ne estas malprava. Kiam miaj kornoj ankoraŭ estis malgrandaj, kiel kokonoj kaj kaŝtanoj, mi jam estis tre muskolforta. La maljuna farmisto vendis nur unu glavon por min aĉeti. Li igis min helpi la bovaron labori en la suda kampo. Kiam mi maturiĝis, la bovoj pli kaj pli maljuniĝis kaj malfortiĝis, kaj mi entreprenis ĉiajn laborojn anstataŭ ili. Kiam li veturis, mi tiris la kampveturilon, kaj elektis la plej mallongan vojon por rapidigi la iradon. Kiam li plugis, mi lasis la veturilon, kaj iris al la kamparo por forigi dornarbetojn. La maljuna farmisto amis min, kiel siajn dekstran kaj maldekstran manojn. Mi provizadis lin per vestoj kaj manĝaĵoj, mi plenumadis al li edziĝojn kaj edziniĝojn, dank' al mi pagiĝis la imposto kaj pleniĝis la grenejo. Mi kredis, ke mi povus havi stalon, kiel ĉevaloj kaj hundoj. Antaŭe li ne havis litron da greno en sia domo, nun li rikoltas buŝelojn da tritiko. Antaŭe li ne havis servistojn en sia malriĉa hejmo, nun li promenadis malrapideme en la vilaĝo kaj najbaraĵo. Antaŭe liaj glasoj kaj karafoj estis polvoplenaj, liaj lipoj ne tuŝis alkoholaĵon, kaj dum duono da vivtempo li ne kontaktis kun virino; nun li fermentigas milion, ĝuadas likvorojn, kaj fieras pri siaj edzino kaj konkubinoj. Antaŭe li portis mallongan jakaĉon, kunvivis kun ligno kaj ŝtono, ne sciis kio estas saluti kaj kio estas lerni; nun li vizitas la vilaĝlernejon, portas bambuĉapelon kaj vastajn vestojn kun ledzonaĉo.[6]) Ĉiun fadenon, ĉiun grenon mi gajnis por li. Tamen, profitante mian maljunecon, li jam forpelis min en sovaĝejon. Akra vento blovadas al mi en la okulojn, malvarma suno kompatadas mian solan ombron, miaj malgrasaj ostoj elstaras kiel montoj kaj miaj maljunaj larmoj faladas kiel pluvo. La salivo ĉiam pendas de mia buŝo kaj la piedoj estas konvulsiaj. Mia felo estas senhara kaj mia vundo kaj ulcero ne saniĝas. La edzino de la maljuna farmisto, jaluza kaj kruela, matene kaj vespere kalumniadas min al li: Neniu parto de la korpo de bovo estas senutila. La viandon oni povas sekigi, la felon oni povas tani, eĉ la ostojn kaj kornojn oni povas uzi por fari ilojn! Kaj

[5]) Ledĉapuloj: Antikvaj ĉasistoj portis ledĉapojn, sekve oni ilin nomas ledĉapuloj.

[6]) ‚Ledzonaĉo': simpla, senornama, leda zono por malriĉa kaj malnobela ulo.



# OBSERVO

## MAIMONIDO

Vizitanto de Hispanujo admiras belegajn konstruajojn el la maŭra epoko, la fieran Alhambra en Granada, la Leonan Kortegon en Cordova. Neforigebla el la vizaĝo de la kastilia lando estas tiuj trajtoj de pasinto kaj mirige ankaŭ el la karaktero de la nuntempaj loĝantoj. Homoj, lingvo, konstruaĵoj atestas pri la nobla influo de tiu ĉi invado de marokanoj, araboj el Maroko puŝitaj de la nova religio de Mahometo. Kelkaj jarcentoj de konstanta paca evoluo sekvis la sangan subpremon de la kristanoj, rifuĝintaj en montarojn kaj atendintaj sian tempon. Tiuj jarcentoj de kultura evoluo araba en Eŭropo estis finitaj per la venko de la kristanoj ĉe la fino de la 15-a jarcento. Kaj la pereo de tiu ĉi mondo estis faktoro tre grava por trovo de alia, la tiel nomata nova mondo. Kolumbo ricevis la petitan subtenon financan de l' kastilia reĝino dank' al tiu ĉi venko, la batalpreno de sieĝita *Granada* en jaro 1492. El subpremitoj iĝas subpremantoj, tiel ŝajnas esti la daŭra sorto de la homaro.

La maŭra regado en Hispanujo estis fonto riĉega de nobla kulturo. Floris sciencoj, metioj, ekkono de novaj veroj sub la temp-al-tempe tolerema regado de la kalifoj. Apud la maŭra kulturo ekvivis hebrea renesanco, ĉar ekloĝis en la Iberia duoninsulo hebreoj persekutataj en aliaj landoj kaj trovintaj rifuĝon sub la kalifoj. Jam en frua tempo sub romanoj loĝis hebreoj en tiuj landoj, sed la toleremo de la kalifoj allogis multajn, kiuj ne povis vivi aliloke.

Tiu ĉi epoko de la maŭra Hispanujo formas la helajn paĝojn el la estinto hebrea, pri kio ĉiu ano de tiu ĉi gento rajtas estis fiera. Estis la tempo, kiam malaperis la Talmud-lernejoj en Pumbedita kaj Sura, kiuj havis la rolon de ĉefa instanco por la interpreto kaj scienca prilaboro de la Miŝna tekstoj. Estu rimarkata, ke disigite en ĉiuj landoj de la tiam konata tero, la hebrearo posedis en la Talmudo la spiritan interligilon. Kiom ajn gravaj estis la eksteraj influoj, ĉiam la sanktaj libroj kaj tekstoj konservis sian rolon de kondukanto kaj kunliganto.

Sed jam prepariĝis la loko, kie scienco kaj kulto hebrea — ligitaj intime kiel nenie observebla ĉe alia gento — trovis novan hejmlandon. Estis en la jaro 756. Pasis tiam iom pli ol kvindek jaroj post la gravega batalo ĉe Jerez de la Frontera (estinta Xeres, la regiono de la fama Sherry vinoj) la venko de Tarik kontraŭ Roderigo, la gota reĝo. Ĉie la maŭroj venkis la enloĝantojn, ĉefe visigotojn kaj ekfondiĝis novaj reĝlandoj. Tiel Abd-ul-Rahman fondis la reĝlandon aŭ pli bone emirlandon de Korduva, iam centro de la fama kaproledo-industrio. Tiu ĉi emirlando floris, kaj dank' al favoraj privilegioj, la hebrea komunumo disvolviĝis kaj fariĝis centro por la ceteraj komunumoj ekzistantaj en aliaj lokoj iberiaj. Kaj el tiu ĉi judaro aperis la plej granda poeto, plej delikata kantisto, kiun konas la klasika lingvo hebrea. Estas Jehuda ben Ha-Levi kies plena nomo araba estis Jehuda Abu'l Hassan ben Samuel Ha-Levi. Li vivis de 1085 ĝis 1140, kaj laŭdire estis mortigita proksime de Jerusalemo, kien li migris. Jehuda Ben Halevi estis la unua, kiu en okci-

---

ŝi diris al sia plej aĝa filo: ‚Vi metilernadis ĉe la buĉisto multe da jaroj, kial vi ne akrigas la glavon kaj atendas?' Tial mi scias, ke oni malutilos al mi, kaj ke mi mortos kompatinde! Nu, mi utilis al li, tamen li estas tiel kruela kaj baldaŭ min mortigos. Kian bonon vi faris al la lupo, ke vi aspiras bonŝancan saviĝon?«

Kiam la bovo tion diris, la lupo ree movis la buŝegon, etendis la ungegojn, kaj kuregis al la sinjoro.

La sinjoro diris: »Ne rapidu!«

Li vidis ke maljunulo venas kun promenbastono en la mano, kun neĝoblankaj barbo kaj brovoj, portante graciajn ĉapelon kaj vestojn. Probable virtulo. La sinjoro surpriziĝis kaj ĝojiĝis, forlasis la lupon — kaj antaŭeniris. Riverencante, surgenuiĝante kaj plorante, li diris: »Unu vorton mi petas de vi, plejaĝulo, por min savi!«

La plejaĝulo demandis pri la kialo.

La sinjoro diris: »La lupo, persekutata de ĉasistoj, petis helpon de mi. Mi ja savis ĝin. Malgraŭ tio, li volis min manĝi, ne aŭskultante al mia petego. Mi petis de li prokraston, kaj mi konsentis decidigi tion de tri maljunuloj. Unue, renkontante maljunan abrikotarbon, ĝi devigis min demandi tiun. Planto ne havas scion, preskaŭ min mortigis. Due, renkontante maljunan bovon, ĝi devigis min demandi tiun. Besto ne havas scion, ree preskaŭ min mortigus. Nun mi renkontas vin, ĉu Dio ne volas pereigi la kulturon?![7]) Mi kuraĝas peti de vi unu vorton por min savi.« Kaj li riverencis sub la bastono.

Aŭdinte tion, la plejaĝulo ĝemetis kaj reĝemetis. Frapante la lupon per la bastono, li diris: »Vi eraris. Sendankeco estas plej malbonaŭgura. Konfucianoj diras: kiu estas dankema, tiu estas fila; ankaŭ tigro kaj lupo havas patron kaj filon. Vi estas tiel sendanka, sendube vi eĉ ne havas patron kaj filon«. Kaj li diris severe: »Forkuru, vi lupo! Alie mi vin mortigos per la bastono.«

La lupo diris: »Vi plejaĝulo scias nur parton de la tuta afero. Bonvole aŭskultu al mi, mi petas. Komence, kiam li savis min, la sinjoro ligis al mi la piedojn, fermis min en sakon, metis sur min multe da pezaj libroj. Mi kurbiĝis kaj ne kuraĝis spiri. Plie li babilaĉis al Vicgrafo Gian, intencante mortigi min en la sako kaj profiti de tio. Kial mi ne povas lin manĝi?«

La plejaĝulo diris: »Se jes, ankaŭ vi estas kulpa.«

La sinjoro plendis kontraŭ la mensogo, kaj rakontis, kiel li ensakigis la lupon, ĉar li ĝin kompatis. La lupo ankaŭ argumentis ruze por venki.

La plejaĝulo diris: »Ĉio tio ne estas kredinda. Denove ensakigu ĝin, ke mi vidu, ĉu ĝi efektive suferos.«

La lupo ĝoje obeis, etendante siajn piedojn al la sinjoro, kiu denove ĝin ligis, ensakigis kaj levis sur la azenon, kiam la lupo nenion sciis.

La plejaĝulo flustris ĉe la orelo de la sinjoro: »Ĉu vi havas ponardon?«

La sinjoro diris »jes,« kaj eligis ĝin.

La plejaĝulo okulsignis al la sinjoro, ke li piku la lupon per la ponardo.

La sinjoro diris: »Ĉu tio ne malutilos la lupon?«

La plejaĝulo diris ridante: »La besto estas tiel sendanka, kaj vi ankoraŭ ne volas ĝin mortigi, vi estas vere humana, sed tre malsaĝa! Malsupreniri en puton por homon savi, senvestigi sin por amikon vivigi: tio estas bona por ili, sed oni mem mortus! Ĉu vi ne estas tia, sinjoro? Malsaĝe humana, virtulo ne volas esti.«

Tion dirinte, li ridegis. La sinjoro ankaŭ ridis. Li helpis al la sinjoro mortigi la lupon per la ponardo. Ili lasis la korpon sur la vojo kaj foriris.

El la ĉina: *Venlo Forno.*

[7]) Konfucio foje iris de Velando al Ĉenlando, pasante tra Kuanglado. La Kuanganoj lin atakis. Konfucio diris: »Se Dio ne volus pereigi la kulturon, kiel povus la Kuanganoj min malutili?«

dento instigis la disigon de religio kaj filozofio, aŭ pli precize, de kredo kaj scio. Liaj laboroj — li estis kuracisto, filozofo, poeto — estis la grundo por la plej granda pensulo de la mezepoka judaro: Mozeo Maimonido.

Tiu ĉi nomo, grekigita, sonis Moze ben Maimun en araba idiomo. Li naskiĝis la 30-an de Marto 1135 en Kordovo, kiel filo kaj nepo de patroj okupintaj tra pluraj generacioj oficon en la konsilantaro de la rabenoj. La kono de la Miŝna, tio estas de la reguloj valorantaj por la vivo de la judoj, kaj per ĝi nature la kono de la Talmud-literaturo estis la kutima studo de tiu ĉi tempo. Ambaŭ fariĝis intimaj eroj de la spiritaj trezoroj de Maimonido. Sed kiom malfacile. En la jaro 1148, Kordova, sub la regado de la Omajadoj estis atakita de araba sekto, de la almohadoj. Malaperis kun la libereco de la kredoj kaj la certeco aŭ sekureco de la lando ankaŭ la kultura vigleco de la hispaniaj hebreaj komunumoj. La patro de Maimonido devis forlasi la urbon kaj vagi dum jaroj tra Hispanujo ĝis fine li iris al Maroko kaj ekloĝis en la urbo Fez. Oni ne komprenas hodiaŭ, kio devigis lin iri precize en la centron de la almohada maltoleremo. La tempon de la migrado li uzis por inicii siajn infanojn en la konon de la Malnova Testamento, de la Miŝna kaj de talmudaj spekulacioj. Tio ĉefe valoris por la tre intelekta Mozeo, tre kapabla kompreni religi-filozofiajn problemojn. Samtempe, islamaj instruistoj penadis lin instrui pri naturscienoj, florantaj tiam en ĉi tiu lando, sed tute ne konataj en kristanaj landoj kaj kulturoj tiutempaj. De la naturaj sciencoj Mozeo trovis tuj la vojon al la filozofio kaj medicino, kiu lasta poste fariĝis por li vivrimedo, almenaŭ ekstere. Fine, en la jaro 1156, la familio sukcesis forkuri el la regado almohada. Patro Maimun kun la filoj Mozeo kaj Davido ekloĝis en Fostat, malnova parto de antikva Kairo, en Egipto. Maimun mortis jam sekvintan jaron.

La filo Davido komercis per juveloj, ĉe kiu partoprenis Mozeo, kio tamen permesis al li plenigi la liberan tempon per vastaj studoj. Nur kiam Davido dum vojaĝo pereis sur oceano kaj perdigis al Mozeo sian havajon, tiu ĉi komencis eluzi siajn konojn de medicino. Sed li ne tuj sukcesis kaj ne havis klientaron kontentigan. Sed kiam sultano Saladin, grandanima kaj tolerema, okupis la regadon, oni konsentis al la judoj pli grandan liberecon. Mozeo fariĝis kuracisto, se ne de la sultano, almenaŭ de la grandveziro Al Fadhel, kiu pagis al li regulan pension, kio forigis por ĉiam la mizeron. Ankaŭ aliaj granduloj de la kortego uzis la servojn de Maimonido, filo de Maimon, kiel li sin nomis nun. Tiel pasis la vivo de Maimonido, kiu mortis en la jaro 1204.

Tiom pri la ekstera skemo de la vivo de Maimonido. Sed kiom pli grava ol tiuj eksteraj okazajoj estis la efiko de tiu ĉi viro trans jarcentoj! Lia plej granda kaj lasta verko, skribita en lingvo araba »Kondukanto de l' erarantoj« estas la genia provo de profunde kredema judo, pruvi la prudentbazitan pravecon de hebrea religieco per la rezultoj de la filozofiaj rekonoj, ĉefe de la Aristotela. Lia pensado troviĝas sub la percepto, ke la pozitiva religio estas nepre necesega por la popolamasoj, sed restas nur fasado por edukitoj, por kiuj malantaŭ ĝi devas esti serĉata la vero plena. Tio estis la ĝenerala penso de la tiamaj saĝuloj arabaj, kiun jarcentojn pli poste ni revidas inter la okcidenta pensado sub la nomoj renesanco kaj humanismo. Ne ekzistas dubo, ke Mozeo Maimonido, ligante Talmudan saĝecon kun metafiziko kaj etiko devenintaj de Aristotelo, igis tiun ĉi pli konata en la okcidento. La religio juda, instruita de dio mem, devis enteni la plenan veron. Tiu ĉi plena vero povis esti pruvita per rekono kaj al la vera rekono sekvis la prava agado. Tiel la instruoj de Sokrato influis, tra sia nepo-lernanto, la mezepokan judon.

En sia komentario de l' Talmudo, Mozeo starigis 13 kredo-tezojn, inter kiuj eble tiu de la netuŝebleco de la Thora certe aperas strange. Verdire, en la starigo de kredotezoj, Mozeo Maimonido montriĝis senkonscie influita de l' kristanismo. Certe ankaŭ la judaismo premisas en ĝia principaro precizan klare formulitan mondpercept, sed ĝia decida enhavo ne estas kaj neniam estis kredo, sed la »*plenumo* de la Thora«. Vera judo estas ne tiu, kiu kredas al la Thora, sed tiu, kiu ĝin plenumas!

Mozeo Maimonido jam en sia junaĝo estis direktata al la akcentado de la kredo. Li, kiel lia tuta familio, ja devis aliĝi — formale — al la Islamo kaj per la lipoj konfesi la profetecon de Mahometo. Kiam severa judo konfuzis morale siajn samkredantojn per la aserto, ke ĉiuj tiuj ŝajn-mahometanoj estas rigardeblaj laŭ la Thora kiel malfideluloj, ke ilia atesto antaŭ juda tribunalo ne estas valora, tiam precize Mozeo Maimonido lin kontraŭis, por pruvi al li el Biblio kaj Talmudo, ke judo, por savi sian vivon, rajtas tian »lipokonfeson«. Tiu ĉi sperto, kiun Mozeo akiris per la praktiko, certe influis la junan pensulon jam tre tendencantan al filozofi-mondperceptaj problemoj.

Karakteriza por la granda hebreo estis, ke li neniam verkis poemojn, kion li rigardis bela ludaĵo. Ankaŭ en tio li diferencis de sia granda antaŭulo Jehuda ben Halevi, kvankam ambaŭ komencis klarigi la aristotelismon inter la hebrearo en tempo, kiam la skolastiko ankoraŭ ne partoprenis en tio. La skolastiko precize konatiĝis kun la instruoj de la granda greko per la skribaĵoj de Maimonido.

La interligo de greka serĉado de vero kun la biblia dia kredo, komenciĝinta per Maimonido, trovis daŭrigon en Albertus Magnus, la influriĉa instruanto de la plej granda germana mistikulo majstro Ekkehard, kaj ĝi efikas ĉiam ankoraŭ ĝis en la nuna tempo per la vivanta aŭtoritato de Thomas de Aquino.

Sed la batalo, kiu komenciĝis inter Jehuda ben Halevi, Mozeo Maimonido kaj la judaro, ankaŭ ne finiĝis tiom rapide. Mozeo estis adorata dum sia vivtempo. Lia tombo portis la surskribon:

*Jen kuŝas hom', kaj tamen ne hom'. Se homo vi estis, ĉielaj estaĵoj surombris patrinon vian.*

Sed pli malfrua surskribo diris: *Jen ripozas Mozeo Maimonido, la ekzilita herezulo.*

Pli akre ne povas esti skizita la batalo inter la hebreoj pri unu el iliaj plej grandaj filoj ol per tiuj du malsamaj tekstoj. *G. Agricola.*

ROMANO DE BERNHARD KELLERMANN. Kiu ne legis la librojn de Kellermann? Li vojaĝis tra la tuta mondo kaj donacis al ni librojn kun kolorriĉaj priskriboj de Japanujo, Persujo kaj Tibeto. Li profundiĝis en la pasintecon, de kie li prenis sian dramon de la rebaptistoj. Lia »Ingeborg« apartenas al la plej ŝatataj libroj de la sentema junularo. »La maro« vekis la sopiron al la senfina ŝanĝiĝema akvo ĉe ĉiu, kiu ankoraŭ ne vidis ĝin kaj »La tunelo« antaŭvidis la triumfon de la entreprenama tekniko, kiu intertempe jam eĉ faris pluajn progresojn.

Kaj nun li rakontas historion el la nuntempo. »Kanto de la amikeco« nomiĝas lia nova verko. Kvin junaj homoj revenas el la milito. Tie kunligis ilin la bona kamaradeco de la samsortanoj. Post la milito unu el ili invitas la kvar aliajn al sia patra bieno, sed li trovas la iam florantan, riĉan posedaĵon tute pereigita de incendio. Sed la amikoj ne malesperas kaj komencas rekonstrui en malfacila laboro la ruinigitan bienon. Kaj ili sukcesas en la ŝajne malebla laboro dank' al la forto de ilia espero kaj la spitema kuraĝo de ilia juneco, dank' al la rokfirma fideleco de ilia amikeco. Kvankam ili tre diferencas laŭ karakteroj, la amikeco, ligita en mortdanĝeroj, tamen firmtenas. Unu el ili estas ĉarpentisto, la dua masonisto kaj ĝardenisto, la tria frizisto, la kvara estis forĝisto, sed plu ne povas labori kiel tia, ĉar li blindiĝis. Ili ĉiuj kunhelpas por rekonstrui al la kvina kamarado lian posedaĵon. La bieno certmaniere iĝas propraĵo de ĉiuj kvin kaj per ilia komuna penado montriĝas videbla beno.

La ago plenumiĝas en tiu vera, instiga ŝanĝiĝo de tragiko kaj humoro, de heroismo kaj malforto, de krimo kaj virto, el kiuj ja fakte konsistas la ĉiutaga vivo. Oni nur ne ĉiam rimarkas tion en la ĉiutageco. Sed ĉi tie, en la libro de Kellermann, de linio al linio, de paĝo al paĝo, oni ekkonas la entuziasman sorĉon de la ĉiutaga vivo kun

belega klareco. Tute proksima al la bieno situas urbeto, ĉe bordo de lago, kiu evoluiĝas al somero-restadejo. Jen estas abundo de figuroj, de buntaj okazajoj, de sortoj, montritaj kun la moroj kiujn ĉirkaŭas spiro de komiko, trateksita de ambicio, venenita de akiremo, pliintensigita de voluptemo, kelkfoje ankaŭ nobligita de doloro pro sincera amo. Vivege la homoj preterpasas, ili estas kvazaŭ palpeblaj, tiel klaraj, kvazaŭ oni jam de longe konus ilin. La kvin amikoj prezentiĝas kun ĉiuj siaj virinoj kaj dubaj amikinoj, kiuj ĉirkaŭas ilin, en bela, plastika homeco; ĉu oni volas ĉu ne, oni devas amikiĝi kun ili. Bernhard Kellermann gardas ĉiun el ili, li ne povas toleri, ke eĉ nur unun el ili fakte trafu plago daŭra; kvankam ili devas travivi sufiĉe da malfacilajoj, ĉio finiĝas bone.

La libro, aperanta en tempo, en kiu Eŭropo ankoraŭ ne resaniĝis el la sekvoj de la milito kaj jam denove staras ĉe la limo de la malespero, estas taŭga konsoli malkuraĝemajn animojn. Paca kunlaboro, bonvola komprenemo, fideleco kaj laboro, laboro, laboro, tio, kaj nur tio estas kaj restas la fontoj de bonfarto, la solaj vojoj al pli bona estonteco. Tio estas la enhavo en la nova libro de Bernhard Kellermann kaj en tio ankaŭ kuŝas ĝia granda valoro. *F. W. V.*

JOHN TRANUM: VIVO INTER ĈIELO KAJ TERO. La libro estas kvazaŭ aŭtobiografio de la fama falombrel-saltulo. Certe interesas nin, kiel komenciĝis lia sukcesplena vivo, kiu por ordinara homo, kutimiĝinta singarde meti piedon post piedo sur la teron, ŝajnas simple nekomprenebla. Do, ne sen kaŭzo estas legebla en la komenco de la libro la demando: »Ĉu vi freneziĝis?« Kaj la titolo de la ĉapitro propre jam estas ankaŭ respondo; ĝi tekstas: »Dependas tute de la vidpunkto.« John Tranum esprimas en la enkondukaj vortoj la opinion, ke fine ĉiujn aferojn, kiuj devojiĝas de la normo, oni povas nomi frenezaj. Ĉu la homo ne estas besto, li diras, kiu nur emancipiĝis kaj estas freneza el la vidpunkto de la besto? Al ĉi tiu koncepto la matura viro Tranum venis, multe pli malfrue ol kiam li, sentanta jam kiel ludanta infano neklarigeblan intiman rilaton al motoro, eksentis la nevenkeblan volon regi pere de la maŝino la aeron.

Tranum elkreskis en Danujo sur la Fanobordo kaj jam kiel malgranda bubo li ĉeestis la vetveturojn de aŭtomobiloj, ĉe kio li malkovris sian pasion por la motoro. La fama Captain Malcolm Campbell estis lia adorata idealo. Li iĝis lernanto ĉe mekanikisto, lernis la konstruon de motoroj kaj elmigris al Ameriko, ĉar nur tie li esperis kontentigi sian movemon, post kiam li, jam kiel bubo, starigis rapidec-rekordojn. Li iris al Los Angeles, laboris sur petroleokampoj, estis en Beverley Hills kaj Ascot Speedway, elvivis sin kiel motorrad-veturulo, veturis per aŭtomobiloj terurajn tempojn. Sed tio lin ankoraŭ ne kontentigis. Lia elemento estis la aero, en kiu povas esti multobligita la susura venko super la spaco. Fine li lernis flugi, fuĝis de la instruisto por kuraĝega flugo, aĉetis malnovan difektitan flugkeston, kiun li mem faris sufiĉe taŭga kaj ekzercis sin je unu el la plej kuraĝaj artistflugistoj. Sed tio ĉiam ankoraŭ estis nur etapo. Nur iom post iom sekvis tiuj brilaj flugoj, kiujn John Tranum rigardis indaj je sia penado. La »Looping« ne sufiĉis al li. Li saltis el la aŭto en la flugmaŝinon kaj reciproke, kun ŝnurŝtupetaro, sen ŝnurŝtupetaro, aranĝis flugspektaklojn, ĉe kiuj li ripete estis grave vundita kaj ĉe kiuj aliaj trovis la morton.

Tre surprize komenciĝis lia kariero de falombrel-saltulo. Nova flugplaco devus esti solene malfermita. Tranum ĉe tio havis sian rolon kaj la festaranĝo ankaŭ brile sukcesis. Sed la dungita falombrel-saltulo ne venis. Jen, iu el la festkomitato, konsternita pro tio, faris al Tranum la proponon, simple anstataŭigi la ne venintan falombrel-saltulon. Tranum neniam ankoraŭ provis desalton per la falombrelo. Sed li iam vidis, kiel iu el liaj kamaradoj ĉe tia provo trovis la morton, ĉar la ombrelo tro malfrue malfermiĝis. Kvindek dolarojn proponis la festkomitato. Sesdek! postulis la juna Tranum mallonge kaj decidiĝis salti. Oni donis al li kelkajn suprajajn klarigojn, ĉar, pro manko de tempo, pli ne estis ebla. Kaj Tranum saltis de 1800-metra alteco en la profundon, en la mezon de miloj da rigardantoj. Kaj li feliĉe surteriĝis. Sesdek dolaroj ŝajnis al la ankoraŭ tre juna Tranum sufiĉe allogaj, por riski por ili sian vivon. Eble nur poste li rimarkis, ke la falombrelo facile estus povinta sin volvi ĉe la tiam ankoraŭ tro simpla instalajo, ĉe la flugiloj aŭ ĉe la direktilo.

Bele priskribas Tranum sian unuan ŝvebadon malsupren de la flugaparato: »Verŝajne pasis kelkaj sekundoj, ĝis kiam malfermiĝis la falombrelo. Mi ne scias. Sed tio ŝajnis al mi daŭri senfine. Subite kun krako malfermiĝis la ombrelo kaj mi sentis tiel fortan ektiron, ke mi pensis esti disŝirata en du pecojn. Sed poste mi havis rekte grandiozan senton! Estis belege, tiel ŝvebi malsupren. Mi pendis sur tiu flava velo, dum la aeroplano malaperis en la malproksimo. Sub mi estis miloj da homoj, kiuj aspektis kiel malgrandaj muŝoj.«

Kuŝis en la naturo de la aferoj, ke John Tranum ne longe povis resti kaŝita por la filmo. Li saltas de brulanta flugaparato, li promenas dum la aerveturo sur la flugilsurfacoj, faras tie artistajojn. Li plibonigas la sekurecon de la falombrelo. Estas eterna batalo kun vivdanĝero harstrikte preter la morto. Sed ĝuste tio estas, kio donas al Tranum la plej altan vivosenton: la danĝer-veneno, al kiu li kutimiĝis. Tre detale pritraktas la libro la teknikan flankon de la nekomparebla artista laboro, kiu precipe al la sportamanto havas multe por diri kaj krom tio estas akompanata de ilustrajoj. Tranum ne forgesas priskribi ankaŭ la strangan kaj ofte tragikan sorton de aliaj flugakrobatoj, ĉe kio li priskribas landojn kaj regionojn, kiujn li vidis ĉe siaj rondflugoj, kaj kelkfoje viron, kiu estis el la sama ŝtofo kiel li, sed al kiu la sorto ne favoris atingi la saman sukceson. Treege interesaj estas ankaŭ liaj vizitoj en Anglujo kaj la spertoj, kiujn li faris ĉe la filmo, en kies gigantan laborejon li lasas fari al la leganto impresplenajn rigardojn.

John Tranum estas mortinta. Lia libro estas postmorta. Sed li tute ne mortis pro akcidento. Li mortis pro koratako, kiam li ĝuste intencis entrepreni falombrel-salton. Lia libro finiĝas kun la priskribo, kiel li provis starigi novan falombrel-rekordon kun malfruigo de ombrel-malfermiĝo. La kuracistoj tiam klarigis al li, ke la homa koro ne eltenas la postulon, kiu por tia eksperimento estus necesa pro la subita ŝanĝo de la aerpremo. »Sed la kuracistoj diras, li ankoraŭ skribas, ke mia koro estas tute sana kaj mia sangpremo normala«. Kaj li fakte saltis el 6400-metra alto, superatingis la rekordon kaj venkis.

*F. W. V.*

MAURICE MAETERLINCK: »VOR DEM GROSSEN SCHWEIGEN.« (Antaŭ la granda silento.) Antaŭ kvindek jaroj skribis Maeterlinck, jam tiam plu ne la verkisto de la »Mona Vanna«, belan kaj konsolan libron pri la morto. Belaj kaj konsolaj estas ankaŭ la mark-aŭreliaj pensoj de lia plej nova libro, en kiu la nun jam pli ol sepdekjara verkisto kun modela trankvilo provas konvinki sin kaj nin, ke vivi signifas verdire morton kaj morto estas la sola daŭra formo de la vivo. Tio memorigas nin pri tiu antikva saĝulo, kiu asertis: »Vivo kaj morto estas la sama«; kaj kiu, kiam lia amiko lin demandis, kial do li ne mortigas sin, malŝate respondis: »Ĉar estas la sama.« Pluraj demandoj, kiujn faras Maeterlinck; ekzemple: ĉu ni ne imagu al ni la mondon prefere kuboforma ol kugloforma, fakte ne gvidas plu ol en la senfinon, kaj por ni, bedaŭrindaj, ankoraŭ vivantaj legantoj, kiuj estas nur »Mortintoj en somerferioj« (ĉarma vorto de la iama verkisto de la »Mona Vanna«) estas per kelkaj paŝoj tro malproksime. Ni pli volonte restas starantaj survoje kaj ĝoje ĝuas la mirindajn vortojn pri Marko Aŭrelio kiel ankaŭ por ni iom pli kompreneblajn. Aŭ la humuron, kun kiu Maeterlinck pentras al ni la embarason de dommastrino, se subite kolektiĝus ĉe ŝia manĝotablo seninvite ĉiuj mortintaj familianoj. Ĉiu el ili estas kara al ŝi, sed ĉiuj kune kaj samtempe! Ne, estas nepre pli bone, eble eĉ por la literaturo de la famuloj, se ni lasas en paco la mortintojn aŭ,

almenaŭ kontentigas nin kun Maeterlinck per la nobla konstato, ke sole kaj nur ilia societo povas plinobligi la homojn en ilia vivotempo. Pro kio, »ĉie, kie la penso pri la morto superregas, la vivo des pli riĉe ekfloras, sin pli forte evoluigas kaj plimultigas ol ie ajn aliloke.« Tio valoras por la riĉuloj kiel ankaŭ por la unuopulo kaj eĉ por la poeto, tiom longe dum ĉi tiu penso ne malhelpas lin resti poeto. *F. W. V.*

SHAW: »LA MILIONULINO«. La Akademie-theater, la kamerteatro de la Burgteatro antaŭ nelonge prezentis la novan teatraĵon de Shaw, »La milionulinon«. La teatraĵo havas grandegan sukceson, ĝis nun ĉiu prezento okazis antaŭ plenplena rigardejo. Indas iomete mediti pri tiu sukceso. Ĝi ekbruligas du meĉojn, tiujn de konsolo kaj espero, en la malluma anima mondo de tiuj, kiuj en la lastaj dekkvin jaroj post la tiel nomataj teatraj sukcesoj, plenrajte povis kredi, ke la unuan artistan ambicion, la unuan kuraĝan pledon por socia, aŭ politika, aŭ artista konvinko, la unuan vere individue formitan figuron prezentitan kun aŭdaca sprito, akceptos tia indigno, ke tuj la unuan prezentadon, se ne komence, sed meze nepre oni devas interrompi.

Ne okazis tiel.

Tuj en la unua sceno de »La milionulino« agrabla, refreŝiga aero de alta spirita nivelo frapas al la rigardejo kaj sovaĝa ciklono de saĝo kaptas kaj kuntrenas la rigardanton. Kaj la intelekto — kutimiĝinta al teatraĵoj sur la nivelo de servistinoj kaj de poŝtistaj novjarlibroj — ekfloras, kiel la gorĝo, plumo, koro de tiuj, kiuj venas en la bluĉielajn, freŝaerajn alpojn el la sufoka atmosfero de la plata ebenejo. Kvankam nenio »okazas«; tamen estas neeble jam en la unuaj minutoj ne senti, ke tiu ĉi pano estas bakita el pura tritiko; oni miksis al ĝi nenion, nek maizon, nek branon, nek stratan malpurajon desur veturilvojo. Kaj tiu freŝa sento ne forlasas la rigardanton eĉ por momento; ĝi daŭras ĝis la fino kaj la animo post unu-duhora refreŝiga spirita bano, ekscitite revas pri la belo de la verkista konvinko, pri la etika alto de la arto, pri la nobleco kaj etika sublimeco de la teatro.

Tamen, la nova komedio de Shaw ne estas regule komponita kaj zorge konstruita teatraĵo, — eĉ ne en tia shaw-a senco, kiel estis lia lasta, aŭ liaj pli malnovaj verkoj. »La milionulino« estas nura okazo, por ke Shaw diru sian opinion pri la demandoj okupantaj la mondon en ĝia plejinterno, en ĝia kerno: pri la riĉo kaj malriĉo, pri la plena materiala bankroto de la spirita laboro, pri la majesta morala forto de la kredo kaj konvinko, pri la senrezerva venko kaj la absoluta rego de la kruda forto kaj besta brutaleco, kaj, nur pretere en tiu kaj tiu rimarko: pri la paco, milito, revolucio kaj ankaŭ pri la judodemando. Pri tiu ĉi teatraĵo oni rajte povas diri, ke ĝi estas »hodiaŭa« — tiom ĝi devenas el la hodiaŭa spirito, tiom la hodiaŭa sango cirkulas en la vejnaro de ĝiaj scenoj.

Tamen oni ne povas aserti, ke ĝi ne havas perfektan semon, »fundamentan ideon«, el kiu povus kreski la plej perfekta teatraĵo. Sed Shaw rapide forĵetas ĉi tiun semon, li malŝatas la teatraĵojn verkitajn per cirkelo, por li la tuto servas nur por ke li diru sian opinion en sia brila dialektiko pri la mondo kaj la hodiaŭa mondo. Kio estas tiu »fundamenta ideo«, kiu sola valoras la tutan spiritan kapaciton de la internacia teatra grandindustrio? Tio, ke ekstravaganca anglino heredis la centmilionpundan havaĵon de sia ekstravaganca patro sub tiu kondiĉo, ke ŝi rajtas edziniĝi nur al viro, kiu el centkvindek pundoj »faras« dum ses semajnoj kvindekmil pundojn. La sinjorino, post multego da senrezultaj provoj, sukcesas trovi tian viron: boksĉampionon, (ĉar nuntempe aliu ja ne povas gajni monon,) kiu post nelonga geedza vivo serĉas junan kromvirinon, ĉar eĉ li mem naŭziĝas pri la materialiga, demoraliga atmosfero de la riĉo. La milionulino nun trovas snoban dandotipon. Tiu ja sopiras je mono, sed poste same ne povas toleri la animajn infektojn de la mono. Kun tiu snobo, kiu en sia fina ĉagreno perdas la paciencon kaj laŭtvoĉe ribelas kontraŭ la detruaj animaj efikoj de la riĉo, la milionulino, edukita en la lernejo de la boksĉampiono, ekluktas pugne, kaj venkas: en la intima gastejo, kie ili ĝuste tagmanĝas, ŝi ĵetas lin tiel forte al la ŝtuparo, ke etaĝojn li falas malsupren; sed antaŭe apud la pordo li puŝiĝas al muzikaŭtomato, kiu ekludas la anglan himnon. La milionulinon atakas nervaj konvulsioj. Feliĉe, en la najbara manĝejo troviĝas egipta kuracisto, al kiu la sinjorino tuj enamiĝas. Sed la egipto estas ŝirmita kontraŭ la mono per sia kredo al Allah, per sia sovaĝa pasio por la scienco — la milionulino do ne havas facilan aferon. Kiam ŝi proponas al li sian manon kaj riĉon: la egipta kuracisto diras, ke lia patrino estis lavistino kaj laŭ ŝia ordono li volas edziĝi nur al tiu virino, kiu per tridek piastroj povas vivi dum duonjaro.

La milionulino akceptas la provon kaj ŝia renkonto kun la vera malriĉo en la laborejo de periferia londona fliktajloro, estas emociega poezia ĉefverko, plej bela diamanto en tiu ĉi literatura diademo riĉa je juveloj. Kio forsonas en tiu ĉi mallonga akto pri malriĉo kaj riĉo, feliĉo kaj malfeliĉo, moralo kaj senmoralo, virto kaj peko: tio povus esti la biblio de la jaro 1935. En tiu ĉi malgranda fliktajlorejo Shaw montras sian vizaĝon, tiom postulatan de liaj kritikantoj; li estas la malestima vipanto de la riĉuloj, la apoganto, protektanto, subtenanto de la malriĉuloj, — en mirinda maniero: li, la granda individuo, estas la neanto de la individuo, la anoncanto de la kolektivismo. En tiu sceno la literaturhistorio nepre rekonos tiun grandan efikon, kiun faris al li lia plej lasta rusia studvojaĝo.

Ĉu ni daŭrigu la rakonton, la »agadon«? Superflue. La egipta kuracisto ricevas la milionulinon; la honton de la mono mildigas la belo kaj forto de la kredo kaj tiu ĉi mildiĝo okazas per plej belaj vortoj interpretitaj per plej delikataj verkistaj manieroj. Finrezulte: tiu ĉi nova teatraĵo estas altranga socio-kritiko, en kiu la pripensigaj, la kritikaj notoj kaj filozofiaj rimarkoj kaŝiĝintaj sub la fundo de spritaĵoj kaj ŝercoj falas dense kiel frapantaj hajleroj dum maja hajlopluvo: ankaŭ ĉe tiu ĉi Shaw-teatraĵo oni skuadas la kapon: ne por eviti la falantajn hajlerojn, sed por ricevi kiel eble plej riĉe, senmanke la glacian, refreŝigan efikon de tiuj ĉi pensoj.

LA DU VIVOJ DE HUGH WALPOLE (A. A.). De kiam Galsworthy por eterne fermis siajn okulojn, en la angla romanliteraturo nur nun komenciĝas elformiĝi la pozicioj. La granda reputacio de Galsworthy kvazaŭ pezis sur la nuntempaj anglaj verkistoj kaj sola romanverkisto — se eblas lin titoli per ĉi tiu vorto — povis sukcesi memstare kiel »libera naĝanto« li est's Wells. Sed la romanverkisto Wells estis la ido de la antaŭmilita, sekve jam forpasinta generacio kaj jam de dudek jaroj ĉe Wells la romano estis maksimume preteksto aŭ formo por temoj alidirektaj, eble pli gravaj, sed neniel beletraturaj.

La pozicio de Galsworthy restis neokupita, precipe post kiam ankaŭ D. H. Lawrence transiris en la regnon de la eternaj sonĝoj. Certe ne tial, ke en la pli juna angla generacio tute ne ekzistus grandaj promesoj. Oliver Onions, Compton Mackenzie, J. D. Beresford, kaj Frank Swinnerton: ĉiuj estas talentoj, de kiuj multaj atendis la refojan ekfloron de la generaci-arbo Dickens—Meredith—Thackeray—Galsworthy. Ili havis kaj havas interesajn temojn, originalan paletron, kaj nur ĝuste unu afero mankas por ke ili venu al la frontantaŭo kaj transprenu la tradiciojn de la angla grand-romano: la monumenteco, sen kiu tamen nenie en la mondo kaj malpleje en Anglujo povas formiĝi vera verkista grandeco. La granda vivsekreto de Balzac, Viktor Hugo, Zola, Tolstoj, Dostojevski kaŝiĝas ĝuste en tiu monumenteco, kies klarigo ja ne estas serĉota en la amplekso de la libroserioj (ĉar ja tiuokaze ankaŭ Sue, Dumas-patro kaj Ponson du Terrail estus vicigitaj en tiun linion), sed en tiu mirinda talento, per kiu ili povas malfermi horizontojn al la grandioza observo de la vivo; en tiu arta kapablo de pligrandigo, kiu la leganton kvazaŭ nevole igas vidi apokalipte la konstruojn de la verkisto, kiel eĉ la plej malgranda skizo de Michelangelo sentigas al la observanto la grandegajn, superhomajn, gigantajn mezurojn.

Tiel restis do la postmilita verkistgeneracio sen kapo, sen gvidanto. Kaj subite, aperis inter ili »juna« verkisto, pri kiu apenaŭ aŭdis iu antaŭe, kaj kiun oni povas nomi juna nur tial, ke lia verkista kariero povas rerigardi vere nur al ĉirkaŭ unu kaj duono da jardekoj. Laŭ lia aĝo li jam vere ne apartenas inter la junulojn, ĉar li naskiĝis en 1884 kaj tiel li estis jam ĉe sia debuto trans la trideka jaro. Ĉi tiu verkisto, okupanta senreziste la heredajon de la grandaj anglaj verkistotradicioj, estas Hugh Walpole.

Ia stranga duobleco montriĝas en la vivo de ĉi tiu verkisto: »juna« verkisto trans la kvindeka jaro. Bonvolu imagi verkiston, kiu estis naskita en New-Zeeland kaj tamen estas tipa verkisto de la plej Cockney-a Anglujo. Lia patro sidis sur la episkopa trono de Skotlando, li mem elektis la zigzagan vivovojon de verkisto-bohemoj. Sed ankaŭ tien li ne venis rektvoje. Antaŭe li estis dum jaroj oficiro en la rusa cara armeo, poste, per aŭdaca pirueto, li fariĝas diplomatia kuriero en angla servo — ne tro ekvilibrita ekzistado dum milito kaj en rusa-angla rilato.

Sed ĉi tiu duobleco en la viv-ritmo de Walpole koncernas ŝajne ne nur liajn junajn »tempestajn« jarojn. Li estas jam rekonita romanisto, kiam li vivas duonanime en Londono (tiel, ke de li oni atendis la renaskiĝon de la London-urba romano); sed samtempe li aĉetas nostalgie etan bienon en la plej reva parto de Skotlando, en Lakeland, Lago-lando, kie la plej melankoliaj melodioj de la angla poezio naskiĝis antaŭ cent jaroj. Tie li aĉetas fekastelon — nome Branckenburg — kiu ekstere revekas por ni la mondon de Walter Scott, dum interne ĝi estas plena de la kreaĵoj de l' kubista skulptisto Epstein, kies plej granda kaj preskaŭ sola mecenato estas Hugh Walpole.

En tiu ĉi stranga kastelo li verkas siajn romanojn, kiuj unuflanke ligiĝas al la plej noblaj Dickens-aj tradicioj — precipe en la honesteco de la sentoj kaj en la verkista, ni diru: sociala konscienco —, sed aliparte ili preskaŭ tuŝas la limon de detektivromano en la freŝeco de l' kompozicio kaj ruzeco de l' templekto. En liaj romanoj oni trovas unuflanke tion, kion Henry James nomas simple »verkista vidpunkto« kaj la francaj estetikistoj »impassibilité«: la internan distancon inter verkisto kaj ties romanfiguro; aliflanke ĉiun lian roman-agadon movas ia arda trohejto, konstanta romantika vervo, memorigante kelkloke pri Victor Hugo de Notre Dame. Kaj la sama verkisto, kiu post Galsworthy unue eksonigis denove la potencan simfonion de la generacio-romano, nun direktas jam de unu jaro filmojn en Hollywood, do kultivas la plej-pleje moviĝeman arto-specon. La tuta verkisto estas ia stranga koktajlo de la statikaj kaj dinamikaj vivsentoj, de la klasikismo kaj romantikismo, de la hieraŭo kaj morgaŭo.

Ankoraŭ tute en la Dickensaj tradicioj radikas la unuaj romanoj de Walpole (precipe *Mr. Perrin and Mr. Traill)*, en kiuj li pentras per kriaj koloroj la anim-mizerojn de malgranda angla provinclernejo, kiel tiuj aperas en amaraj bataladoj inter la profesoroj. En la saman Dickens-an atmosferon nin kondukas la Jeremio-libroj: analizo de knabet-animo, ĝis la sojlo de l' adolesk-aĝo.

Poste venas lerneja ekzemplo pri tiu jus menciita transglito al detektivromano en lia *Prelude to Adventure*, ludanta inter la honorindaj muroj de la Cambridge-a universitato — iama »*alma mater*« ankaŭ de Walpole — en la kadro de regula kriminala historio. Poste sekvas la transiro al monumentaleco. Antaŭ ĉio en la *Fortitude*, kies gvidmotivo estas, ke »en la vivo valoras ne la vivo mem, sed la kuraĝo, kiun ni portas en ĝin«. Samtempe, en ĉi tiu romano montriĝas grava deflankiĝo disde la anglaj — iom hipokritaj — tradicioj, kiuj elfermis el la literaturo la pritrakton de la seksa vivo kaj prefere ekzilis el si Byron, Shelley, Wilde, ol enlasi en la anglan »societon« la penson, ke la homo ekzistas ankaŭ sub sia talio. Kaj de tiam pli kaj pli aŭdaciĝas la voĉo de Walpole: tio jam estas »revolucio en marŝo«. *The Duchesse of Wrexe* temas ja pri la ribelado ekflagranta en la pra-aristokrata junularo; kaj en *The Green Mirror* li projekcias en mondpolitikajn perspektivojn la ideon de la slava ribelo, kiu tra la animo de angla etburĝo, infektas eĉ la pratradician anglan burĝ-socion.

Walpole leviĝis de sukceso al sukceso. Nun li jam povis dediĉi sian tempon por krei grandkonturan »generacio-romanon«, kaj paŝi en la heredon de la plej grandaj anglaj romanistoj. Kaj la fortikaĵestro de Branckenburg en Keswick per titana paŝpuŝo malfermis antaŭ si la bronzpordegon de la angla Olimpo, kiam li kreis la okvoluman Herries-serion, ĝisostan generacio-romanon, en kiun li mirinde enportis la strangan duoblecon de sia memo: romantikismon traŝpinitan per tradiciismo, historian temaron miksitan per detektiva vejno, malantaŭ eruptaj individuoj kirliĝantajn amasefektojn de dumil-kapa statistaro.

La romano de Herries-familio kondukas la historion de baroke eventriĉa Cumberland-a familio, plektiĝantan ĉirkaŭ kvar figuroj (du viroj kaj du virinoj), ekde la 18. jarcento ĝis niaj tagoj. La protagonistoj de la kvar partoj (po du volumoj) kaj ilia epoko estas la jenaj:

I. Francis Herries (1730—1774).
II. Judith Paris (1775—1823).
III. Adam Paris (1824—1874).
IV. Vanessa Herries (1875—1932).

Tra ĉi tiu du-jarcenta historio de la Herries-familio la aŭtoro ebligas rigardon al la suprenarkanta vojo de Granda Britujo, ekde la Georgoj, kiam Robert Walpole (nomparenco de Hugh) ekirigis la sorton de Britlando tra la kolonia politiko al la mondimperio. En la dua parto ni travivas la epokon de la du grandaj Pitt-oj, kiu, per la venko super Napoleono akiris por Anglujo en Eŭropo la rajton de *primus inter pares*. La fono de la tria parto estas la generacio de la grandaj viktorianoj, Gladstone kaj Disraeli; la kvara parto prezentas la epokon de la triumfa brita imperio, de la bura milito, de la mondmilito kaj fine la postmilitajn tempojn kun la interna, spirita, do pli ol ĉiuj ĝisnunaj granda revolucio de Anglujo.

Ĉi tiuj historiaj medioj kompreneble havas ĉe Walpole nur la rolon de mur-gobelenoj: ili estas nuraj fonoj ĉirkaŭ la peripetioj de la kvar ekzaltitaj, kelkfoje preskaŭ ekstravagancaj ĉeffiguroj. Malgraŭ sia plena angleco, ĉi tiuj figuroj estas ĝissange romantikaj: Francis Herries, ĉi tiu nura pasio-homo, kiu ribelas kontraŭ la honorindaj tradicioj de sia burĝa familio kaj miksiĝas kun la ciganino Mirabell; Adam Paris, ĉeffiguro de l' dua parto, kiu partoprenas en la preskaŭ revolucia ĉartista movado por povi helpi la subpremitojn kaj malriĉulojn. Dank' al sia sango heredita de patro kaj patrino, arde flagrantan temperamenton havas ankaŭ Judith Paris, kiu ĝermis el la malfrua amo de la ekstravaganca Francis Herries kaj de la ciganino (eble ŝi esprimas plej senpere la duflankan estaĵon, la ambivalentan individuecon de Walpole). Kaj fine romantika estas Vanessa Herries, eble la plej simpatia figuro de la tuta serio kaj unu el la plej simpatiaj figuroj de la tuta mondliteraturo. En ŝi la malnovaj Herries-manioj glatiĝas en silentan spiton: kuraĝe, kun levita kapo li staras kontraŭ jarcentaj antaŭjuĝoj de la brita duoninsulo kaj per tio montras vojon al la novaj generacioj ne nur en Albiono, sed ĉie en la mondo, kie la ĉeno de tradicioj katenas la liberon de homo decidi pri si mem.

Walpole per ĉi tiu romanciklo paŝis inter la novklasikulojn de la mondliteraturo.

(B. G.) NOVA LIBRO DE ANDRÉ GIDE. Kvar jardekojn post la »Nourritures Terrestres«, post ĉi tiu nitzsche-e jubila himno de ĝojo kaj ekliberiĝo, multe trans »je l' vojomez' de nia vivo tera«, proksime al sepdeka jaro Gide verkis la »Nouvelles Nourritures«, daŭrigon kaj finon de sia junaĝa libro. De semajno mi kunportas ĉi tiun malgrandan libron, tenas ĝin en la poŝo kaj de tempo al tempo mi elpoŝigas ĝin, ke — hazarde malfermante — mi relegu iun ĉapitron. Mi kredas, ke multaj faros same, ke multaj trovos en ĝi la konsolon, kiun ni ĉiuj bezonas, se ni ĉirkaŭrigardas sur la spiritaj regionoj de niaj tagoj. La vojaĝanto povas senti same,

••, liberiĝinte el longa tunelo, li ekvidas ĉirkaŭ si sunan kamparon aŭ sur la horizonto rimarkas la brilon de l' maro.

Kial estas eksterordinara tiu ĉi libro, tiu ĉi malforte kunligita serio da lirike meditaj ĉapitroj? Kiu ĝin enrigardis, tuj povas eksenti ĝian nekutiman forton kaj signifon. *Tiu ĉi libro estas optimista.* Ĝi turnas sin kontraŭ ĉio, kion profetas la plejbonuloj de la burĝa literaturo, ĝi negas la senesperon kaj rigardas kun ĝojo al la estonto. Ĝi trovas la vivon bela kaj la homajn eblojn neelĉerpeblaj. Siatempe ankaŭ en la »Nourritures Terrestres« por la »teraj nutrajoj« li entuziasmis kaj iom laŭ la maniero de Zarathustra li heroldis la amon al la materia realo, la belon de la movo, la memcelecon de la ĝojo kaj la senkondiĉan liberecon. Gide vivis kaj skribis tiam sian »immoralistan« epokon. Sian libron li verkis por la kuraĝuloj, eksperimentantoj, katen-rompantoj kiel biblion. Li devenas el rigor-mora protestanta familio kaj vere kun predikista ardo kaj kredo li postulis la kontraŭon de ĉio, kion postulas la protestantaj predik'stoj: la plenan liberiĝon de la individuo el sub la ligiteco de la burĝa moralo. Lia tuta viv-verko celas tion kaj lia funda problemo estis ĉiam la antitezo inter libereco kaj ordo. Tiu ĉi antitezo kaŭzis ĉe li profundajn kaj gravajn internajn batalojn kaj se liaj verkoj tamen ĝenerale ne estas tragikaj, ties ĉefkaŭzo estis, ke la dostojevskijajn krizojn de sia animo li ĉiam kapablis fandi en la goethean superecon kaj harmonion de sia kontemplado. Sed tiu ĉi fando ankoraŭ longtempe ne signifis solvon. Tio venis nur poste, en la lastaj jaroj. Jam en la »Caves du Vatican« li rekonis kaj en facile-mokema maniero konfesis la fatan veron: ne ekzistas plena liberiĝo, ne eblas vivi sen ĉia ligiteco. Protos, la gvidanto de la bizara kaj iom surrealista rabistbando klarigas al Lafcadio, juna heroo kaj privatribelanto, ke neniu povas batali izolite kontraŭ la reganta grupo kaj reganta moro de la »skvamhaŭtuloj«. Al ia kunularo nepre oni devas ligiĝi: oni devas ien aparteni, oni devas surpreni certajn devojn ĝuste en la intereso de la liberiĝo. Poste ĉiam plie maturiĝas en Gide tiu ĉi rekono, kies evoluon plej distinge markas la notoj de lia taglibro. La aferon de la individua libereco ĉiam pli li identigas kun la afero de la liberiĝo de la subpremitaj klasoj kaj en la printempo de 1933 en emocia ĉapitro de la taglibro li deklaras sian aliĝon al la spirita kaj politika movado de ĉi tiuj klasoj. La turmenta antitezo de libereco kaj ordo nun solviĝas por li, li trovas la fundamentan unuecon de tiuj ĉi ŝajnaj antipodecoj. En pli malfrua parolo li klarigas, kial li iĝis socialisto: ĉar li estas individuisto kaj sentas, ke la veran individuismon nur la kolektivismo povas alporti. Li rekonas, ke la individueco de l' homo nur tiam povas klare kaj senmalhelpe elvualiĝi, se ĉiu liberiĝis de sub tiu materia kaj morala premo, per kiu la moderna kapitalismo peziĝas sur la animoj. Do la individuo devas fandiĝi kun la amaso, ke poste li povu iĝi vera individuo. Kiel li diras en sia drama poemo »Persephone«:

»Il faut, pour qu' un printemps renaisse
Que le grain consente à mourir
Sous terre, afin qu' il reparaisse
En moisson d'or pour l' avenir.«

(Nur tiel renaskiĝas la printempo, se la greno konsentas morti sub la tero, por ke poste ĝi reviviĝu en la ora rikolto de l' estonto.)

Do Gide restis fidela al si mem: li postulas la belojn de l' vivo, la plenon de ĝojo kaj por tion atingi kaj atingebligi al ĉiuj li iris al la maldekstra flanko. La kompendio de tiu ĉi sociala hedonismo estas la »Nouvelles Nourritures«. Kiel la unua »Nourritures«, ankaŭ ĉi tiu estas admona. En la unua, siajn admonojn li direktas al junulo imagita, kiun li nomas Nathaniel, en ĉi tiu libro li alparolas la disĉiplon nur »Camarade« (tiel alparolas unu la alian la francaj laboristoj). Li verkas al venontaj junuloj, li klarigas al venontaj batalantoj, kiel mirinde bela estas la vivo. En la komenco de sia libro li skribas pri la ĝojo, kiu estas la vera enhavo de ĉia vivo, »kiun ni nomas frukto, se ĝi ellasas sukon, kiun ni nomas kaj birdo, se ĝi kantas«. »Ĉiu besto estas fasko da ĝojo« — li skribas aliloke. Naturo kaj ĝojo signifas por li la samon; Naturo kaj Dio, Gojo kaj Dio same identas. Li skribas: »Se kelkfoje mi nomas la naturon Dio, tion mi faras nur, ĉar tiel estas pli simpla kaj ĉar tio ĉagrenas la teologojn.« Li rigardas sia sankta destino esti feliĉa, ĉar, kiu volas feliĉigi la kunularon, tiu devas montri ekzemplon de feliĉo. Sed li rifuzas tiun feliĉon, kiu sin nutras el la mizero kaj malfeliĉo de aliaj. Li ne volas kaj ne povas esti feliĉa je la malutilo de aliaj. Li skribas: »Mi naŭziĝis de ĉia ekskluziva rajto« kaj diras, ke li preferas la publikajn parkojn al la plej bela barita ĝardeno; kaj multe pli kara estas ol la multekosta luksa libro al li la volumo, kiun li ne devas zorge gardi, kiun ankaŭ dum promenado li povas kunpreni. »Se mi estus la sola, kiu povus ĝui iun artverkon, kiom pli bela estus la verko, tiom pli forte subpremus mian ĝojon la tristo.«

Li kredas la homon kaj la eblon de l' homo. Li kondamnas tiun falsan modestecon kiu asertas, ke la homa animo nur per helpo de dia revelacio povas rekoni grandajn verojn. La homo povas ĉion atingi, se li kuraĝas. »Ose devenir qui tu es« — li krias, kuraĝu iĝi tio, kio vi estas, minu el vi la novan homon kaŝiĝantan en vi. »Mirindaj ebloj sin kaŝas en ĉiu estaĵo. Konvinku vin

# Amo

**— Neratov —**

Estis serena, sunplena tago. Tramo rapide kuradis tra sonantaj reloj. En la tramo sidis civitano Ljaŝkin kaj ridetis al la brilanta, blua neĝo.

Eksentinte ies rigardon, Ljaŝkin eklevis la okulojn. Lin persiste observis ĉarmega knabino en modesta, blanka peltmanteleto. La okuloj de la knabino estis klaraj kaj iomete mirantaj, kiel de infano.

Dolĉe ekĝemis la koro de Ljaŝkin.

»Ho, Dio mia!« — li ekpensis ĝoje, sed baldaŭ, ekmemorinte pri sia blueta nazo kaj malgranda salajro, li ekhontis.

Li turnis sin al la fenestro kaj denove observis la blankan neĝon.

Sed la knabino rigardis plu persiste kaj atente.

Kaj denove ĝoje ekĝemis la koro de Ljaŝkin.

Dio, kia feliĉo! — li ekpensis inspire.

Ĉu vere ... amo?

Ligovka! — ekkriis la konduktoro, maldelikate rompante la rozajn revojn. — Haltejo por bluaj biletoj!

Ljaŝkin ĝemspiris, levis la kolumon kaj eliris. Eliris ankaŭ la knabino. Kaj denove, la trian fojon en la hodiaŭa tago, ekbatis tremante lia koro.

Aŭskultu, civitano! — diris subite la knabino per sonora, juna voĉo. — Pardonu, sed al mi estas tre konata via vizaĝo!

Kvankam iomete malnova, sed tre ĉarma maniereto — ekpensis silente Ljaŝkin.

Mi estas preta servi al vi, sinjorino! — li respondis ĝentile, pretiĝante sin por aŭskulto.

Mi rekonis, mi rekonis! — ekkriis la knabino ĝoje. — La voĉon mi rekonis! Vi, civitano Ljaŝkin, pasintjare donis gladi al mia paĉjo kostumon kaj pantalonon, kaj tri rublojn por tio doni vi forgesis! Kaj eĉ la loĝejon vi forlasis tiam! Estas tre senhonte de via flanko!

Ljaŝkin malheliĝis. Li elprenis la saketon, kalkulis en arĝento kaj en paperoj 2 rublojn 95 kopekojn, ŝovis ilin en la manon de la knabino kaj foriris.

Tede sonoraĉis la tramoj. Kaj stultega, brilanta neĝo dolorege pikis la okulojn.

El la rusa: *Estera Szyndelman.*

mem pri via forto kaj juno. Ripetu senĉese: dependas nur de mi mem!« Li postulas maltrankvilon, nekontentecon kaj persiston. !Kaj ĉiaman evoluon. Li rifuzas la troan memanalizon. Se la raŭpo ĉiun sian forton eluzus nur por »ekkoni sin mem«, neniam ĝi evoluus en papilion.

Sur la lastaj paĝoj la meditema voĉo iĝas metala, kvazaŭ li anoncus manifeston.

»Levu vin, kliniĝintaj fruntoj! Levu vin, rigardoj direktitaj al tomboj! Sed ne al la malplena ĉielo, sed al la horizonto de l' tero... De tiu ĉi kadavro-odora pejzaĝo tien vin flugigu via espero. Ne retenu vin la amo al la pasinto. Kuregu al la estonto. Ne en sonĝojn transportu la poezion, en la realo ĝin ektrovu. Kaj se ankoraŭ ĝi ne estus tie, portu ĝin tien... Mi volus... ke ĉiu arbo etendu sian frukton al viaj manoj kaj lipoj... Ke fine amo plenigu vian koron anstataŭ malamo kaj envio. Ke fine vi povu transdoni vin mem al ĉiu kareso de la aero, al la sunradio, al la voko de la feliĉo.«

»Ne oferu al la idoloj« — per ĉi tiu krio finiĝas la libro. La tristan voĉkaoson de la nuna pesimismo-koncerto de la eŭropa spirita vivo la voĉo de Gide fendas fiere, metale kaj konsole.

LUIGI PIRANDELLO: »ONI NE SCIAS KIEL«. La itala Nobel-premiito kreis ĉi tie agmalriĉan dramon de internaj streĉoj. Diskutado viciĝas al diskutado. Kvin personoj nudigas sian animon en paroloj komence aĉaspektaj sed poste altiĝantaj al kristala klareco. La scenejo restas ag-malplena. La eksterordinaraj okazaĵoj estas farataj ekster ĝi. Jeno okazis: Grafo Romeo Daddi, loĝanta kun sia edzino Bice en kastelo proksima al la urbo, gastigas la edzinon de sia amiko Giorgio Vanzi, kiu estas oficiro ĉe la maristaro. En la antaŭtago de la reveno de la oficiro, Ginevra, lia edzino, en varmega, reva somera matenhoro senreziste donas sin al la ŝin postulanta grafo Daddi. Oni ne scias, kiel tio povis okazi. Post tio, ĉio restas neŝanĝita, sed nur ŝajne. En grafo Daddi estiĝas la sento de granda kulpo, pri kiu li opinias sin ne responsa, sed kiu igas lin plej interne dubi pri la justa organizo de la mondo. Kiel, li argumentas, povas vivinda esti vivo, en kiu, ne sciante kiamaniere, oni povas fari senpripense murdon, trompi amikon, ne estante tamen fakte »malbonintenca«. »La edzino de mia amiko estis mia; kiu do eble posedis la mian, senkulpe veninte en tian teruran senvolecon? Ni ĉiuj, li diras al si, ĉiam, kaj sen porti la respondecon pri tio, povas iĝi partoprenantoj ĉe trompo kaj malsincero, murdo kaj mortbato; estas kiel en sonĝo: la edzino sonĝas pri la kisoj, kiujn donas al ŝi alia ol la edzo, ŝi sentas la kisojn, ŝi ĝuas ilin kaj se tion scius la edzo, tio estus adulto, ne malpli dolora ol la fakte okazinta, ĉar, ĉu la forto de la sento ne estas la sama kiel dum la realeco? Kaj tamen, la edzino ne kulpas, ĉar neniu povas influi siajn sonĝojn, kaj ankaŭ la regado de la subkonscio dum la maldormaj horoj de nia vivo forigas nian respondecon kaj kulpon. Pirandello laŭ tio opinias, ke la homo ne kapablas, kompreni la »kosmajn« influojn en sia animo. Grafo Daddi devas morti. Falante, trafita de la kuglo de sia amiko, li vokas: »Tio estis home farita!« La homo komprenema pli ol kutime do estas malsana? Ĉi tiu dramo de tranĉilakra, pinta diskutado estas brile konstruita, kaj skribita en ege cizelita, riĉa kaj bela lingvo; ĝi interesegas de la unua ĝis la lasta vorto. La grandioza intelekta batalo de ĉiu unuopulo en ĉi tiu verko; la nekutima streĉo de ĉiu persono, teni sian situacion en la vivo, kreas densecon, atmosferon plenigitan de streĉoj, en kiu la koncentrigita, transspiritiĝa agado okazas ĉe senspira partopreno de la rigardanto. Vere, ĉi tiu tekniko metas anstataŭ la »materia« ago la dinamikon de ago anima, kio havas tiel fortan efekton, ke ĝi trabruas la scenejon kiel la paso de granda batalo. *F. W. V.*

## Lingvo Libro nro 4. 1935

kun la programo por 1936. estas nun kompostata kaj kune kun la enhavtabelo ĝi estos aparte sendita al ĉiu aboninto de 1935 post du semajnoj.

## Mortis nederlanda Esperanto-pioniro

Vane oni serĉas en la Enciklopedio la nomon de sinjoro M. J. Wessel, kiu kun sinjoroj H. J. Bulthuis kaj Dreves Uitterdijk estis la tri unuaj pioniroj de la Esperanto-movado en Nederlando. Lia modesteco ne deziris, ke lia nomo aperu tie. Nur sub la vorto »Nederlando« oni trovas sekan mencion de lia nomo. Lia modesteco ankaŭ estis kaŭzo, ke preskaŭ neniu el la nuna generacio konis ankoraŭ la nomon de sepdekjarulo, kiu preferis lasi la vicojn al la pli junaj. Nur kelkfoje li verkis ankoraŭ studon pri arto en »Literatura Mondo« kaj iom pli ofte li publikigis poemon en »Kristana Gazeto«. Sed verve vivis ankoraŭ en li la esperantista koro. Multajn sugestojn la subskribinto ricevis de la tiom pli aĝa kolego. Multaj gazetoj konas lin kiel »bonirnton. Dum multaj jaroj jam de antaŭ la milito li estis fidela membro de UEA (lia membro-numero estis 1744!) kaj kiam li antaŭ ses jaroj translokiĝis al Baarn, li volonte akceptis la inviton de la ĉefdelegito en Nederlando fariĝi delegito en Baarn. Depost tiam ni konis unu la alian. Depost tiam ni regule vidis unu la alian kaj baldaŭ niaj reciprokaj vizitoj ne plu estis pure formalaj. Kun danka memoro pasas antaŭ miaj okuloj la horoj kiujn ni estis kune.

Sinjoro Wessel estis forta viro. Depost la naskiĝo li estis en la lito pro malsano neniun tagon, eĉ ne pro malvarmumo. Vespere de la 7-a de januaro li ankoraŭ biciklis kaj ludis ŝakon. Kiel li deziris, li subite, sen doloro, sen longa malsano mortis. Je la 8-a li estis mortinta. La multaj konatuloj de la ĉiam gaja, juna maljunulo memoros lin dum la tuta vivo.

**Joh. H.**

## Ni sendas

al ĉiuj abonantoj de 1935. ĉi tiun numeron. Bonvolu atenti, ke la gazeto aperos ĉiam en la unuaj tagoj de la paraj monatoj. Ni esperas, ke post ricevo de tiu ĉi dika numero sendos la abonon ankaŭ la ĝis nun ne pagintoj. Kiuj ne plu volus aboni, bonvolu remeti la gazeton en la kovrilon kaj resendi al ni.

## Literatura Mondo nro 9. 1935

estas malĝuste numerigita. Bonvolu atenti, ke la decembra numero estas efektive novembro-decembra kaj devus surhavi ankaŭ la numeron 9. Tio tamen estas forgesita. Niaj abonantoj certe jam vidis laŭ la amplekso, ke ĝi estis duobla kaj aliaj bonvolu pardoni tiun fuŝon, feliĉe dum kvin jaroj nur unu fojon okazintan.

## Krucvortenigmo

La pasintnumera krucvortenigmo elvokis bonan intereson. Ni ricevis kelkdekojn de solvoj, inter kiuj la plej unuaj eŭropaj estis J. Csapó (Timiŝoara), W. Perrenoud (Neuchatel), Pascha (Bergen), Pujo (Bersson), Vaitilavicius (Gaudeliau), Vatré (Genéve), al kiuj (krom s-ro Pascha) ni sendis la premiojn. Ĉar venis samtempe ankaŭ alia solvo, ni eldonis ankaŭ sepan al fraŭlino Lekko en Tallinn. Ekstereŭropajn solvojn ni ankoraŭ atendas. Ili ankoraŭ ne povis alveni.

*Jen la novaj libropremioj; donotaj al la unuaj solvoj:*

Por ekstereŭropanoj:

1. *Ibanez:* Sur sango kaj sablo
2. *Dante:* Divina Comedia
3. *Wolski:* Ĉu ĝi estas nur fabelo?
4. *Toscani:* Rakonto por geknaboj
5. *Wladyika:* Mi en li
6. Pri l' moderna arto

Por ekstereuropanoj:

1. *Dante:* Divina Commedia
2. Pentroarto en malnova Hungarujo
3. *Deguĉi:* Perpoema vortaro
4. Amo de Toojuuroo kaj Vojaĝo en Faremidon

**Horizontale:**

1. Unua pioniro de Esperanto.
8. Patro de la E. poezio.
17. Japana E. pioniro, 1931.
18. Sufikso.
20. La agro estas . . .
21. Pola pioniro, fama tradukisto.
23. K. Z.
24. N. H.
26. Multnombra.
28. Konsenti!
30. Inverse: superlativo absoluta.
31. Skabiokaŭzanta insekto (').
33. Rusa E. poeto en la I-a periodo.
35. Fondinto de la grupo en Bratislava (Ĉ. S. R.).
37. Kunfondinto de »Verda Kato« en Parizo.
38. Senŝeligita, pistita greno.
40. Konsonanto (fonetike).
41. E. B. K.
42. Konjunkcio.
43. Ekstrema parto de nazo (helico, ŝraŭbo ktp.).
45. Lia pseŭdonimo estas: Leo Turno.
48. . . . . . Gerarda, nederlanda propagandisto.
49. Rumana esperantisto, verkinto de »Spite la vivon«.
51. Rusa pioniro, trad.: »Princino Mary«.
52. Ligna glitumilo (').
53. Interjekcio.
54. Sufikso.
55. Germana pioniro el la I-a periodo.
58. Fama amerika pioniro.
61. Prepozicio.
63. Prefikso.
64. Sufikso.
65. Verbo, signifanta modon (').
66. Inverse: diftongo.
67. Poseda pronomo per duobla w.
68. Prezidanto de ICK en 1923.
71. Perceptebla per flarsento (').
72. K. ü.
73. Patro de patro.
74. Malofta ('), neologismo.
76. Direktoro de germana E. Presejo.
78. Inverse: Laborista mondorganizo.
79. Franca pioniro, fondinto de la Esp. ruĝkruca societo.
82. Reorganizinto de la bavara E-Ligo.
83. Ankaŭ inverse la sama.
85. Inverze: monogramo de fama E-isto.
86. Alkala bazo (') kun miksitaj literoj.
87. Inverse: peni ne esti trafita de io
89. Kunfondinto de la Saksa E. Inst.
93. E. G. U.
95. Nemalnova.
96. Fama blinda fortepianisto, hungara E-isto.
97. Kompilinto de la Enciklopedia vortaro.
99. Rusa esp. verkisto.
104. Japana Esp-isto, kunfondinto de la Jap. Esp. Proleta movado.
107 La virino estas ĝia sklavo (').
108. Identaj vokaloj.
109. Prefikso.
111. Angla eks. sekr. de BEA.
114. Muzikinstrumento (') kun miksitaj literoj.
115. Anglino, esp. tradukistino.
117. Somerdomo..
118. Estona pioniro.
121. N. T. N.
122. Eldoninto de Lingvo Internacia 1900—1904.
124. Kredo de realiĝo de deziro (').
125. Germana pioniro 1901.
126. Lirika poemo.
127. Japana religia movado, uzanta E.



**Vertikale:**

1. Polo, verkisto de Historio de Esperanto.
2. Hispano, eksprez. en Valencia.
3. M. B.
4. Samid . . . (adjektiva formo).
5. Mallongigo komerca.
6. La unua reĝino de la Int. Floraj Ludoj.
7. Prefikso.
8. An . . . (korprema).
9. Komenco de la alfabeto.
10. Pola eksprezid. de la UK. de Krakovo 1931.
11. Grasa fluidaĵo (en adjektiva formo).
14. Koparo.
15. Korelativo kaj universala kunjunkcio.
16. Bulgara pioniro.
19. Inverse: prefikso.
22. Horizontala tabulo (')
24. Subtera ejo, kun la komencon (')
25. Sinonimo de kunporto, neologisma vorto (').
27. Anima premo.
29. Inverse: korelativo.
32. Narkota substanco.
34. Fonetike: perlaboro.
37. Skribo por nelorgesi (').
43. Multaj el sama afero.
44. Normanda SAT-ano.
46. H. A. T.
47. Muzikinstrumento kun miksitaj literoj (').
49. Vesto por homaj membroj.
50. Mondorganizo.
53. Interjekcio.
56. Fadenforma sentorgano.
57. »Nea« vorto.
59. Sen vesto.
60. Scienca branĉo (mallongigo).
62. Pastro-redaktoro, franca esp.
67. Grandan Esp. germanan vortaron li kunmetis.
68. Usona pioniro.
69. Pronomo.
70. Kontraŭo de »perdas«
71. Italo tradukis; »kurioza okazaĵo«.
72. Konjunkcio.
75. Fare.
76. Advokato de Esperanto.
77. Inverse; komerca mallongigo, kun duobla konsonanto en la mezo.
80. Sufikso.
81. »L . . .« skribmaterialo fluidaĵo.
82. . . . estas kiu ne mortis.
84. Sufikso.
88. Turni en kontraŭan direkton.
90. Senordo (ĝi vortas ĉapon surkape).
91. Ofta mallongigo inverse, kun ĉapelo erare metita sur la kapon.
92. Konsonantoj de vorto inverse signifanta konstantan agon.
94. Inversa far.
98. Vokaloj de la vorto bela.
100. Inverse; kun ploraj okuloj.
101. Inverse; rabobirdo.
102. Grado de uzebleco.
105. Sufikso.
106. Angla esp. mortis en 1906. vizitante la U. K. en Genève.
110. Sufikso.
111. Alkoholaĵo (').
112. Longecmezurilo (').
113. Parteto de la jaro.
114. Konjugacio finaĵo kaj prepozicio (kunskribite).
116. Tri sinsekvaj literoj de la Alfabeto.
117. Inverse; ronda vazo, sen la komenca litero (').
119. Esprimas doloron.
120. Sufikso.
123. Ofta mallongigo en jarlibro de U. E. A.

## Al niaj nederlandaj kaj japanaj klientoj

Por plisimpligi la interrilaton kun niaj klientoj el tiuj du landoj, plej multe reprezentataj inter niaj abonantoj, ni cedis monopolan vendorajton al enlandaj firmoj, ĝis nun tre bone funkciintaj en la rilato kun ni. Tiu aranĝo plifaciligos pagojn, demandojn, mendojn al niaj klientoj kaj ni esperas, ke tio renkontos ilian plaĉon.

Ni petas do niajn nederlandajn amikojn, estonte sin turni al s-ro

*A. c. van Ingen, Rotterdam W. Voorhaven 43*

kaj niajn japanajn amikojn rilati al

*Japana Esperanto Instituto, Tokio.*

La du firmoj kompreneble plenumos la mendojn, faratajn de kiu ajn revendisto, ĝis nun rilatinta nin kaj ĉiu povas fari siajn mendojn per la ĝisnuna vojo, krom se ili rilatis rekte kun ni. Tiuokaze bonvolu vin turni al la supraj adresoj.

Samtempe ni danku al Internacia Cseh-Instituto pro la fidele farita servo dum du jaroj.

*LITERATURA MONDO*

## NIAJ REPREZENTANTOJ:

**AUSTRIO:** Rudolf Foltanek, **Wien,** I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704

**AUSTRALIO:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, **Melbourne** 169 Exhibition Str.

**BELGUJO:** Belga Esperanto Instituto, **Antwerpen,** 21, Willemstraat. Poŝtkonto nro 1689.58.

Flandra Esperanto-Instituto. **Kortrijk,** Magdalenastraat 29, poŝtkonto nro 3268.51.

**BRITUJO:** Brita Esperantista Asocio **London** W. C. 1. 142. High Holborn

**BULGARUJO:** Centra Librejo »Esperanto« **Sofia** str. Maria Luiza 38.

**ĈEĤOSLOVAKIO:** Ĉeĥoslovaka Esperanto Asocio — **Praha XIX** 447. Uralské nám. Poŝtkonto: Praha 9.602.

**DANUJO:** Isosek, sro L. Friis **Aabyhöj,** Frodesvej 21. Poŝtkonto nro: 16295.

**ESTONIO:** Helmi Dresen, **Tallinn,** Poŝtkest 6.

**FRANCUJO:** Centra Esperanto Librejo **Paris** 6e, 11 rue de Sèvres Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.

**S. Grenkamp-Kornfeld,** Paris XIV-e 117 Bd. Jourdan.

**GERMANUJO:** Poŝtĉeekkonto de Vilmos Bleier, **Berlin** 138084

**HISPANUJO:** Ferdinand Montserrat, **Barcelona,** str. Provenza 75, 2—3a

**ITALUJO:** Itala Esperanto Centro **Milano,** Galleria Vittorio Emmanuele II. 92 Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.

**JUGOSLAVUJO:** Sudslava Esperanto Servo **Zagreb,** Primorska 11.

La Suda Stelo **Slavonski Brod** Poŝtfako 44.

**LATVIO:** Talivaldo Indra, **Riga,** Kr. Baronas ielä 104 dz. 19. Poŝtĉekkonto nro 7.

**NEDERLANDO:** A. C. van Ingen, **Rotterdam W.** Voorhaven 43. Poŝtĉekkonto nro 272818.

**NORVEGUJO:** Norvega Ligo Esperantista, Librofako. Sro John Johanessen, **Hamar,** Skappelsgt. 5.

**POLUJO:** Halina Weinstein, **Warszawa,** str. Leszno 99. P. K. O. W. Nr. 27867.

**PORTUGALIO:** Saldanha Carreira, **Lisboa,** Av. Duqué de Loulé 503

**RUMANUJO:** Esp.-Instituto Rumana, **Cluj,** str. Bravilor 15

**SVEDUJO:** Förlagsföreningen Esperanto, **Stockholm,** 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578.

**SVISUJO:** Nova Esperanto Grupo, f-ino Halter Prisca, Katharinengasse, 11. **St. Gallen**

**JAPANUJO:** Japana Esperanto Instituto **Tokio,** Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.

**USONO:** Amerika Esperanto-Insituto. Madison, (Wis.) 556 State Str.

## Niaj subtenantoj

kreskis al tridek kun la subaj samideanoj, kies subtenon ni kore dankas. Estas necese ricevi ankoraŭ dudekon. Ĉu ni havos? Ni esperas, ke jes, kaj ke ni vivos pro tio ĉijare senzorge.

Miloŝ Lukaŝ, Trnava
Edmond Privat, Territet
Lodoviko Santamarina, Orense
Georgo Saville, New-York
Alberto Schüssler, Kecskemét
J. J. Süssmuth, Hunter-Bay
Marc Pujo, Bersson


# INTERNACIA MEDICINA REVUO

*19, avenue Montjoie, UCCLE 3 (Belgujo)*
*JARABONO: 5 svisajn frankojn aŭ 10 belgojn.*
*Poŝtĉekkonto: 28.14.51 (Bruxelles)*

Esperantistoj! Ne-esperantistaj medicinaj gazetoj pli kaj pli uzas nian lingvon. Subtenu la solan medicinan gazeton esperantlingvan! Postulu senpagan specimenon! Mendu samtempe, laŭ antaŭ-devalucia tarifo (nur 14 belgoj!) la favore konatan medicinan vortaron de d-ro BRIQUET:

**Esperanta Teknika Medicina Vortaro**






***Bela***

***Granda***

***Interesa***

## *GÖSTA BERLING*

***(Romano de Selma Lagerlöf)***

(Nobelpremiitino)

Trad. **Stellan Engholm.**
Rave ilustrita de **Einar Nerman.**

„La libro estas valorega, ni montru, ĉu ni valoras la aperon de tiaspecaj libroj."
**(Informoj de Esp. Asoc. de Estonio).**

„. . . Granda verko kaj granda tradukinto. Nur gratulon ni povas esprimi".
**(Kataluna Esperantisto)**

Prezoj en svisaj frankoj: Broŝ. 6·—, bele bind. 7·50 (afrankite).

Pago per bankĉeko aŭ al nia poŝtĉeka konto **Stockholm 578.**

**Eld. Soc. Esperanto, Fako 698, Stockholm, Svedujo**

